EMILE BOIRAC
Rektoro de la Dijona Universitato

# Plena Vortaro
## Esperanto = Esperanta
kaj
## Esperanto = Franca

DUA PARTO



DIJON
PRESEJO DARANTIERE
65, STR. CHABOT-CHARNY

1910

# GRAVA AVIZO

---

Tre baldaŭ aperos aparta foliaro entenanta la **Aldonojn** kaj **Korektojn** de la Plena Vortaro.

Ĉiu posedanto de la du partoj de la Plena Vortaro ricevos tiun foliaron **senpage** tuj post ĝia apero, se nur li sendos la ĉi-tie aldonitan poŝtkarton afrankite al Presejo Darantiere.

En la supre anoncitaj **Aldonoj** oni trovos ĉiujn vortradikojn ĉerpitajn el la plej freŝdataj vortaroj, nome :

Vortaro esperanta rusa de Doktoro Zamenhof,
Vortaro esperanta franca de Robert,
Vortaro pola esperanta de Grabowski,
Vortaro itala esperanta de Meazzini,
Vortaro hispana esperanta de Villanueva kaj Inglada, k. t. p.

En la **korektoj** oni trovos, ne nur liston de preseraroj, sed ankaŭ, pri kelkaj vortoj, pli precizajn aŭ pli kompletajn difinojn.

---

Prezo de la Dua parto : **4** fr. **50** c. (afrankite.)
Prezo de la Plena Vortaro (1a kaj 2a parto) : **9** fr. (afrankite.)

# L

| | | |
|---|---|---|
| **L** | deksepa litero de la esperanta alfabeto. | |
| **La** | artikolo. Oni povas elizii la finan *A* ĉu antaŭ vokalo, ĉu post prepozicio finiĝanta per vokalo. Ekz : *La palaco de l'reĝo* ; *l'anĝelo salutis Marion.* — Oni uzas l'artikolon *la* por montri, ke la substantivo estas difinita. | *le, la, les.* |
| **La** (Rh.) | (muz.) unua noto de la tipgamo minora. | *la* (mus.). |
| **Laberdan'o** (Z.) | salita moruo (*Rev.*) R. | *morue salée.* |
| **LABIRINT'O** | erariga, senelira vojaro. AFGHIR. | *labyrinthe.* |
| **LABOR'I** | peni por ion efiki ; — **aĵo, ego, ejo, em'a-ulo, isto** ; **antaŭ, el, per, pri'labori** ; **kamp, man, pun, ter, servut' laboro** ; **lu, tag, fabrik' laboristo** ; **kunlaboranto** ; **mal, ne' laborema** ; **labori popece**. AFHI. | *travailler.* |
| **LABORATO-RI'O** (V.) | scienca laborejo, eksperimentejo ; — **laboratoria eksperimento**. AFGHIR. | *laboratoire.* |
| **Labr'o** (V.) | (ikti.) speco de marfiŝoj (*labrus*) ; — **oidoj**. | *labre.* |
| **Labrako** (V.) | (ikti.) speco de marfiŝoj (*labrax*). | *bar.* |
| **LAC'A** | malvigla, senforta pro troa laboro ; — **eco, ega, igi, iĝi** ; **mallacigi**. F. | *las, fatigué.* |
| **LACERT'O** (V.) | speco de rampulo (*lacerta*) ; — **oidoj** ; **lacert' truo, loĝejo**. AFGI. | *lézard.* |
| **LAĈ'O** (V.) | ŝnureto el fadeno, silko aŭ ledo por pasigi tra truetoj ; — **ado, iĝi, plekti** ; **laĉboto** ; **interlaĉi** ; **laĉmovo**. | *lacet, cordon.* |
| **LAD'O** | fero tavolita kaj stanita ; — **isto, umi** ; **lakita lado**. HI. | *tôle, fer blanc.* |
| **LAF'O** | vulkana fandaĵo. AFGHIR. | *lave.* |
| **LAG'O** | spaco de akvo ĉirkaŭata de tero ; — **eto**. AFHI. | *lac.* |
| **Lagenari'o** (V.) | (bot.) speco de kukurbacoj (*lagenaria*). | *calebasse, gourde.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Lager'o** (Rh.) | speco de biero. | *sorte de bière.* |
| **Lagoftalm'o** (K.) | l. v., leporokulo, malsano de palpebro. | *lagophtalmie.* |
| **Lagop'o** | (ornit.) l. v. leporpiedo, speco de tetrao (*tetras lagopus*). | *ptarmigan, lagopède.* |
| **LAGUN'O** | apudborda marlago kun insuletoj. AFGHIR. | *lagune.* |
| **LAIK'O** | neekleziulo ; — **aro, eco, igi**. AFGHI. | *laïque* (un). |
| **LAK'O** | speco de rezino precipe uzata por mebloj ; — **ado, eca ; gumlako ; ŝellako**. AFGHIR. | *vernis, laque.* |
| **LAKE'O** | livrea servisto ; — **aro, eto**. AFGHIR. | *laquais.* |
| **LAKMUS'O** | tinkturaĵo tirita el likenoj kaj uzata en kemio por kontroli acidecon. | *tournesol* (couleur de). |
| **LAKON'A** | malmultvorta, malmultesprima. AFGHIR. | *laconique.* |
| **Lakonism'o** (Rh.) | lakoneco. | *laconisme.* |
| **LAKS'O** | (med.) ventrofluo; — **eco, ilo, ig'i-ilo ; mallakso**. | *diarrhée.* |
| **LAKT'O** | likvaĵo naskita de mamuloj por nutri idojn ; — **aĵo, eca, ejo, ujo ; lakt' infano, flua, porta, nutrado, simila, sitelo, tubeto, vendisto ; lakta vojo, laktokafo ; laktajaj ovoj**. AFHI. | *lait.* |
| **Laktari'o** ☆ | (bot.) speco de agarikoj, laktagarico. | *lactaire.* |
| **Laktat'o** (V.) | (kem.) salo el laktacido kaj bazo. | *lactate.* |
| **Laktik'a** (V.) | (kem.) (pri acido) kiu troviĝas en lakto. | *lactique.* |
| **Laktoz'o** (V.) | (kem.) laktosukero. | *lactose.* |
| **LAKTUK'O** | speco de kompozito manĝebla kiel salato. (*lactuca*). AFGHIR. | *laitue.* |
| **LAKTUM'O** | fiŝtestiko, fiŝsemo. | *laitance.* |
| **Lakun'o** (Df.) | (anat.) kavaĵeto kiu troviĝas en la mukomembranoj. | *lacune.* |
| **LAMA** | ne kapabla marŝi firme pro malegaleco de kruroj ; — **anta, igi, iĝi, ulo ; lambastono**. AGR. | *boîteux.* |
| **Lam'o** (V. Df.) | (zool.) ŝafkamelo (*auchenia llama*). | *lama.* |
| **Lama'o** (Rh.) | (voj.) tibeta pastro. | *lama.* |
| **Lamaism'o** (Rh.) | religio de la lamaoj. | *lamaïsme.* |
| **Lambdojd'a** (Df.) | (anat.) formsimila al la greka litero lambdo. | *lambdoïde.* |
| **LAMBREKEN'O** (Df.) | kamena drapiraĵo. | *lambrequin.* |
| **LAMEN'O** | maldika plato, tavoleto ; — **eca, ig'i-ilo, iĝema, isto ; lamenita fero**. | *lame.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LAMENT'I** (V.P.) | veplendi. AFGHI. | *se lamenter.* |
| **Lami'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj gamopetalaj (*lamium*); — **acoj**. | *lamier, ortie blanche.* |
| **Laminari'a** (V.) | (bot.) speco de maralgoj (*laminaria*). | *laminaire.* |
| **LAMP'O** | lumigilo; — **eto, ejo, isto**; **lamp' ŝirmilo**; **nokto' lampo**; **ark, alkohol, elektr, gaz' lampo**. AFGHIR. | *lampe.* |
| **LAMPION'O** | lumpoteto. AFR. | *lampion.* |
| **LAMPIR'O** | brilvermo, lumvermo, speco de koleopteroj. | *ver luisant, lampyre.* |
| **LAN'O** | densa kaj mola hararo de iaj bestoj (ŝafo, k. t. p.); — **aĵo, aro, eco, plena**; **lan'kolora, kovrilo, silkaĵo, tondo**; **long'lana**; **senlanigi**. FHI. | *laine.* |
| **Lanari'o** (V.) | (ornit.) speco de falko (*falco lanarius*). | *lanier.* |
| **LANC'O** | pikstango, ponardego; — **eto, eca, isto**; **lanc'forma, frapo**. AFHIR. | *lance.* |
| **Lancen'i** (V.) | (med.) kaŭzi pikajn dolorojn. | *lanciner, donner des élancements.* |
| **Lanĉ'i** | (mar.) enakvigi ŝipon freŝe konstruitan; — **isto**; **ellanĉi**. AFHI. | *lancer* (un navire). |
| **LAND'O** | terpeco, regiono; — **ano, ido, ulo**; **land' lango, alproprigo, avideco, grafo, gento, karto, mezo, sinjoro**; **en'ali'landa**; **samlanduloj**; **patrolando**. AGR. | *pays.* |
| **Landaŭ'o** (Df.) | balgokaleŝo. | *landau.* |
| **LANG'O** | movebla organo kiu estas en la buŝo kaj servas por manĝi kaj paroli; objekto langoforma; — **eto**; **lango' ĉerpi, krako, vejno**; **land' lango**; **sublanga**; **marlango** (V. **soleo**). FHI. | *langue.* |
| **LANGUST'O** | speco de krustuloj (*palinurus*). FHR. | *langouste.* |
| **Lani'o** (V.) | (ornit.) greka pigo, speco de paserbirdoj (*lanius*). | *pie-grièche.* |
| **Laniari'o** (V.) | (zool.) speco de hundo (*canis laniarius*), korthundo. | *mâtin.* |
| **Lantan'o** | (kem.) metalo tirita el la cerito. AFGHIR. | *lanthane.* |
| **LANTERN'O** | ujo en kiun oni metas lumon por ĝin ŝirmi kontraŭ vento; — **isto**; **strat, kovrebla' lanterno**. AFGHI. | *lanterne.* |
| **LANUG'O** | delikata, malpeza plumaro, hararo, lanaro, k. t. p.; **lanuga kusenego**. FI. | *duvet.* |
| **Lap'o** (Rh. V.) | (bot.) speco de kompozitoj (*lappa*). V. **bardano**. | *bardane, glouteron.* |
| **Lapidar'a** (V.P.) | surskribaĵa, l. v. surŝtona. AFH. | *lapidaire.* |
| **LAPIS'O** | (min.) arĝenta nitrato, kaŭstika ŝtono. AGR. | *pierre infernale.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LAPON'O** | popolo de norda Eŭropo ; — **ujo**. | *Lapon.* |
| **Lapsan'o** (V.) | (bot.) speco de kompozitoj (*lapsana*). | *lampsane.* |
| **LAR'O** (V.) | (ornit.) speco de mevoj (*larus*). | *goëland.* |
| **LARD'O** | grasaĵo subfela ĉe porkoj k. t. p. ; — **ero, ilo** ; **lard' peco, tranĉaĵo** ; **lardita flanko**. AF. HI. | *lard.* |
| **Larg'e** (V.) | (mar.) (veliri) sub vento alvenanta poste de la flankorto. | *largue.* |
| **LARĜ'A** | grandampleksa, multspaca ; — **eco, igi, iĝi, laŭlarĝe** ; **mallarĝa**. AFI. | *large.* |
| **LARIK'O** | (bot.) speco de koniferoj (*larix*). AGI. | *mélèze.* |
| **LARING'O** | supera parto de la trakeo. AFGHI. | *larynx.* |
| **Laringit'o** | (med.) laringa brulumo. | *laryngite.* |
| **LARM'O** | plorguto ; — **ado, ejo, osto** ; **larm' trueto fluejo** ; **ellasi larmojn** ; **superverŝi de larmoj**. EHI. | *larme.* |
| **LARV'O** | (entom.) insekto en unua stato post eloviĝo ; estaĵo larvsimila : — **eto**. AFGHI. | *larve.* |
| **LAS'I** | ne deteni, permesi ; — **ebla, igi, iĝi** ; **al, de, el, en, for, post, preter, tra, sur' lasi**. FGI. | *laisser.* |
| **Lasciv'a**?(Rh.) | voluptema, malĉasta ; — **eco**. AF. | *lascif.* |
| **LAST'A** | fina ; — **antaŭ, plej'lasta**. A. | *dernier.* |
| **LAT'O** (V.) | tabuleto ; — **umi, verko**. AFGH. | *latte.* |
| **Lat'i** † (Rh.) | V. **latenta** ; — **ant'a-eco**. | *être latent.* |
| **Latenta** (V.) | (fiz.) nevidebla, kaŝita, ne sinmontra. | *latent.* |
| **LATER'O** | flanko (en geometriaj figuraĵoj) ; — **tri, kvar'latero** ; **kontraŭlatera**. AFHI. | *côté.* |
| **LATIN'O** | popolano de antikva sudeŭropa lando ; — **aĵo, igi, isto** ; **novlatino**. AFGHIR. | *latin.* |
| **Latinism'o** | latinaĵo. | *latinisme.* |
| **Latir'o** (V.) | (bot.) speco de fabacoj (*lathyrus*). | *gesse.* |
| **LATIS'O** (Rh.) | latverko, palisplektaĵo ; — **fenestro, ponto, trabo**. AFGH. | *lattis.* |
| **LATITUD'O** | (astr. geog.) distanco de loko al la terekvatoro. AFHIR. | *latitude.* |
| **LATRIN'O** | publika necesejo ; neceseja fosaĵo. FGHI. | *latrine.* |
| **LATUG'O** † | V. **laktuko**. | *laitue.* |
| **LATUN'O** | flava kupro ; — **lamenita**. FGHR. | *laiton.* |
| **LAŬ** | prepozicio kiu signifas sekvante, konforme al ; — **mezure, plezure, elekte, vole** ; **laŭ tio se**. | *selon.* |
| **LAŬB'O** | arkaĵo elfarita el arboj, arbetoj, k. t. p. ; **vinber, karpen'laŭbo**. G. | *tonnelle.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LAŬD'I** | elparoli pri meritoj de iu aŭ io ; — **ado, ego, inda** ; **mallaŭdi** ; **laŭdkanti** ; **memlaŭdo**. AFHI. | *louer.* |
| **LAŬNTENIS'O** | speco de pilkludo ; — **raketo**. AFGHIR. | *tennis.* |
| **LAŬR'O** | speco de arbo (*laurus nobilis*) ; — **acoj** ; **laŭrkrono** ; **ĉerizlaŭro**. AFGHIR. | *laurier.* |
| **LAŬREAT'O** | premiato ; — **eco**. AFGHIR. | *lauréat.* |
| **Laŭrenci'a** (V.) | (geol.) terajo, etaĝo geologia. AFGHIR. | *laurentien.* |
| **Laŭrenti'a** (Rh.) | V. **laŭrencia**. | *laurentien.* |
| **LAŬT'A** | forta, plenvoĉa ; — **ega, eco, igi** ; **mallaŭta**. AG. | *haut, bruyant.* |
| **LAV'I** | trempi en akvon por purigi ; — **ado, eco, eti, ejo, ilo, ist'o-ino, ujo** ; **lav'akvo, korbo, seĝo, trogo, vazo** ; **relavi**. FHI. | *laver.* |
| **Lavand'o** (V.) | V. **lavendo**. | *lavande.* |
| **LAVANG'O** | neĝamasego falanta de monto en valon. FI. | *avalanche.* |
| **LAVEND'O** (Rh.) | speco de lamiaco (*lavandula*). AFGIR. | *lavande.* |
| **LAZ'O** (V.) | kaptoŝnuro, maŝoŝnuro. AFGHI. | *lasso.* |
| **LAZARET'O** (Df.) | kvarantenejo. AFI. | *lazaret.* |
| **LAZARON'O** (Df.) | napola almozulo. AFGHIR. | *lazarone.* |
| **LAZUR'O** | ĉiela bluo ; — **lazura ŝtono**. AFGHIR. | *azur.* |
| **LECION'O** | instruo, lernajo. AFGHIR. | *leçon.* |
| **LED'O** | felo preparita por elfari ŝuojn, rimenojn, k. t. p. ; — **aĵo, eca, isto** ; **ledo' sako, tubo** ; **ledsimila**. AG. | *cuir.* |
| **LEG'I** | trarigardi ion skribitan aŭ presitan por ĝin elparoli aŭ kompreni ; — **ado, aĵo, ebla, ejo, ema, inda, isto** ; **antaŭ, ek, tra' legi** ; **ne legebla**. FHIR. | *lire.* |
| **LEGAT'O** | papa sendito. AFGHIR. | *légat.* |
| **LEGEND'O** | antikva fabelo. AFGHI. | *légende.* |
| **LEGI'O** | romana korpuso de militistoj ; korpuso, anaro ; — **ano**. AFGHIR. | *légion.* |
| **LEGITIM'I** | rajtigi ; — **ado**. AFGHIR. | *légitimer.* |
| **LEGOM'O** | ĉiu ĝardena kreskajo manĝebla ; — **aĵo, ejo, isto**. FHI. | *légume.* |
| **Legumen'o** (V. Df.) | (bot.) frukto de la fabacoj ? | *légumineuse, gousse.* |
| **Legumin'o** (Rh.) | V. **legumeno**. | *légumineuse.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LEĜ'O** | decido de supera aŭtoritato ordonanta, permesanta aŭ malpermesanta ; **ado, aro, eco, isto, igi, ulo** ; **leĝ'donanto,* scienco** ; **laŭleĝa**. AFGHIR. | *loi.* |
| **LEK'I** | pasigi la langon sur io ; — **ado, umi** ; **lektrinki**. AFGI. | *lécher.* |
| **LEK'O** ? (V.) | (arkeo.) sankta ŝtono de la Pragaŭloj. | *lech.* |
| **LEKANT'O** | (bot.) speco de kompozito (*chrysanthemum leucanthemum*) ; — **eto** (*bellis perennis*). | *marguerite.* |
| **Lekci'o** (Rh.K.) | (ekl.) lego de la Sankta Skribo. | *leçon.* |
| **Leksikografi'o** (Df.) | V. **leksikologio**. | *lexicographie.* |
| **Leksikologi'o** (Rh.) | arto verki leksikonojn ; scienco de la vortaroj ; — **isto**. | *lexicologie.* |
| **LEKSIKON'O** | vortaro, vortlibro ; — **isto**. AFGHIR. | *lexique.* |
| **LEKTOR'O** | universitata helpanto, antaŭlegisto. AFGHI. | *lecteur.* |
| **Lem'o** | (mat.) propozicio, kiun oni devas antaŭpruvi por pruvi sekvantajn teoremojn. | *lemme.* |
| **Leming'o** (V.) | (zool.) speco de arvikoloj (*georichus lemmus*). | *lemming.* |
| **Lemn'o** | (bot.) akvolento (*lemna*). | *lentille d'eau.* |
| **Lemniskat'o** | (mat.) speco de kurbo rubandforma. | *lemniscate.* |
| **Lemur'o** (V.) | (zoo.) speco de mamulo (*lemur*) ; — **oidoj**. | *maki, lémur.* |
| **LENS'O** (V.) | (fiz.) vitro kiu koncentras la lumradiojn ; — **forma, simila** ; **cel, divergig, okul'lenso**. | *lentille.* |
| **Lent'o** | (bot.) speco de fabacoj (*lens*). AFGHI. | *lentille.* |
| **Lentibulari'o** (V.) | (bot.), speco de dukotiledonoj ankaŭ nomita **utrikulario** (*lentibularia*) ; — **acoj**. | *lentibulaire.* |
| **Lentin'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*lentinus*). | *lentinus.* |
| **Lentisk'o** (V.) | (bot.) speco de pistakarbo (*pistacia lentiscus*). | *lentisque.* |
| **Lentojd'a**?(Df.) | (anat.) (organo) lentforma, lentsimila. | *lenticulaire.* |
| **LENTUG'O** | (med.) haŭtmakulo lentsimila ; — **iĝi, ul'o-ino**. AFI. | *tache de rousseur.* |
| **Lenzit'o** ★ | (bot.) speco de poliporacoj (*lenzites*). | *lenzite.* |
| **LEON'O** | speco de mamulo viandomanĝa (*felis leo*) ; — **ino, ido, aro, eca, ejo**. AFHI. | *lion.* |
| **LEONTOD'O** | (bot.) leondento, speco de kompozito (*taraxacum dens leonis*). | *dent de lion, pissenlit.* |
| **LEOPARD'O** | speco de mamulo pantersimila (*leopardus*) AFGHIR. | *léopard.* |
| **Leoti'o** ★ | (bot.) speco de askomicetoj (*leottia*). | *leottie.* |
| **Lepidi'o** (V.) | (bot.) speco de kruciferoj (*lepidium*). | *passerage, cresson alénois.* |
| **Lepidopter'o** (V.) | (entom.) klaso de insektoj kiel papilioj. | *lépidoptère.* |
| **Lepiot'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*lepiota*). | *lepiote, coulemelle.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LEPOR'O** | speco de mamulo skrapmanĝa (*lepus*) ; — **ino, ido, aĵo, ejo** ; **lepor' hundo, lipo**. FHI. | *lièvre.* |
| **LEPR'O** | (med.) komunikiĝema haŭtmalsano ; — **ulo eca**. AFGHI. | *lèpre.* |
| **Lept'o** (Df.) | brulŝipo ? | *brulot.* |
| **Leptoni'o** ★ | speco de agarikacoj (*leptonia*). | *leptonie.* |
| **Leptopil'o** (V.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj, marabuo. | *marabout.* |
| **LERN'I** | instruiĝi, esplori por instruiĝo, studi ; — **ado, ama, anto, eco, estro, ejo, ulo, ebla, igi** ; **ek, tra' lerni** ; **lernolibro** ; **kunlernanto** ; **memlerninto** ; **lernekzercoj** ; **lerni parkere** ; **alta, burĝa, elementa, unuagrada, duagrada, popola, supra lernejo**. AG. | *étudier.* |
| **LERT'A** | povanta, scianta ion facile fari ; — **ega, eco, igi, iĝi, ulo** ; **mallerta**. AF. | *adroit, habile.* |
| **LESIV'O** | boligo de tolaĵo en akvo kun cindro aŭ sodo ; — **ado, aĵo, ejo, isto**. FI. | *lessive.* |
| **Lestr'o** (V.) | (ornit.) speco de marbirdoj, sterkobirdo (*lestris*). | *labbe.* |
| **LETARGI'O** | (med.) malsana stato mortoŝajna. AFGHIR. | *léthargie.* |
| **LETER'O** | skribaĵo per kiu oni korespondas kun iu ; — **eto, isto, ujo** ; **leter' karto, kesto, portisto** ; **am, aviz, kredit, mon, rondiranta' letero**. AFHI. | *lettre, missive.* |
| **Leŭcisk'o** | (ikt.) speco de cipreno, blanka fiŝo (*leuciscus*). | *able, ablette.* |
| **Leŭkocit'o** | (anat.) blanka sangoglobeto. | *leucocyte.* |
| **Leŭkodermi'o** | (med.) malsano en kiu la haŭto blankiĝas. | *leucodermie.* |
| **Leŭkotoksin'o** | (med.) toksino de la blankaj sangoglobetoj. | *leucotoxine.* |
| **LEŬTENANT'O** | oficiro de grado autaŭ kapitano ; – **subleŭtenanto**. AFGIR. | *lieutenant.* |
| **LEV'I** | suprenigi, malkuŝigi ; — **ado, ilo, igi, iĝi** ; **mal, re, supren' levi** ; **cel, hom' plad, ŝarĝo' levilo**. FHI. | *lever, ramasser.* |
| **Leviatan'o** | biblia marmonstro. AFGHIR. | *léviathan.* |
| **LEVID'O** | hebrea pastro. AFGHIR. | *lévite.* |
| **LEVKOJ'O** | (bot.) speco de kruciferoj (*mathiola*). | *giroflée des jardins.* |
| **Lez'o** | (med.) ŝiraĵo en vivantaj teksaĵoj, interna vundo. AFHI. | *lésion.* |
| **LI** | pronomo virseksa de la tria persono ; — **lia**. | *il, lui.* |
| **Li'o** (Rh.) | (mar.) kontraŭventa flanko. | *côté de dessous le vent.* |
| **LIAN'O** | fleksebla kreskaĵo, kiu interplektiĝas kun la branĉoj de arboj en tropikaj arbaroj. AFG HIR. | *liane.* |
| **Lias'o** (V.) | (geol.) teraĵo, etaĝo geologia. AFGHIR. | *lias.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LIBEL'O** | (entom.) speco de himenopteroj (*libellula*); — **oidoj**. | *libellule, demoiselle.* |
| **LIBER'A** | memdependa, senmastra; — **eco, ulo, igi, iĝi**; **malliber'a** — **ejo**; **liber' vola, festo, donaco, tago, tempo; liber' kredulo, pensulo**. AFHI. | *libre.* |
| **LIBERAL'A** | liberecama, tolerema; — **ulo**. AFGHIR. | *libéral.* |
| **LIBERALIS-M'O** | liberaleco. | *libéralisme.* |
| **LIBR'O** | paperfoliaro presita, broŝurita aŭ bindita; — **eto, ejo, isto**; **lerno, registro' libro**. AFHI. | *livre.* |
| **LICE'O** | meza lernejo, gimnazio; — **ano, estro**. AFGHIR. | *lycée.* |
| **LICENC'O** (Rh.) | (kom.) permeso fari iaspecan komercon; — **tenanto**. AFHIR. | *licence.* |
| **LICENCI'O** (Df.) | universitata grado. AFGHIR. | *licence.* |
| **LICENCIAT'O** | (iu) kiu ricevis licencion. AFGHIR. | *licencié.* |
| **Lied'o** | (muz.) popola kantario (*Muzika Terminaro* de Ménil.) | *lied.* |
| **LIEN'O** | (anat.) glando, kiu naskas leŭkocitojn. L. | *rate.* |
| **LIFT'O** (Rh.) | homlevilo. | *ascenseur.* |
| **LIG'I** | kunigi, asocii; — **aĵo, ano, eco, ilo, igi, iĝi**; **al, inter, kun, sub, mal' ligi**; **ligo' fadeno, ŝnuro, tubero**. FHI. | *lier.* |
| **Ligament'o** | (anat.) fibra ligaĵo ĉirkaŭ ostartikoj. | *ligament.* |
| **LIGN'O** | malmola parto de kreskaĵo en trunko, branĉoj k. t. p.; — **aĵo, aro, isto, ejo, ujo**; **lignaĵ' isto, vendisto**. FHI. | *bois.* |
| **Lignit'o** (V.) | speco de terkarbo. | *lignite.* |
| **Ligur'o** (Rh.) | speco de fringelo. V. **kanabeno** kaj **linario**. | *ligurin, linotte.* |
| **LIGUSTR'O** (V.) | (bot.) speco de jasmenacoj (*ligustrum*). | *troëne.* |
| **LIKEN'O** | (bot. med.) kreskaĵo senkotiledona kiu kreskas sur arboj, ŝtonoj, k. t. p.; haŭta likenŝajna malsano; — **aloj**. | *lichen, dartre.* |
| **Liknid'o** (V.) | (bot.) speco de kariofilacoj (*lychnis*). | *lychnis, croix de Jérusalem.* |
| **Likoperd'o** ★ | (bot.) specaro de fungoj (*lycoperdon*); — **acoj**. | *lycoperdon, vesse de loup.* |
| **Likopersik'o** (V.) | (bot.) alia nomo de tomato (*solanum lycopersicum*). | *tomate.* |
| **Likopod'o** (K.) | V. **likopodio**. | *lycopode.* |
| **Likopodi'o** | (Rh. V.) speco de kriptogamoj (*lycopodium*) — **acoj, aloj**. | *lycopode.* |
| **Liktor'o** | romana militpedelo. | *licteur.* |
| **LIKV'A** (V.) | (fiz.) fluaĵa; — **aĵo, eco, ig'i**, — **ebla, iĝi**. AFHI. | *liquide.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Likven'o** (Rh.) | V. **likeno** (med.). Eble oni povus restigi tiun distingon inter **likeno**, kreskaĵo kaj **likveno**, haŭtmalsano. | *dartre.* |
| **LIKVID'I** | (fin.) difini, fiksi la konton de firmo k. t. p. ; — **ado**, **anto**, **isto**. AFGHI. | *liquider.* |
| **LIKVOR'O** | alkohola trinkaĵo kun sukero k. t. p. ; — **eca**, **isto**, **ujo**. AFGHIR. | *liqueur.* |
| **LILAK'O** (Df.) | (bot.) speco de jasmenacoj (*syringa lilacum*) V. **siringo**. AFGHIR. | *lilas.* |
| **LILI'O** | (bot.) speco de unukotiledonoj (*lilium*) ; — **acoj**, **aloj** ; **liliflоro** ; **akvolilio**. | *lis.* |
| **Liliput'o** (V. P.) | fabla regno de malgrandeguloj. | *liliput.* |
| **LIM'O** | loko kie finiĝas ia spaco, finlinio ; — **aĵo**, **eco**, **igi**, **depago**, **imposto**, **tempo**, **vorto** ; **senlima** ; **enlimigi** ; **limŝtono**. AFGHI. | *limite, borne.* |
| **LIMAK'O** | (zool.) speco de molusko; (geom.) speco de linio. F. | *limace, limaçon.* |
| **LIMAND'O** | platfiŝo, speco de pleŭronekto (*pleuronectes limanda*). FI. | *limande.* |
| **Limb'o** (V.) | (bot., tekn.) rando (de folio k. t. p.). | *limbe.* |
| **LIMED'O** | (bot.) citrono dolĉa, frukto de limedujo (*citrus hinetta*). FG. | *limette.* |
| **LIMF'O** | (anat.) organika blanka likvaĵo ; — **aro**, **ulo** ; **limfo'glando**, **tubeto**, **vazaro**. AFGHIR. | *lymphe.* |
| **Limfangit'o** | (med.) inflamo de la limfaj angioj. | *lymphangite.* |
| **Limfocit'o** | (anat.) alia nomo por leŭkocito. | *lymphocyte.* |
| **Limfocitoz'o** | (med.) malsano de la limfocitoj. | *lymphocytose.* |
| **LIMON'O** (V.) | (bot.) frukto de la limonarbo (*citrus limonium*). AFGHIR. | *limon* (fruit). |
| **LIMONAD'O** | trinkaĵo farita el citrono, sukero kaj akvo. AFG HIR. | *limonade.* |
| **Limonit'o** | speco de fero, marĉofero. | *limonite.* |
| **Limoz'o** (V.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*limosa*). | *barge.* |
| **LIN'O** | (bot.) speco de kreskaĵo dukotiledona el kiu oni faras teksaĵon (*linum*) ; — **acoj** ; **lintolo**. AFG HIR. | *lin.* |
| **Linari'o** (V.) | (bot.) speco de skrofulariacoj (*linaria*). | *linaire.* |
| **Linari'o** ? (Df.) | (ornit.) V. **kanabeno**. | *linot, cabaret, sizerin r* |
| **LINĈ'I** | mortpuni popolamase krimulon sen juĝo ; — **ado**. AFGHIR. | *lyncher.* |
| **Line'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledono (*linnea*). | *linnée.* |
| **Line'o** (V.) | (metr.) mezurero, dekduono da colo. | *ligne.* |
| **Linear'a** | (mat.) prilinia ; **kunlineara**. AFGHI. | *linéaire.* |
| **LINGV'O** | sistemo de vortoj uzata de ia anaro ; — **aĵo**, **aĉo**, **isto** ; **internacia lingvo**. AFGHIR. | *langue.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LINGVISTIK'O** | scienco pri la lingvoj. AFGHI. | *linguistique.* |
| **LINI'O** | parto de spaco konsiderata nur laŭ ĝia longeco, sen larĝeco aŭ profundeco, serio de punktoj ; — **aĵo, ilo** ; **fervoja, navigacia linio** ; **rekta, vojira linio** ; **interlinio** ; **pafa linio**. AFHI. | *ligne.* |
| **Link'o** | (zool.) speco de mamulo lupsimila (*lynx*). AFHI. | *lynx.* |
| **Linoleum'o** | linolea tolo. AFGHIR. | *linoleum.* |
| **Linotip'o** | speco de presmaŝino. AFHIR. | *linotype.* |
| **LIP'O** | parto ekstera de la buŝo, kiu kovras la dentojn ; — **ego, eto, eca** ; **lipharoj** ; **leporlipo**. AG. | *lèvre.* |
| **LIR'O** | antikva muzikilo ; itala monero. AFGHIR. | *lyre, lire.* |
| **LIRIK'A** | (pri poezio) sentesprima, kiel en odo, elegio, k. t. p. ; — **eco, isto**. AFGHIR. | *lyrique.* |
| **Lirism'o** ? (Df.) | lirikeco. | *lyrisme.* |
| **Lisp'i** (Rh.) | malbone elparoli ian leteron. V. **kartavi**. A. | *grasseyer.* |
| **LIST'O** | serio de nomoj, nomaro ; **mankolisto**. AFGH IR. | *liste.* |
| **LIT'O** | meblo sur kiu oni kuŝas por dormi, ripozi k. t. p. ; — **aĵo, aĉo, eto** ; **ellitiĝi** ; **edziĝa, duloka, kampa, mort, parada, river'lito** ; **lit' ĉambro, kunulo, kurteno, kovrilo, tego, tuko**. FI. | *lit.* |
| **LITANI'O** | (ekl.) speco de preĝo. AFGHIR. | *litanie.* |
| **Litargir'o** (Rh.) | (kem.) protoksido de plumbo kristaligita. | *litharge.* |
| **LITER'O** | skribita aŭ presita signo por signifi voĉsonon ; — **aro** ; **laŭlitere** ; **granda, komenca litero** ; **presliteroj**. AFGHIR. | *lettre.* |
| **LITERATUR'O** | spirita verkaro de nacio, epoko ; — **aĵo, eco, isto**. AFGHIR. | *littérature.* |
| **Liti'o** | (kem.) speco de metalo. AFGHIR. | *lithium.* |
| **Litin'o** (V). | (kem.) litioksido. AFGHIR. | *lithine.* |
| **LITOGRAF'I** (Rh.) | reprodukti desegnaĵon antaŭĉizitan sur ŝtono ; — **ado, aĵo, ejo, isto, arto**. | *lithographier.* |
| **LITOGRAFI'O** (V.) | litografarto. | *lithographie.* |
| **Litologi'o** (Rh.) | scienco pri ŝtonoj. | *lithologie.* |
| **Litot'o** (V.) | (ret.) malpliiga esprimaĵo. AFGHIR. | *litote.* |
| **Litotrici'o** (Rh.) | (med.) operacio de renŝtonoj. AFGHIR. | *litotritrie.* |
| **LITOV'O** (Df.) | popolano de nordokcidenta lando ; — **ujo**. | *Lithuanien.* |
| **LITR'O** | franca metra mezurero de enhaveco. AFGHIR. | *litre.* |
| **LITURGI'O.** | religia ceremoniaro. AFGHIR. | *liturgie.* |
| **Litvan'o** (V.P.) | V. **Litovo**. | *Lithuanien.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LIUT'O** | speco de kordomuzikilo. | *luth.* |
| **LIVER'I** | havigi ion al iu, transdoni ; — **ado, aĵo, anto, isto, iĝi**. AFGH. | *livrer, fournir.* |
| **LIVRE'O** | servista kostumo. AFGHIR. | *livrée.* |
| **Lob'o** | ronda dividaĵo de organo ; – **eto** ; **du, tri'loba**. AFHI. | *lobe.* |
| **Lobeli'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj (*lobelia*) ; – **acoj**. | *lobélie.* |
| **Locelin'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*locellina*). | *locelline.* |
| **LOD'O** (Rh.) | angla mezurero de pezeco, duonunco. | *demi-once.* |
| **Loes'o** (V.) | (geol.) speco de flaveta sablofeĉo. | *loess.* |
| **Lof'i** | (mar.) alproksimigi la ŝipkapon al la vento. | *lofer.* |
| **Lofir'o** (V.) | (ornit.) speco de amerikaj kokoidoj (*lophira*). | *goura.* |
| **Lofobrank'oj** (V.) | (ikt.) klaso de fiŝoj. | *lophobranches.* |
| **Lofofor'o** (V.) | (ornit.) speco de birdoj (*lophophorus*). | *lophophore.* |
| **LOG'I** | altiri, ĉarmi, ekplaĉi ; — **aĵo, ilo, isto** ; **al, de, for'logi** ; **flatlogi** ; **log'frazo, vorto**. G. | *allécher, séduire.* |
| **Log'o** (V.) | (mar.) instrumento por mezuri la rapidecon de ŝipo. A. | *loch.* |
| **Logani'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj (*logania*) ; — **acoj**. | *loganie.* |
| **Logaritm'o** | (mat.) nombro de aritmetika progresio respondanta al alia nombro de geometria progresio. AFGHIR. | *logarithme.* |
| **LOGIK'O** | (fil.) parto de la filozofio, kiu traktas pri vero kaj scienco ; — **aĵo, eco, isto** ; **ne, mal'logika**. AFGHIR. | *logique.* |
| **LOGOGRIF'O** | speco de enigmo. AFGHIR. | *logogriphe.* |
| **Logr'o** (Rh.) | V. **lugro**. | *lougre.* |
| **LOĜ'I** | kutime resti en iu loko, domo, k. t. p. ; — **ado, ant'o-aro, ejo, ek, igi** ; **kun, apud' loĝi** ; **en, trans, loĝigi** ; **somerloĝejo**. AFGIR. | *habiter.* |
| **LOĜI'O** | saloneto, ĉambreto en teatro, k. t. p. FGR. | *loge.* |
| **LOJAL'A** | fidinda, senartifika ; — **eco** ; **mallojala** ; **ĵuri lojalecon**. AFGHIR. | *loyal.* |
| **LOJT'O** | (ikt.) speco de riverfiŝo (*gadus lota*). FH. | *lotte.* |
| **LOK'O** | parto de spaco en kiu estas iu aŭ io ; — **ado, aro, aĵo, iĝi** ; **en, trans'lokiĝi**. AFGHIR. | *lieu.* |
| **LOKALIZ'I** | enlokigi ; — **ado**. Oni trovas en Df lokaligi. eble preserare anstataŭ **lokalizi**. | *localiser.* |
| **LOKOMOBIL'O** | vapormaŝino uzata en industrio kaj terkulturo. AFGHIR. | *locomobile.* |
| **LOKOMOTIV'O** | fervoja vaporveturilo ; — **estro**. AFGHIR. | *locomotive.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LOKOMOTOR'O** | ĉiu aparato por transporti de unu loko al alia. AFGHIR. | *locomoteur.* |
| **Loksi'o** (V.) | (ornit.) speco de paserbirdo (*loxia*). | *bec-croisé.* |
| **Lokust'o** (V). | (entom.) speco de ortopteroj, saltakrido (*locusta*); — **oidoj**. | *sauterelle.* |
| **Lol'o** | (bot.) speco de gramenacoj (*lolium*). GL. | *ivraie.* |
| **Lolig'o** (V.) | (zool.) speco de moluskoj kefalopodoj (*loligo*). | *calmar.* |
| **Lombard'o** (V.P.) | garantipruntajo. | *mont de piété.* |
| **LONDON'O** | ĉefurbo de granda Britujo; — **ano**. | *Londres.* |
| **LONG'A** | grandampleksa, grandedaŭra; — **eco, igi, iĝi**; **delonge; tiel longe kiel; longatempe, longedaŭra; pli, malpli' longigi**. AFG. | *long.* |
| **Longitud'o** | distanco de loko al la unua meridiano. AFHIR. | *longitude.* |
| **LONICER'O** | (bot.) speco de dukotiledonoj unupetalaj (*lonicera caprifolium*). | *chèvre-feuille.* |
| **Lorant'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj (*loranthus*); — **acoj**. | *loranthe.* |
| **LORD'O** | angla altranga sinjoro. AFGHIR. | *Lord.* |
| **Lori'o** | (ornit.) speco de grimpobirdoj (*lorius*). | *lori.* |
| **LORN'O** | malproksimvidilo; — **eco**. FR. | *longue-vue.* |
| **LOT'I** | dividi inter diversaj personoj per sorto; — **aĵo, ado, umi**. AFGHI. | *tirer au sort.* |
| **LOTERI'O** | lota hazardludo; — **ano, isto; loteria bileto**. AFGHIR. | *loterie.* |
| **Lotus'o** (V.) | (bot.) speco de fabacoj. (*lotus edulis*). | *lotus.* |
| **LOZANĜ'O** | (geom.) paralelogramo kun kvar lateroj egalaj, du anguloj akutaj kaj du malakutaj. AF. | *losange.* |
| **LU'I** | preni ion por uzi ĝin dank'al interkonsentita prezo kaj por difinita tempo; — **aĵo, aro, anto, ebla, isto, igi, iĝi; lu'doni, preni; lu'kontrakto, kosto, prezo, pago, laboristo**. F. | *louer.* |
| **LUCERN'O** | preĝeja lampo. | *lampe de sanctuaire.* |
| **Lucid'a** (V.) | memkonscia, klarvida; — **eco**. AFHI. | *lucide.* |
| **Lucifer'o** (Rh.) | alia nomo de la planedo Venuso kaj de Satano. | *Lucifer.* |
| **LUD'I** | distriĝi, amuziĝi per ia speciala faro; — **ado, anto, ema, isto, ulo; lud'frapilo, karto; pilkludo; flugludilo**. L. | *jouer.* |
| **Lues'o** (Rh.) | (med.) memkonsumiĝo. | *consomption.* |
| **Luf'o** (V.) | (bot.) speco de kukurbacoj (*lufa*). | *luffa.* |
| **Lugr'o** (V.) | (mar.) dumasta ŝipo. AFGHI. | *lougre.* |
| **LUIDOR'O** (Z.) | franca ormonero. | *louis d'or.* |
| **Luk'o** (Df.) | fenestreto (precipe en domtegmento). | *lucarne.* |
| **Lukan'o** (V.) | (entom.) cervskarabo (*lucanus cervus*); — **oidoj**. | *lucane, cerf-volant.* |

| | | |
|---|---|---|
| **LUKS'O** | troa malŝpareco pri vestado, manĝado, k. t. p.; — **aĵo, eco, ego**. AFGHI. | *luxe.* |
| **LUKT'I** | lude batali, dueli; — **ado, anto, isto, ejo**. FHI. | *lutter.* |
| **LUL'I** | balanci infanon kun kanto por ĝin dormigi; — **eti, adi, ilo**; **lul'seĝo, kanto**. A. | *bercer.* |
| **LUM'I** | heliĝi, videbliĝi, brili; — **eco, ilo, ingo, igi**; **mallumo**; **art', duon, tag'lumo**; **lum'bano, brilo, poteto, ŝirmilo, turo**; **erarlumo**. AFHI. | *luire.* |
| **LUMB'O** | malsupera parto de la dorso; — **aĵo**; **lumbodoloro**. AFHI. | *lombes.* |
| **LUMBAG'O**(V.) | (med.) lumbodoloro. | *lombago.* |
| **LUMBRIK'O** (V. Rh.) | (zool.) tervermo; intesta vermo. | *lombric.* |
| **Lumesk'a** (V.) | eklumeca. | *luminescent.* |
| **LUN'O** | astro lumiganta al la tero dum nokto; — **aĵo**; **aĝo, brilo, daŭro, krescento, fazo, monato, periodo, oscilo**; **plen, nov, kvaron, kreskanta, malkreskanta' luno**. AFGHIR. | *lune.* |
| **Lunari'o** (V.) | (bot.) speco de kruciferoj (*lunaria*). | *lunaire.* |
| **LUNATIK'A** | kapricema, fantazia, ŝanĝiĝema laŭ la lunfazoj; — **eco, ulo**. AFGHIR. | *lunatique.* |
| **LUNĈ'O** | tagmanĝeto. A. | *lunch.* |
| **LUND'O** | unua tago de la semajno. FHI. | *lundi.* |
| **Lunojd'a** (Df.) | luna, lunsimila. | *lunaire.* |
| **LUP'O** | speco de rabmamulo (*canis lupus*); — **ino, ido, ejo**. FHI. | *loup.* |
| **Lupe'o** (V.) | (opt. fot.) lenso, pligrandiga vitro. FR. | *loupe.* |
| **Lupen'o** | (bot.) speco de fabacoj (*lupinus*). AFGIR. | *lupin.* |
| **LUPOL'O** | (bot.) speco de kreskaĵo dukotiledona uzata en bierfarado (*humulus lupulus*). HI. | *houblon.* |
| **Lupus'o** | (med.) survizaĝa kancero. AFHI. | *lupus.* |
| **LUSTR'O** | pendlamparo. AFGHIR. | *lustre.* |
| **LUT'I** | unuigi pecojn de metalo aŭ ŝtono, marmoro k. t. p. per ia subtanco, cementi, mastiki; — **ado, aĵo, isto, ilo**; **stan, ŝton' luti**; **al, el, kun' luti**; **samŝtofa luto**. AFHI. | *souder, cémenter, coller.* |
| **LUTERAN'O** | sekvanto de Lutero. AFGHIR. | *luthérien.* |
| **LUTERANIS-M'O** | doktrino de Lutero; luteranaro. | *luthéranisme.* |
| **LUTR'O** | speco de mamulo akvoloĝa kaj viandomanĝa (*lutra*); — **ino**. FHI. | *loutre.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Lutrari'o** (V.) | (bot.) ? ne trovita signifo kiel botaniko. (*lutraria* estas molusko acefala). | *lutraire.* |
| **Lutreol'o** (V.) | (zoo.) speco de amerika mustelo (*lutreola*). | *vison* |
| **Luv'i** (V.) | (mar.) oblikviri (pri ŝipo). | *louvoyer.* |
| **Luzol'o** (V.) | (bot.) speco de junkacoj (*luzula*). | *luzule.* |
| **Luzern'o** (Df.) | V. **medikago**. | *luzerne.* |

## M

| | | |
|---|---|---|
| **M** | dekoka litero de la esperanta alfabeto. | *M.* |
| **Maat'o** (K.) | marista suboficiro en Holando. | *maat* (mot hollandais). |
| **MAC'O** | nefermentita pano. | *pain azyme.* |
| **MACER'I** | solvi senvarme substancon en likvaĵo ; — **ado, aĵo**. AFGHI. | *macérer.* |
| **MAĈ'I** | rompi, pisti en buŝo per movado de makzeloj ; — **adi, anto, ulo** ; **remaĉi**. F. | *mâcher.* |
| **Maĉet'o** (Rh.) | (ornit.) speco de stilzbirdo (*machetes*). V. **tringo.** | *combattant.* |
| **Madapolam'o** (Df.) | speco de kotona ŝtofo. | *madapolam.* |
| **Madejr'o** (Z.) | vino el la afrika insulo samnoma. AFGHIR. Oni trovas ankaŭ en Df. **madervino**, malpli rekomendinda. | *madère.* |
| **MADON'O** | alia nomo de la sankta Virgulino Mario. | *madone.* |
| **Madras'o** (Df.) | hinda urbo kaj ŝtofo el tiu urbo. | *madras.* |
| **Madrepor'o** | (zoo.) stelkoralo. | *madrépore.* |
| **MADRIGAL'O** | versaĵeto amesprima. AFGHIR. | *madrigal.* |
| **MAG'O** | orienta saĝulo. | *mage.* |
| **Magasen'o** (V.) | (fot.) kesteto por enteni fotografajn platojn, paperojn, k. t. p. ; — **sanĝa, film' magaseno** | *magasin.* |
| **MAGAZEN'O** | butiko, tenejo, vendejo. AFGHIR. | *magasin.* |
| **MAGI'O** | arto fari mirindaĵojn per supernaturaj rimedoj ; — **aĵo, isto**. AFGHIR. | *magie.* |
| **MAGIŜTR'O** (Z.) | pedagogo, instruisto. FGHR. | *magister.* |
| **MAGISTRAT'O** | regna oficisto, precipe juĝa ; — **aro, eco**. AFGHI. | *magistrat.* |
| **Magnat'o** | altranga nobelo en Hungarujo kaj Polujo. AFGHIR. | *magnat.* |
| **MAGNET'O** | feroksida ŝtono, kiu altiras ferajon ; — **eco, igi, iĝi** ; **magneta' montrilo, stango**. AFGHIR. | *aimant.* |
| **MAGNETISM'O** | magneteco, magneta forto ; — **minerala, animala**. AFGHIR. | *magnétisme.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MAGNETIZ'I** | naski animalan magnetismon en aŭ sur iu ; — **ado, anto, ilo, isto**; **el, de' magnetizi** ; **magnetiza dormo**. AFGHIR. | *magnétiser.* |
| **MAGNEZ'O** (V.) | magnezia oksido uzata kiel laksilo. AFGHIR. | *magnésie.* |
| **Magnezi'o** | (kem.) blanka metalo. | *magnésium.* |
| **Magnifikat'o** (Df.) | kristana preĝo kies komencaj vortoj estas : *Magnificat anima mea Dominum.* | *magnificat.* |
| **Magnoli'o** | (bot.) speco de arboj dukotiledonaj (*magnolia*) ; — **acoj, aloj**. | *magnolia.* |
| **MAĜ'O** (Df.) | V. **mago**. | *mage.* |
| **Mahagon'o** | (bot.) speco de arbo dukotiledona, el kies ligno oni faras meblojn (*swietenia mahagoni*). | *acajou.* |
| **MAHOMET-AN'O** | sekvanto de la religio de Mahometo. | *mahométan.* |
| **MAIZ'O** | (bot.) speco de gramenaco, turka greno. AFGH IR. | *maïs.* |
| **MAJ'O** | kvina monato de la jaro ; — **floro, scarabo**. AFGHIR. | *mai.* |
| **MAJEST'A** | havanta ekesteraĵon imponan, solenan, indoplenan ; — **eco**. AFGHIR. | *majestueux.* |
| **Majolik'o** | speco de itala fajenco. AFGHIR. | *majolique.* |
| **Majones'a** (Df.) | (saŭco) farita el kruda ovo kaj oleo. AFGHIR. | *mayonnaise.* |
| **MAJOR'O** | (milit.) batalionestro, eskadronestro, supera oficiro. AGHIR. | *commandant.* |
| **Majoran'o** (V.) | (bot.) speco de lamiaco bonodora (*origanum majorana*). | *marjolaine.* |
| **MAJSTR'O** | lertulo, ĉefartisto ; — **ino, aĵo, eco** ; **submajstro**. AFGHIR. | *maître en son art, maestro.* |
| **MAĴOR'A** | (muz.) pri gamo durtona (laŭ *Muzica Terminaro* De Ménil). | *majeur.* |
| **Makadam'o** | speco de pavimaĵo el frakasitaj ŝtonoj ; — **ado**. AFGHIR. | *macadam.* |
| **Makak'o** (V.) | (zool.) speco de simioj (*macacus*). AFGHI. | *macaque.* |
| **MAKARON'O** | kuketo el migdaloj kaj sukero. AFGR. | *macaron.* |
| **MAKARONI'O** | itala pasto, farunaĵo. AFGHIR. | *macaroni.* |
| **Makiavel'a** (Df.) | artifika, laŭ la maniero de la itala aŭtoro Makiavelo. | *machiavélique.* |
| **Makiavelism'o** | makiaveleco ; doktrino de Makiavelo. | *machiavélisme.* |
| **Makintoŝ'o** (Rh.) | kaŭĉuka mantelo. | *manteau de caoutchouc.* |
| **MAKLER'I** | sin intermiksi por aĉeto aŭ vendo de komercaĵoj, k. t. p. ; — **ado, isto** ; **akci, bors, kambi' makleristo**. G. | *faire le courtier.* |
| **Makrocefal'o** | (zool.) speco de ketacoj (*macrocephalus*). | *cachalot.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Makrel'o** (Df.) | (ikt.) speco de marfiŝo. V. **skombro**. AFGR. | *maquereau.* |
| **Makrop'o** | alia nomo por kanguruo (*macropus*). | *kangourou.* |
| **MAKSIM'O** | aforismo, sentenco, proverbo. AFHIR. | *maxime.* |
| **MAKSIMUM'O** | plejgranda kvanto. AFGHIR. | *maximum.* |
| **MAKUL'O** | malpuraĵo ; kolora marko sur haŭto ; — **eto, ego, ebla, ita** ; **senmakula**. FHI. | *tache.* |
| **Makulatur'o** | (tekn.) presfolio malbone presita uzebla kiel kovrilo k. t. p. FGIR. | *maculature.* |
| **MAKZEL'O** | parto antaŭa kaj supera de la buŝo, en kiu estas dentoj ; — objekto makzelforma. FI. | *mâchoire* (supérieure). |
| **MAL** | prefikso uzata por inversigi la sencon de la radiko, kiel ekzemple : *granda, malgranda* ; *ami, malami* ; *paco, malpaco* ; — **o, a, e, eco, igi** (fot.). F. | *préfixe inversif.* |
| **Malaj'o** | gentano de oceaniaj landoj ; — **ujo**. | *Malais.* |
| **Malakit'o** | ŝtono el hidrokarbono kaj kupro uzata por ornami mebletojn kaj eĉ fari juvelojn. AFGHIR. | *malachite.* |
| **Malari'o** | itala marĉa febro. AFGHIR. | *malaria.* |
| **MALE'O** | martelego, ligna martelo. L. | *maillet.* |
| **MALEOL'O** | osta elstaraĵo de la piedartiko. | *cheville du pied.* |
| **MALGRAŬ** | prepozicio, kiu signifas kontraŭ la volo de iu, kvankam io kontraŭstaras, spite de io aŭ iu ; **malgraŭ ĉio**. FI. | *malgré.* |
| **Maliacid'o** (Rh.) | (kem.) acido tirita el pomoj. | *acide malique.* |
| **MALIC'O** | malbonfareco, mokemeco, pikanteco ; — **aĵo, eco, ema, ulo** ; **senmalica**. AFHI. | *malice.* |
| **Malkolmi'o** (V.) | (bot.) speco de kruciferoj (*malcolmia*). | *giroflée de Mahon.* |
| **Malmazi'o** (V. P.) | dolĉa sudvino (**malvazio** estus preferinda). | *malvoisie.* |
| **MALT'O** | bierhordeo ; — **aĵo, isto**. AFGHI. | *malt.* |
| **MALV'O** | (bot.) speco de dukotiledonoj (*malva*) ; — **acoj, aloj, idoj** ; **malvkolora**. AFGHIR. | *mauve.* |
| **Malversaci'o** (V. P.) | malbonuzo (de oficiala funkcio). | *malversation.* |
| **MAM'O** | brusta elstaraĵo ĉe virinoj k. t. p. por nutri infanojn ; — **ulo** ; **mam' besto, nutri, pinto, suĉi** ; **mammonteto**. FI. | *mamelle, sein.* |
| **Mamon'o** (Rh.) | demono de la riĉaĵoj (vorto biblia). | *mammon.* |
| **Mamojd'a** (Df.) | (anat.) mamforma, mamsimila. | *mamillaire.* |
| **MAMUT'O** | (zool.) speco de praelefanto (*elephas primigenius*). | *mammouth.* |
| **MAN'O** | organo kiu finas la brakon de homo kaj servas por preni kaj tuŝi ; — **eto, ego, umo, ago, agado** ; **man'ligi, plekti, preni, regi, uzi** ; **man' divenado, farado, frapilo,** | *main.* |

| | | |
|---|---|---|
| | **forma, kamero, karno, kateno, kiso, laboro, premo, plato, punilo, radiko, saluto, simila, radaro, teno, teksilo, zorgo ; enmanigi ; plenmano ; ambaŭmane, mano ĉe mano.** FHI. | |
| **MANA'O** | substanco tirita el ŝelo de frakseno kaj uzata kiel laksilo. AFGHIR. | *manne.* |
| **Manat'o** (V.) | (zool.) marbovino (*manatus*). | *lamantin.* |
| **Mancinel'o**(V.) | (bot.) speco de arbo eŭforbiaco el Ameriko (*hippomanes mancinella*). | *mancenillier.* |
| **MANDAREN'O** | ĥina magistrato, oficialulo ; — **eco.** AFGHIR. | *mandarin.* |
| **MANDAT'O** | skribaĵo enhavanta ordonon aŭ rajtigon pagi difinitan sumon al la portanto ; **poŝtmandato.** AFGHIR. | *mandat.* |
| **Mandibul'o** | (anat.) malsupera makzelo. AFHI. | *mâchoire* (inférieure). |
| **MANDOLIN'O** | muzika kordinstrumento. AFGHIR. | *mandoline.* |
| **Mandragor'o** | (bot.) speco de solanacoj (*mandragora*). AFHI. | *mandragore.* |
| **Mandrel'o** (Rh.) | (zool.) speco de simio cinocefalo (*cynocephalus mandrill*). AFGHIR. | *mandrill.* |
| **MANEĜ'O** | rajdarto, ĉevaldreso ; — **ejo, ebla.** AFGHIR. | *manège, équitation.* |
| **Mang'o** (V.) | (bot.) frukto de mangarbo (*mangifera indica*). | *mangue.* |
| **MANGAN'O** | speco de metalo. AFGHIR. | *manganèse.* |
| **Manganat'o** | (kem.) salo el manganacido kaj bazo. | *manganate.* |
| **Mangl'o** (V.) | (bot.) speco de arboj dukotiledonaj. (*rhizophora mangle*). | *manglier, palétuvier.* |
| **Mangostan'o** | (bot.) speco de arboj dukotiledonaj (*mangostana*), kies frukto estas plejbongusta. | *mangoustan.* |
| **MANĜ'I** | maĉi kaj gluti nutraĵon ; — **ado, aĵo, eto, ego, ejo, ebla, ema, aro, ilo, ero, igi ; maten, tag, vesper, nokt' manĝo ; manĝo' karto ; kunmanĝanto : blankmanĝaĵo.** FHI. | *manger.* |
| **MANI'O** | speco de frenezo ; kutimaĉo ; — **aĵo, ulo.** AFGHIR. | *manie.* |
| **MANIER'O** | eco, stato, metodo, laŭ kiu iu, io estas, okazas, k. t. p. ; — **ia, tia, kia' maniere ; afekta, parol' maniero.** AFGHIR, | *manière.* |
| **MANIFEST'O** | publika deklaraĵo de registaro aŭ de partiestro. AFGHIR. | *manifeste.* |
| **MANIFESTACI'O** | publika kolektiva esprimo de opinio, sento, k. t. p. | *manifestation.* |
| **Manihot'o** (V.) | speco de amerika arbo, el kiu oni tiras farunon. (*jatropha manihot*). | *manioc.* |
| **Manik'o** | parto de vesto ĉirkaŭ la brako. FHI. | *manche.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Manikean'o**(Df.) | sekvanto de la hereziulo Maneso. | *manichéen.* |
| **MANIL'O** (Df.) | kartludo ; cigaro el amerika insulo Manilo. | *manille.* |
| **Maniok'o** (Df.) | V. **manihoto.** | *manioc.* |
| **MANIPUL'I** | manuzi, manlabori ; — **ado.** AFGHIR. | *manipuler.* |
| **Manis'o** (V.) | (zool.) speco de mamulo sendentulo (*manis*). | *pangolin.* |
| **MANK'I** | neesti, malesti ; — **aĵo, aro, anto, eco, igi ; malmanki, surmanka, intermanko, mankoresto, mankantaro.** FGI. | *manquer.* |
| **Manometr'o** | (fiz.) aparato por mezuri la premforton de vaporo, akvo, k. t. p. AFGHIR. | *manomètre.* |
| **MANOVR'I** | ekzerci, movi, direkti armeon, ŝipon, k. t. p.; — **ado, isto.** AFGHIR. | *manœuvrer.* |
| **MANSARD'O** | subtegmenta ĉambreto. FGIR. | *mansarde.* |
| **Mant'o** (V.) | (entom.) preĝakrido (*mantis religiosa*). | *mante.* |
| **MANTEL'O** | grandampleksa vestaĵo, ofte sen manikoj ; — **eto ; kamenmantelo.** AFGHIR. | *manteau.* |
| **Mantikor'o** (V.) | (entom.) speco de koleopteroj (*mantichora*). | *mantichore.* |
| **MANTIL'O** (Rh.) | speco de hispana virina manteleto. AFGHIR. | *mantille.* |
| **Mantilj'o** (Df.) | V. **mantilo.** | *mantille.* |
| **Mantis'o** | (mat.) decimala parto de logaritmo. AFGHIR. | *mantisse.* |
| **Mantisp'o** (Rh.) | (entom.) speco de nevropteroj (*mantispa*), kiun oni ne devas konfuzi kun manto. | *mantispe.* |
| **MANUFAKTUR'O** | granda industria fabriko ; — **isto, ejo.** AFGHIR. | *manufacture.* |
| **MANUSKRIPT'O** | manskribaĵo. AFGHIR. | *manuscrit.* |
| **MAR'O** | vasta amaso de salita akvo, kiu kovras la pligrandan parton de l'terglobo ; — **aro, ego, isto ; mar'armeo, bordo, danĝeroj, fiŝo, kankreto, kolo, karto, kvieto, malsano, pentraĵo, trankvilo, veturo ; alta, malalta' maro ; apud, trans'mara.** AFGHIR. | *mer.* |
| **Marabu'o** (Df.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj simila al cikonio. V. **leptopilo.** | *marabout.* |
| **Marabut'o**(Df.) | (voj.) orienta mahometana religiulo. | *marabout.* |
| **MARASKEN'O** | likvoro el ĉerizoj de Dalmatujo. AFGHIR. | *marasquin.* |
| **MARASM'O** | (med.) fizika senfortiĝo. AFGHIR. | *marasme.* |
| **Marasmi'o** ✶ | (bot.) speco de agarikacoj (*marasmius*). | *faux mousseron.* |
| **Marant'o** | (bot.) kreskaĵo unukotiledona, el kiu oni tiras aroruton (*maranta*). | *marante.* |
| **MARCIPAN'O** | speco de kuko el migdaloj kaj sukero. AFGHIR. | *massepain.* |
| **MARĈ'O** | tero sur kiu staras akvo senflua ; — **ego, eto, ejo ; elmarĉiĝi.** A. | *marais.* |
| **MARĈAND'I** | diskuti pri la pagota prezo ; — **ema.** F. | *marchander.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MARD'O** | dua tago de la semajno. FHI. | *mardi.* |
| **Marek'o** (Rh.) | V. **kerkedolo.** | *sarcelle.* |
| **Mareng'o** (Df.) | nomo de iaspeca saŭco. | *marengo* (sauce) |
| **Margaren'o** (Df.) | V. **margarino.** | *margarine.* |
| **Margarin'o** | kvazaŭbutero tirita el bova grasaĵo. AFGHIR. | *margarine.* |
| **MARĜEN'O** | rando de paperfolio. AFHI. | *marge.* |
| **Marienban'o** (V.) | (kem.) aparato por boligi likvaĵojn pere de bolujo (En Df. oni trovas **maria-bano**). AFGHIR. | *bain-marie.* |
| **MARIN'I** | maceri viandon en salo, vinagro kaj spicoj ; — **ado, aĵo**. FGHIR. | *mariner.* |
| **MARIONET'O** | teatropupo. AFGIR. | *marionnette.* |
| **Margraf'o**(Df.) | mezepoka germana landestro. AFGHIR. | *margrave.* |
| **MARK'O** | aparta signo por distingi ; papereto surmetita al literoj por afranki ; antikva monero (Df.) ; – **ilo** ; **kontraŭmarko, poŝtomarko**. AFGHIR. | *marque, timbre, marc.* |
| **MARKEZ'O** | tola aŭ vitra tegmento super pordo por ŝirmi de la pluvo. AFGHR. | *marquise.* |
| **MARKIZ'O** | titolo de nobeleco inter duko kaj grafo ; — **eco, ino.** | *marquis.* |
| **Markograf'o** (Rh.) | V. **margrafo.** | *margrave.* |
| **MARKOT'O** | branĉo aliformigita en radikon ; — **ado.** FI. | *marcotte.* |
| **MARMELAD'O** | fruktokaĉo. AFGHIR. | *marmelade.* |
| **MARMOR'O** | kalkoŝtono tre malmola, polurebla kaj uzebla kiel ornamaĵo en konstruado ; — **isto, umi** ; **marmor' simila, vejno, vendisto.** AFGHIR. | *marbre.* |
| **MARMOT'O** | speco de mamuloj, montrato, ursrato (*arctomys*). RFHI. | *marmotte.* |
| **MARN'O** (V.) | (min.) kalkargilo. AFGHI. | *marne.* |
| **Maroder'o**(V.P.) | fruktoŝtelisto, rikoltrabisto, ĉirkaŭrabisto. AF. | *maraudeur.* |
| **MAROK'A** (Df.) | pri kaproledo el Maroko. | *Marocain.* |
| **MAROKEN'O** | maroka kaproledo ; – **aĵo, igi, arto.** AFGI. | *maroquin.* |
| **MARON'O** | speco de granda kaŝtano ; frukto de maronujo (*aesculus hippocastanum*). FGI. | *marron.* |
| **Mars'o** | (mit.) dio de la milito ; — **a mieno.** | *Mars.* |
| **Marsupial'o** (Rh.) | poŝbesto, speco de mamuloj, kiel didelfo, makropo, k. t. p. AFGHIR. | *marsupiau.* |
| **MARŜ'I** | iri, piediri ; — **ado, ema** ; **antaŭen, en, ĉirkaŭ, preter, return' marŝi** ; **funebra marŝo.** AFGHIR. | *marcher.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MARŜAL'O** | plejaltranga oficiro ; — **milita, kortega**. AFGHIR. | *maréchal.* |
| **MART'O** | tria monato de l' jaro. AFGHIR. | *mars.* |
| **MARTEL'O** | frapilo kun tenilo ; — **aĵo, ego, ado, umi** ; **martelosto**. FHI. | *marteau.* |
| **Martingal'o** (MT.) | (mar.) unu el la buspritaj ŝnuroj. HF. | *martingale.* |
| **MARTIR'O** | religia turmentito, suferanto ; — **eco, igi**. En V. P. oni trovas **martiri, martirulo**. AFGHIR. | *martyr.* |
| **Marubi'o** (V.) | (bot.) speco de lamiacoj (*marrubium*). | *marrube.* |
| **Marut'o** (V.) | (bot.) speco de kompozito (*anthemis cotula*). | *maroute.* |
| **MAS'O** | amaso da aferoj kune starantaj, granda kvanto. AFGHIR. | *masse.* |
| **MASAĜ'O** | frotado kaj knedado de muskoloj ; — **ado, ilo, ist'o-ino**. AFGHIR. | *massage.* |
| **Masakr'i** (V.P.) | masbuĉi, elmortigi. AF. | *massacrer.* |
| **Maseter'o** (V.) | (anat.) vanga muskolo, kiu servas por maĉado. AFGHIR. | *masséter.* |
| **MASIV'A** | densega, plensubstanca ; — **aĵo, eco** AFGHIR. | *massif.* |
| **MASK'O** | falsa vizaĝo el ŝtofo, kartono, por sin kaŝi ; — **itaro** ; **senmaskigi**. AFGHIR. | *masque.* |
| **Maskared'o** (V.) | kunpuŝiĝo de alflua rivero kaj marfluso (oni trovas ankaŭ p. 19 **maskareto**). | *mascaret, barre.* |
| **Maslako** (V.P.) | hungarvino. — (Ĉune ankaŭ : turka opio ?) | *maslac ?* |
| **MASON'I** | (fiz.) konstrui per ŝtono, gipso k. t. p. ; — **aĵo, isto**. AF. | *maçonner.* |
| **Masor'o** (Df.) | esploro de la biblio farita de Hebreaj doktoroj ; — **ano**. | *massore.* |
| **MAST'O** | ŝipstango por pendigi velojn ; — **aro, unu, du, tri, antaŭ, post, ĉef'masto** ; **senmastigi, mast'organo, levilo**. AFGHR. | *mât.* |
| **MASTIK'O** | speco de rezino uzata por luti. AFGHI. | *mastic.* |
| **Mastodon'o** (Rh.) | V. **mastodonto**. | *mastodonte.* |
| **Mastodont'o** | grandega pramamulo (*mastodon*). AFGHIR. | *mastodonte.* |
| **Mastojd'a** (Rh.) | (anat.) pri eminanco mametforma, ĉe la tempiosto. | *mastoïde.* |
| **MASTR'O** | reganto, ordonanto, precipe en domo ; — **ino, aĵo, umi** ; **dom, kastel, sub'mastro** ; **gemastroj**. AFHI. | *maître de maison.* |
| **Masturb'i** (Rh.) | (med.) naski seksan volupton ekster seksa kuniĝo. | *masturber.* |
| **MAŜ'O** | kruciĝo de fadenoj en teksaĵo ; — **maŝkiraso** ; | *nœud coulant, maille de tissu.* |

| | | |
|---|---|---|
| | **fermaŝa kuto**; **enmaŝigi**; **maŝokuliso**. AG. | |
| **MAŜIN'O** | aparato kombinita por transsendi kaj utiligi forton; — **aro**, **isto**. AFGHIR. | *machine.* |
| **Maŝinerio**(V.P.) | mekanismo, maŝinaro. | *machinerie.* |
| **MAT'O** | fibrotapiŝo, bastoplektaĵo; — **umi**; **matkovri**. AFG. Oni trovas en V. P. **ŝakmato**. | *natte, paillasson.* |
| **Matador'o** | (voj.) hispana mortiganto de virbovoj. AFGHIR. | *matador.* |
| **MATEMATIK'O** | scienco pri kvantoj, nombroj, spaco, k. t. p.; — **aĵo**, **eco**, **isto**. AFGHIR. | *mathématique.* |
| **MATEN'O** | unua parto de la tago; **frumatene**; **maten'krespuko**, **ruĝo**. FHI. | *matin.* |
| **MATERI'O** | ĉiu afero okupanta spacon, kiun oni poras tuŝi, vidi, k. t. p., ŝtofo de la korpoj. AFGHIR. | *matière.* |
| **MATERIAL'O** | aro da aferoj per kiuj oni povas ion elfari; — **eco**, **isto**. | *matériel.* |
| **Materialism'o** | (fil.) doktrino laŭ kiu la materio estas la principo de ĉio. | *matérialisme.* |
| **Matez'o** (Rh.) | malnova nomo por scienco entute konsiderata. | *science en général.* |
| **Matiol'o** (V.) | (bot.) levkojo, speco de kruciferoj (*mathiola*). | *violier des jardins.* |
| **Matolen'o** | (bot.) kemiaĵo uzata en fotografado. | *mattolain.* |
| **MATRAC'O** | litkusenego; — **isto**; **paĵla**, **risort'matraco**. AFGIR. | *matelas.* |
| **Matric'o** | (tekn.) modelilo por fari monerojn, gravuraĵojn, presaĵojn, k. t. p. AFGHIR. | *matrice.* |
| **Matrikul'o** | registrolibro, listo, por enskribi nomojn de societanoj; — **igi**, **iĝi**; **enmatrikuligi**. AFGHIR. | *matricule.* |
| **MATRON'O** (V.) | V. **matronino**. | *matrone.* |
| **MATRONIN'O** (Z.) | respektinda grandaĝa sinjorino. AFGHIR. | *matrone.* |
| **MATUR'A** | plenkreska, plenaĝa; — **eco**, **ulo**, **igi**, **iĝi**; **ne**, **fru**, **tro'matura**; **akceli la maturiĝon**. AFHIR. | *mûr.* |
| **Maŭr'o** | popolano de nordafrika lando; — **ino**, **eca**. AFGHIR. | *maure.* |
| **MAŬZOLE'O** | luksa tombujo. AFGHIR. | *mausolée.* |
| **Mazovi'o** (V. P.) | Pola regiono, ĉirkaŭ Varsovio. | *Masovie.* |
| **Mazur'o** (V.P.) | Mazoviano. | *Mazoure.* |
| **MAZURK'O** | (muz.) speco de danco. | *mazurka.* |
| **Meat'o** (Df.) | (anat.) organa trairejo. | *méat.* |
| **MEBL'O** | ĉiu movebla objekto, kiu servas por la uzado kaj ornamado en ĉambraro; — **aro**, **isto**; **meblo'faristo**, **tego**; **senmebligi**. AFGHIR. | *meuble.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Mecenat'o** (K). | riĉa protektanto de artistoj, poetoj, k. t. p. | *mécène.* |
| **MEĈ'O** | fadenaro preparita por bruli en kandeloj, lampoj, k. t. p. ; — **aĵo, ujo**. FH. | *mèche.* |
| **MEDAL'O** | peco de metalo stampita kiel memorigilo de granda faro, granda homo, k. t. p. ; — **ujo, aro, isto** ; **medalgajninto**. AFGHIR. | *médaille.* |
| **MEDALION'O** | juvelo en kiu oni metas portreton, harojn, k. t. p. AFGHIR, | *médaillon.* |
| **MEDI'O** | (sc.) ĉirkaŭa loko, en kiu okazas fenomeno, kreskas vivaĵo, k. t. p. ; — **eco** ; **ĉirkaŭa, rifrakta'medio**. AHI. | *milieu.* |
| **Mediaci'o**(Rh.) | pero, interveno, interhelpo, interagado (pri armeoj, ŝtatoj, k. t. p. ; — **ado, anto**. AFHI | *médiation.* |
| **MEDICIN'O** | scienco pri sano kaj malsano ; — **isto**. AFGHI. | *médecine.* |
| **Medikag'o** (V.) | (bot.) speco de fabacoj (*medicago sativa*). | *luzerne.* |
| **MEDIKAMEN-T'O** | kuracilo. FGHIR. | *médicament.* |
| **MEDIT'I** | atente, serioze pripensi ; enpensiĝi ; — **ado, ema** ; **antaŭ, zorge' mediti**. AFGHI. | *méditer.* |
| **Mediterane'o** (Df.) | (geogr.) intertera maro, mezmaro. | *méditerranée.* |
| **MEDIUM'O** | (ok.) persono per kiu okazas psikaj fenomenoj ; — **eco**. AFGHIR. | *médium.* |
| **MEDOLO** | (anat. bot.) interna, mola parto en ostoj, trunkoj, trunketoj, k. t. p. FHI. | *moëlle.* |
| **Meduz'o** | (zool.) speco de zoofitoj. AFHIR. | *méduse.* |
| **Mefi'to** | (zool.) speco de mamulo mustelsimila (*mephitis*). AFGHI. | *moufette,* |
| **Megalit'o** | (arkeol) prakonstruaĵo el grandegaj ŝtonoj. | *mégalithe.* |
| **Megalop'o** (V.) | (entom.) speco de koleopteroj (*megalopus*) ; ankaŭ specoj de fiŝoj kaj de krustuloj. | *mégalope.* |
| **Megalosaŭr'o** | (pal.) speco de pralacertego (*megalosaurus*). | *mégalosaure.* |
| **MEGER'O** (Z.) | virino simila al Furio. FGI. | *mégère.* |
| **MEGERIN'O** | V. **megero**. | *mégère.* |
| **Megom'o** (Rh.) | (elekt.) unuo de elektra rezisteco egalvaloranta milionon da omoj ; l. v. granda omo. | *mégohm.* |
| **MEKANIK'O** | scienco kaj arto pri movo, ekvilibro kaj maŝinoj ; — **isto**. AFGHIR. | *mécanique.* |
| **MEKANISM'O** | maŝinaro. AFGHIR. | *mécanisme.* |
| **MEJL'O** | mezurero de longeco ; — **kub, mar'mejlo**. AF GHIR. | *mille.* |
| **MEL'O** | (zool.) speco de mamulo viandomanĝa (*meles*). L. | *blaireau.* |
| **Melampiro**(V.) | (bot.) lupvosto, speco de skrofulariacoj (*melampyrum*). | *melampyre.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MELANKO-LI'O** | ekstrema malgajeco ; — **eta**, **ema**. AFGHIR. | *mélancolie.* |
| **MELAS'O** | sukerrestaĵo ; mielsiropo ? AFGHI. | *mélasse.* |
| **Melasom'oj** (V.) | (entom.) speco de koleopteroj nigrokorpaj. | *melasomes.* |
| **MELEAGR'O** | speco de kokbirdo, hinda koko, (*meleagris gallopavo*) ; — **ino**, **ido**, **ejo**. L. | *dindon.* |
| **Melilot'o** (V.) | (bot.) speco de fabacoj (*melilotus*). | *mélilot, trèfle musqué.* |
| **MELINIT'O** | (kem.) eksploda substanco uzata en minarto. AFGHIR. | *mélinite.* |
| **MELIS'O** (V.) | (bot.) speco de lamiacoj (*melissa*). FGHIR. | *mélisse.* |
| **MELK'I** | detiri lakton de bovino, kaprino, k. t. p. ; — **ebla**, **istino**. AG. | *traire.* |
| **Melit'o** (V. P.) | (bot.) speco de lamiacoj (*melittis*). | *mélitte.* |
| **MELODI'O** | (muz.) arto verki arion ; ariaĵo ; — **eco**, **isto** ; **senmelodia**. AFGHIR. | *mélodie.* |
| **MELODRAM'O** | popola dramo. AFGHIR. | *mélodrame.* |
| **MELON'O** | speco de kukurbacoj ; — **ejo** ; **melon'vendisto**, **plantejo** ; **akvomelono**. AFGI. | *melon.* |
| **Melongen'o** | (bot.) speco de solanaco manĝebla (*solanum melongena*). | *aubergine.* |
| **MELOPE'O** | deklamaĵo kun muzikaj modulacioj. AFGHIR. | *mélopée.* |
| **Meloplast'o** | (muz.) speco de tabulo uzata por instrui la muzikan kanton. | *méloplaste.* |
| **MEM** | adverbo kiun oni aldonas al pronomo por fortigi ĝian secon ; — **mi mem** ; **memlerninta**, **memstara** (t. e. lerninta per si mem, staranta per si mem). F. | *même.* |
| **MEMBR'O** | difinita parto de korpo, societo, k. t. p. ; — **eco**, **aro** ; **dikmembra** ; **de**, **sen' membrigi**. AFHI. | *membre.* |
| **MEMBRAN'O** | maldika kaj plata karnŝtofo kiu envolvas, tegas organon ; — **eto**, **eca** ; **forma**, **hava** ; **mukmembrano**. AFGHI. | *membrane.* |
| **MEMOR'I** | revenigi ion en la penson, malforgesi ; — **aĵo**, **ebla**, **inda**, **igi**, **iĝi** ; **rememori** ; **memor' Diservo**, **libro**, **manko**, **monumento**, **skribaĵoj** ; **antaŭmemora**. AFHIR. | *se souvenir.* |
| **Memorial'o** (V. P.) | memorlibro. | *mémorial.* |
| **Menaĝeri'o** (V. P.) | bestejo. | *ménagerie.* |
| **MENCI'O** | honora cito, subpremio (en konkurso). AFHI. | *mention.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MEND'I** | ordoni al komercisto, ke li rezervu aŭ sendu ian vendaĵon ; — **anto, ilo** ; **kontraŭmendi.** | *faire une commande.* |
| **MENESTRAL'O** | muzikisto, bardo, kantisto. AFGHIR. | *ménestrel.* |
| **Menhir'o** | megalita monumento el unu ŝtonego. AFGHIR. | *menhir.* |
| **Meniant'o** (V.) | (bot.) speco de gencianaco, marĉtrifolio (*menyanthes*). | *ményanthe, trèfle d'eau.* |
| **Mening'o** | (anat.) cerba tegmembrano. AFHI. | *méninge.* |
| **Meningit'o** | (med.) brulumo de meningo. AFHI. | *méningite.* |
| **Menisk'o** | (fiz.) surfaco krescentforma. AFGHIR. | *ménisque.* |
| **MENS'O** | nova vorto, enkondukita, ŝajnas, sen vera bezono, por signifi spirito ; — **eco** ; **menso sana.** | *esprit.* |
| **MENSOG'I** | diri intence malveraĵon, falsi la veron ; — **adi, aĵo, eco, anto, eto, ulo, ema.** FHI. | *mentir.* |
| **Menstruaci'o** | (med.) monataĵo. AFGHIR. | *menstruation.* |
| **MENT'O** | (bot.) speco de lamiacoj bonodora (*mentha*). Oni trovas ankaŭ **mento** kun la senco de **menso** kaj **mentalo.** | *menthe.* |
| **Mental'o** | (fil.) la spirito, filozofie konsiderata rilate al la korpo ; — **eco.** | *mentalité.* |
| **MENTON'O** | parto de la vizaĝo sub buŝo ; submentona karno ; — **mentonumo** (Df.). FI. | *menton.* |
| **MENTOR'O** | gvidisto, konsilisto de junulo. AFGHIR. | *mentor.* |
| **MENU'O** | manĝokarto. | *menu.* |
| **Menur'o** (V.) | (ornit.) speco de oceania birdo, lirbirdo (*menurus lyra*). | *ménure-lyre.* |
| **MERCER'O** | kudraĵaro, fadenkomerco ; — **isto, butiko.** AF. | *mercerie.* |
| **MERGI** (V.) | subakvigi ; — **ado, aĵo, anto, ebla, iĝi** ; **el, en, sub'mergi** (**elmergi**, kredeble pro eraro, estas montrita kiel ne transitiva). | *plonger.* |
| **MERG'O** (V.) | (ornit.) speco de palmipedo ansersimila (*mergus*). | *harle.* |
| **Meridian'o** | (astr.) granda idea cirklo, kiu dividas la terglobon en du hemisferoj orienta kaj okcidenta ; **meridiana alteco, limo, teleskopo unua meridiano.** AFGHIR. | *méridien.* |
| **Merin'o** (V.) | V. **merinoso.** | *mérinos.* |
| **Meringel'o** | speco de kuketo el ovblanko kaj sukero. AFGHI. | *meringue.* |
| **Merinos'o** (Rh. Df.) | speco de ŝafo kaj de lano. AFGHIR. | *mérinos.* |
| **MERIT'I** | esti inda ricevi, gajni ion ; — **anta, ega, ulo** ; **meritplena.** AFHI. | *mériter.* |
| **MERIZ'O** | (bot.) speco de ĉerizo (*cerasus avium*) ; — **arbo, ujo.** AF. | *merise.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MERKRED'O** | tria tago de la semajno. FHI. | *mercredi.* |
| **MERKUR'O**(V.) | (mit.) Dio de la Grekoj kaj Romanoj (*Mercurius, Hermès*). AFGHIR. | *Mercure.* |
| **Merkurial'o** (V.) | (bot). spece de eŭforbiacoj (*mercurialis*). | *mercuriale.* |
| **MERL'O** | (ornit.) speco de paserbirdo (*turdus merula*). FHI. | *merle.* |
| **Merlang'o** | (ikt.) speco de marfiŝo (*gadus merlangus*). FGR. | *merlan.* |
| **Merlen'o** (M. T.) | (mar.) ŝipŝnuro konsistanta el du ŝnureroj kune kunŝnurigitaj. AFGHI. | *merlin.* |
| **Merluĉ'o** | (ikt.) speco de marfiŝo (*gadus merlucius*). FHIR. | *merluche.* |
| **Meruli'o** ★ | (bot.) speco de poliporacoj, larmofungo (*merulius lacrymans*). | *mérule.* |
| **MES'O** | kristana ceremonio ; **mes'kapelo, libro, ornamo, vesto; matena meso, fari meson, meso por mortintoj**. AFGHIR. | *messe.* |
| **MESENTER'O** (Rh. Df.) | (anat.) V. **mezentero**. | *mesentère.* |
| **MESI'O** | sanktoleito, atendita de la Hebreoj, Kristo. AFGHIR. | *messie.* |
| **Mesmervid'o** | magnetiza klarvideco (Mesmer'vido) ; — **ulo**. | *clairvoyance.* |
| **MESPIL'O** | (bot.) frukto de mespilujo (*mespilus*). GI. | *nèfle.* |
| **MESTIZ'O** | homo naskita el gepatroj diversrasaj kiel ekzemple blankulo kaj nigrulo ; vorto uzata ankaŭ pri bestoj ; — **ado, igo**. AFGHIR. | *métis.* |
| **MET'I** | fari ke iu aŭ io estu ie ; — **ado, ilo** ; **al, antaŭ, apud, de, dis, for, el, en, inter, kun, kontraŭ, re, sub, sur, super, tra, trans' meti**. FI. | *mettre.* |
| **Metacentr'o** | (mar.) intersekco de la vertikalo kiu pasas tra la pezacentro de ŝipo kun la rezultanto de la lateraj premoj de akvo. AFGHIR. | *métacentre.* |
| **Metafizik'o** | (fil.) scienco de la unuaj principoj ; — **isto**. AFGHIR. | *métaphysique.* |
| **METAFOR'O** | (ret.) vorta figuraĵo per kiu oni komparas du aferojn pli malpli diferencajn ; **senmetafore**. AFGHIR. | *métaphore.* |
| **Metacarpe'o** | (anat.) parto de la mano inter la fingroj kaj la manradiko. AFHI. | *métacarpe.* |
| **METAL'O** | korpo simpla maldiafana, multpeza, brila, kiel fero, kupro, oro, k. t. p. ; — **igi. igi** ; **metal' faristo, glaso, kaliko, komercaĵo, miksaĵo, vergo**. AFGHIR. | *métal.* |
| **METALOID'O** | V. **metalojd'o**. | *métalloïde.* |

| | | |
|---|---|---|
| **METALOJD'O** (Rh. Df.) | korpo simpla kiu prezentas proprecojn kontraŭajn al tiuj de metalo; kiel oksigeno, azoto, karbono, k. t. p. AFGHIR. | *métalloïde.* |
| **METALURGI'O** | metallaborado; — **isto**. AFGHIR. | *métallurgie.* |
| **Metamer'a** (V.) | (kem.) vorto uzata en kemio pri korpoj izomeraj, formitaj per asocio de pluraj komponaĵoj identaj aŭ malidentaj. | *métamère.* |
| **Metamorfism'o** | (geol.) formŝanĝo en la teraĵoj produktitaj per la agado de l'fajro. | *métamorphisme.* |
| **METAMORFOZ'O** | aliformigo; — **ita**. AFGHIR. | *métamorphose.* |
| **Metaplasm'o** | (gram.) ŝanĝo en vorto pro aldono aŭ forigo de litero aŭ silabo. AFGHIR. | *métaplasme.* |
| **Metastas'o** | (med.) translokiĝo de loka malsano. AFGH IR. | *métastase.* |
| **Metatars'o** | parto de la piedo inter la tarso kaj la fingroj. AFGHIR. | *métatarse.* |
| **METEMPSIKOZ'O** | (fil.) transmigro de animo de unu estaĵo en alian. AFGHIR. | *métempsychose.* |
| **METEOR'O** | ĉiu atmosfera fenomeno, kiel fulmo, ĉielarko, pluvo, neĝo, k. t. p. AFGHIR. | *météore.* |
| **Meteorit'o** | alia nomo por aerolito. AFGHIR. | *météorite.* |
| **Meteorograf'o** (Rh.) | meteorografiisto. | *météorographe.* |
| **Meteorografi'o** | priskribo de la meteoroj. AFGHIR. | *météorographie.* |
| **Meteorolog'o** (Rh. Df.) | meteorologiisto. | *météorologiste.* |
| **Meteorologi'o** (Rh.) | scienco de la meteoroj. AFGHIR. | *météorologie.* |
| **METI'O** | manlabora profesio; — **isto,ejo**; **nemetisto**. FIR. | *métier.* |
| **Metil'o** (V.) | (kem.) radikalo de metilestero. AFGHIR. | *méthyle.* |
| **Metilen'o** | karbido de hidrogeno $C^2H^2$. AFGHIR. | *méthylène.* |
| **METOD'O** | ordo laŭ kiu oni kondukas la pensojn aŭ agojn en scienco, arto, k. t. p.; — **eco, ulo**. AFGHIR. | *méthode.* |
| **Metodism'o** | anglikana sekto fondita de John Wesley. Oni nomas ankaŭ **metodisto** la sekvantojn de tiu sekto. | *méthodisme.* |
| **Metokinon'o** | (bot.) kemiaĵo uzata en fotografado. AFGHIR. | *méthoquinone.* |
| **Metol'o** | (bot.) korpo tirita el lignestero kaj uzata en fotografado. AFGHIR. | *métol.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Metonomazi'o** | (gram.) ŝanĝo de nomo per traduko. | *métonomasie.* |
| **Metonimi'o** | (ret.) vorta figurajo kiu konsistas uzi unu vorton anstataŭ alia, kiel ekzemple Venuso anstataŭ beleco; cent veloj anstataŭ cent ŝipoj. | *métonymie.* |
| **METR'O** | unuo de mezuro de longeco en la franca metra sistemo. AFGHIR. | *mètre.* |
| **METRIK'O** | 1) versfarado; 2) ĉio rilatanta la metran sistemon. AFGHIR. | *métrique.* |
| **Metrologi'o** (Df.) | scienco kaj traktato pri la pezoj kaj mezuroj uzataj ĉe la antikvuloj kaj modernuloj. | *métrologie.* |
| **METRONOM'O** | (muz.) taktilo. AFGHIR. | *métronome.* |
| **METROPOL'O** | ĉefurbo, ĉeflando (rilate al provincoj aŭ kolonioj). AFGHIR. | *métropole.* |
| **METROPO-LIT'O** | ĉefa pastro en la greka eklezio. AFGHIR. | *métropolite.* |
| **MEV'O** | (ornit.) speco de marbirdo (*larus*). FG. | *mouette.* |
| **MEZ'O** | centro de loko ; parto sidanta je egala distanco de du ekstremaĵoj ; — **aĵo, eco, anto** (V) (geom) ; **mezlinio ; land, nokt, tag, somer' mezo ; mez'epoko, nombro, punkto**. I. | *milieu.* |
| **MEZALIAN-C'O** | eziĝo kun persono de malsupera rango. AFGHIR. | *mésalliance.* |
| **Mezembri'o** (V.) | (bot.) speco de kaktaco (*mesembriantemum*) — **acoj**. | *mésembryanthème, ficoïde.* |
| **MENZENTE-R'O** (V.) | (anat.) krispo, faldaro de la peritoneo. | *mésentère.* |
| **Mezokarp'o** (V.) | (bot.) meza parto de frukto, kiun oni manĝas el persiko, abrikoto, ne el amigdalo kaj nukso. | *mésocarpe.* |
| **Mezomorf'a** ? (V.) | (mat.) mezforma ? | *mésomorphe ?* |
| **MEZUR'I** | determini kvanton per komparo al alia kvanto prenita kiel unuo ; — **ado, anto, ebla, isto ; scienco ; al, okul, re'mezuri ; sen, super' mezura**. AFI. | *mesurer.* |
| **MI** | pronomo de la unua persono ununombre ; — **a ; miaflanke**. | *je, moi.* |
| **MI'O** (V.) | (zool.) speco de moluskoj (*mya*). | *mye.* |
| **Miagr'o** (Rh.) | (bot.) speco de krucifero (*myagrum*). | *caméline.* |
| **MIASM'O** | haladzo, malsaniga ĝermo. AFGHIR. | *miasme.* |
| **MIAŬ'I** | katbleki. AFGHIR. | *miauler.* |
| **Miceli'o** (V.) | (bot.) subtera parto de fungo. | *mycelium, blanc de champignon.* |
| **Micen'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*mycena*). | *mycène.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MIEL'O** | dolĉa suko de floroj kolektita de abeloj ; — **eco, ujo ; akvo, kuko, roso, siropo, tavolo ; mielvendisto.** FHI. | *miel.* |
| **MIEN'O** | eksterajo, trajtaro, fizionomio. AFGR. | *mine.* |
| **Migal'o** (V.) | (entom.) speco de araneoj (*mygala*). | *mygale.* |
| **MIGDAL'O** | frukto de migdalujo (*amygdalus*) ; — **aĵo, ujo, acoj ; sukeramigdalo.** L. | *amande.* |
| **MIGR'I** | vojaĝadi, iri tra la mondo ; — **ado, anto, ema, ulo ; el, en, tram' migri.** AFHIR. | *courir le monde.* |
| **Mikologi'o**(Rh.) | (bot.) scienco de la fungoj ;— **isto.** AFGHIR. | *mycologie.* |
| **Mikoz'o** (Rh.) | (kem.) sukero tirita el ergotsekalo. | *mycoze.* |
| **MIKROB'O** | (med.) viva estaĵeto kaŭzo de fermentoj, komunikeblaj malsanoj ; — **senmikrobigi.** AFG HIR. | *microbe.* |
| **Mikrofon'o** | aparato por aŭdebligi plej malfortajn sonojn. | *microphone.* |
| **Mikrofoni'o** | (med.) malforteco de la voĉo. AFGHIR. | *microphonie.* |
| **Mikroglos'o**★ | (bot.) speco de askomiceto (*microglossum*). | *microglosse.* |
| **Mikrografi'o** (V.) | priskribo de mikroskopaj korpoj. AFGHIR. | *micrographie.* |
| **Mi krokosm'o** (Rh.) | nomo donita al la homo (malgranda mondo) pro komparo al la universo (granda mondo). AF GHIR. | *microcosme.* |
| **Mikrologi'o** (Rh.) | traktato pri mikroskopaj korpoj. AFGHIR. | *micrologie.* |
| **Mikrometr'o** (Rh.) | aparato por mezuri plej malgrandajn kvantojn. AFGHIR. | *micromètre.* |
| **Mikron'o** (V.) | unuo de mezuro por plej malgrandaj longoj. AFGHIR. | *micron.* |
| **MIKROSKO-P'O** (Rh.) | grandiga aparato por vidi plej malgrandajn objektojn. AFGHIR. | *microscope.* |
| **MIKROSKO-PI'O** (K.) | V. **mikroskopo.** | *microscope.* |
| **Mikrorganis-m'o** | malgrandega organismo. | *microorganisme.* |
| **MIKS'I** | meti kune diversajn aferojn kaj ilin konfuzi ; — **ado, aĵo, ema, iĝi ; al, inter, kun' miksi ; enmiksiĝi ; miksamaso ; ĉiomiksulo.** AFI. | *mêler.* |
| **Miksen'o** (V.) | (ikt.) speco de fiŝoj simila al petromizo (*myxine*). | *myxine.* |
| **Miksomicet'o** | (bot.) klaso de fungoj. AFGHIR. | *myxomycète.* |
| **Mikstur'o** (V.P.) | (farmacia) miksaĵo. | *mixture.* |
| **MIL** | nombro, dekoble cent : 1000 ; — **mil'ono, obla ; miljaro.** FHI. | *mil.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MILD'A** | dolĉanima, afabla, malkruela, malsovaĝa ; — **eco**. A. | *doux, amène.* |
| **Mili'o** | (bot.) speco de gramenaco (*milium*). | *millet.* |
| **Miliace'o** (V.) | (bot.) speco de gramenaco (*panicum miliaceum*). | *millet des oiseaux.* |
| **MILIARD'O** | nombro, milmilionoj. AFGHIR. | *milliard.* |
| **MILIC'O** (V.) | V. **milicio**. | *milice.* |
| **MILICI'O** (Rh. Df. V. P.) | civitana armeo ; — **ano, estro**. AFGHIR. | *milice.* |
| **MILIGRAMO** | milono de gramo. AFGHIR. | *milligramme.* |
| **MILIMETRO** | milono de metro. AFGHIR. | *millimètre.* |
| **MILION'O** | miloble mil ; — **ulo**. AFGHIR. | *million.* |
| **MILIT'I** | bataladi (inter popoloj) ; — **aĵo, anto, eco, ema, isto** ; **milit' batalo, ĉevalo, kaptito, krio, pastro, signo, trumpeto** ; **almiliti** ; **kunmilitanto** ; **militiro**. AFGHIR. | *guerroyer, faire la guerre.* |
| **MILV'O** | (ornit.) speco de rabobirdo (*milvus*). FH. | *milan.* |
| **MIMIK'O** | esprimado de sentoj aŭ pensoj per gestoj, gestolingvaĵo ; — **isto**. AFGHIR. | *mimique.* |
| **Mimiofon'o**(Rh.) | l. v. voĉimitilo ; parolanta maŝino sveda. | *mimiophone.* |
| **Mimol'o** (V.) | (bot.) speco de skrofulariacoj (*mimulus*). | *mimule.* |
| **Mimoz'o** | (bot.) speco de fabacoj (*mimosa*). AFGHIR. | *mimosa.* |
| **MIN'O** | tera kavaĵo, en kiu troviĝas metalo, karbo, k. t. p. ; — **aĵo, ejo, isto** ; **sub, en' minigi** ; **karb, or' minejo** ; **minejgaso**. AFGHIR. | *mine.* |
| **MINAC'I** | timigi per vortoj, gestoj, rigardoj ; — **ema, antaŭ' minaci**. AFHI. | *menacer.* |
| **MINARET'O** | (voj.) apudmoskea turo. AFGHIR. | *minaret.* |
| **MINERAL'O** | korpo neorganika kiu troviĝas en la tero aŭ ĉe ĝia supraĵo ; — **igi, umi** ; **akvo, amaso, vejno**. AFGHIR. | *minéral.* |
| **Mineralogi'o** | scienco pri mineraloj ; — **isto**. AFGHIR. | *minéralogie.* |
| **MINI'O** | (kem.) oksido de plumbo kiu servas kiel ruĝa kolorigilo. AFGHIR. | *minium, vermillon.* |
| **MINIATUR'O** | tre malgranda delikata portreto sur metalo, eburo, k. t. p. ; **isto**. AFGHIR. | *miniature.* |
| **Minimal'a** | (geom.) minimuma (surfaco). | *surface minima.* |
| **MINIMUM'O**(V.) | kiel eble plej malgranda parto. AFGHIR. | *minimum.* |
| **MINISTR'O** | plej alta funkciulo en ŝtato ; — **aro, aĵo, ejo, estro** ; **ĉef, sub, ŝtat' ministro**. AFGHIR. | *ministre.* |
| **MINUET'O** | (muz.) speco de danco. AFGHIR. | *menuet.* |
| **Minus'o** | (alg.) vorto aŭ signo (—) por signifi ke oni devas depreni unu kvanton de alia. AFGHIR. | *moins.* |
| **MINUSKL'O** (Rh.) | malgranda litero (en skribaĵo aŭ presaĵo). FHI. | *minuscule.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MINUT'O** | sesdekono de horo. AFGHIR. | *minute.* |
| **Miocen'o** | (geol.) unu el la geologiaj teraĵoj kaj epokoj inter eoceno kaj plioceno. AFGHIR. | *miocène.* |
| **MIOGAL'O** | moskrato (*mus pilorides*). | *rat musqué.* |
| **Mioks'o** (Df.) | speco de mamulo fruktomanĝa (*glis*). | *loir.* |
| **MIOP'A** | kiu havas mallongan vidpovon; — **eco, ulo**. FGHI. | *myope.* |
| **MIOZOT'O** | (bot.) speco de boragacoj, memorfloro (*myosotis*). AFHI. | *myosotis.* |
| **MIR'I** | ekscitiĝi pro ia novaĵo, strangaĵo, senti surprizon; — **igi, ind'a-aĵo; mirrakonto; fari mirindaĵojn**. FHI. | *s'étonner.* |
| **MIRABEL'O** | speco de pruno, precipe uzata por fari konfitaĵon. AFGHIR. | *mirabelle.* |
| **MIRAĜ'O** | (fiz.) optika iluziaĵo en varmlandoj, k. t. p. | *mirage.* |
| **MIRAKL'O** | okazaĵo kiu ŝajnas supernatura; — **isto; miraklofari**. AFGIR. | *miracle.* |
| **MIRH'O** | gumrezino bonodora. AFGHIR. | *mirrhe.* |
| **MIRIAD'O** | dekmilo, granda nombro. AFGIR. | *myriade.* |
| **MIRIAMETR'O** | dekmilmetroj. | *myriamètre.* |
| **Miriapod'o** (V.) | (entom.) klaso de artikuloj. | *mille-pattes.* |
| **MIRIK'O** | (bot.) speco de arboj dikotiledonaj (*myrica*). | *myrica, piment galé.* |
| **Miring'o** | (anat.) oreltimpana membrano. | *tympan.* |
| **Miringit'o**(Rh.) | (med.) brulumo de la miringo. | *myringite.* |
| **Miris'o** (V.) | (bot.) speco de umbelifero (*myrrhis*). | *myrrhis, cerfeuil musque.* |
| **Miristik'o** | (bot.) speco de arboj dukotiledonaj (*myristica*); **miristika kerno, ŝelo.** | *muscadier.* |
| **Mirmekofag'o** | (zool.) speco de mamulo formikmanĝa. I. | *fourmilier.* |
| **Mirmeleon'o** | (enth.) speco de ortopteroj, formikleono. | *fourmilion.* |
| **Mirmoter'o** (V.) | (ornit.) speco de amerikaj paserbirdoj (*mymothera*). | *fourmilier.* |
| **MIRT'O** | speco de arboj dukotiledonaj (**myrtus**); — **acoj, aloj, idoj**. AFGHIR. | *myrte.* |
| **Mirtel'o** | speco de vakcinio (*vaccinium myrtillus*). FI. | *airelle, myrtille.* |
| **Misal'o** | meslibro, altarlibro. AFGHIR. | *missel.* |
| **Misantrop'o** (Df.) | V. **mizantropo.** | *misanthrope.* |
| **MISI'O** | ofico, tasko, rajtigo donita al delegito: — **isto**. AFGHIR. | *mission.* |
| **MISTER'O** | religia sekretaĵo, nekompreneblaĵo. AFGHIR. | *mystère.* |
| **MISTIFIK'i** | amuziĝi pri traa kredemeco, ridige trompi; — **ado, anto, ema**. AFGIR. | *mystifier.* |
| **MISTIK'A** | alegoria, mistera (pri religiaĵoj), misterama; — **ulo, eco**. AFGHIR. | *mystique.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Mistikism'o** | filozofia doktrino laŭ kiu la vero estas konebla nur per kredo kaj sento. | *mysticisme.* |
| **Mistral'o** (Df). | nordokcidenta vento (sub la formo : **mistral-vento**). | *mistral.* |
| **MIT'O** | fablaĵo, legendaĵo ; — **eco, ulo**. AFGHIR. | *mythe.* |
| **MITOLOGI'O** | fabla historio de la anktivaj dioj, duondioj kaj herooj ; — **isto**. AFGHIR. | *mythologie.* |
| **MITR'O** | (ekl.) kapvestaĵo de la episkopoj kaj ankaŭ antikvaj aziaj pastroj. AFGHIR. | *mitre.* |
| **MITRAL'O** (V.) | (milit.) kuglaro, kuglegaro ; — **mitral'skatolo** ; **mitrale pafi**. FHI. | *mitraille.* |
| **Mitrofor'o** ★ | (bot.) speco de morkeloj (*mitrophora*). | *mitrophore.* |
| **Mitrol'o** ★ | (bot.) speco de askomicetoj (*mitrula*). | *mitrule.* |
| **MITUL'O** | (zool.) speco de moluskoj duklapaj manĝeblaj (*mytilus*) ; — **oidoj**. | *moule.* |
| **Mizantrop'o** (V. P.) | homevitulo. | *misanthrope.* |
| **MIZER'O** | granda malfeliĉo, ekstrema malriĉeco ; — **ego, ulo** ; **malmizera; suferi mizeron**. AFHIR. | *misère.* |
| **Mizerikord'o** (V. P.) | kompato, indulgo. | *miséricorde.* |
| **MJEL'O** | (anat.) spina cerbo. GR. | *moelle épinière.* |
| **Mjelit'o** | (met.) inflamo de la mjelo. | *myélite.* |
| **Mnemonik'o** | arto eduki kaj disvolvi la memoron. AFGHIR. | *mnémonique, mnémotechnie.* |
| **MOBILIZ'I** | militirigi armean korpuson, armeon ; — **ado**. AFGHIR. | *mobiliser.* |
| **MOD'O** | ne daŭrema uzo kutimo, kiu dependas de gusto kaj kaprico, precipe pri vestaĵoj ; — **eco, isto, ilo, ulo, iĝi** ; **laŭmode** ; **nova, malnova modo**. — La vorton oni ankaŭ uzas laŭ teknika senco en filozofio kaj gramatiko por signifi, ĉu maniero esti de ia estaĵo aŭ objekto, ĉu cirkonstanco de la verbo, montra, ordona, k. t. p. AFGHIR. | *mode.* |
| **Modal'a** | (fil., gram.) pri propozicioj en kiuj la verbo prezentas apartan modon ; — **eco**. AFGHIR. | *modal.* |
| **MODEL'O** | imitindaĵo ; — **ebla, ilo, isto** ; **nemodelebla**. AFGHIR. | *modèle.* |
| **MODER'A** | mezgranda, mezforta, interekstrema ; — **ado, eco, ilo, igi, iĝi** ; **malmodera**. AFHI. | *modéré.* |
| **MODERN'A** | malantikva, freŝepoka ; — **aĵo, eco, igi**. AFHI. | *moderne.* |
| **MODEST'A** | malfiera, senpretenda ; — **eco** ; **malmodesta**. AFHI. | *modeste.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MODIF'I** | fari ŝanĝojn en io, enŝanĝi ; — **ado, aĵo iĝi**. AFGHIR. | *modifier.* |
| **Modl'i** (V.) | formi el moltero aŭ vakso la modelon de farota skulptaĵo ; — **ado, isto** ; **modlargilo**. AFG HIR. | *modeler.* |
| **Modul'i** | (muz.) pasigi kanton aŭ harmonion tra diversaj tonoj ; — **ado**. AFGHIR. | *moduler.* |
| **Modul'o** | (arkit., mat.) arkitektura unuo de longeco; fiksa kvanto per kiu oni multiplikas logaritmon de unu sistemo por ricevi la respondan logaritmon de alia. AFGHIR. | *module.* |
| **Modulaci'o**(V.) | (muz.) modulaĵo, modulado. AFGHIR. | *modulation.* |
| **Modus'o** (Rh.) | (fiz.) maniero laŭ kiu okazas fenomeno. AFGHIR. | *mode.* |
| **Moer'o**? (V.P.) | V. **muaro**. | *moire.* |
| **MOK'I** | ridindigi, malserioze agi aŭ paroli pri iu aŭ io ; — **ado, aĵo, eco, ema, inda, ulo, eti, egi** ; **moknomo**. AFR. | *se moquer.* |
| **Mok'a** ? (Df.) | speco de kafo el Arabujo. | *moka.* |
| **Mol** | (muz.) unu el la du ĉefaj muzikaj tonoj ; **moltono**. | *mode mineur.* |
| **MOL'A** | facile tuŝebla, premebla ; cedema, senenergia ; — **eta, ega, aĵo, eco, igi, iĝi** ; **malmola** ; **moltero** ; **molanaso** (V. **somaterio**). AFI. | *mou.* |
| **MOLEKUL'O** | maseto, parteto de la materio ; **molekula pezo**. AFGHIR. | *molécule.* |
| **MOLEST'I** (Rh.) | ĝeni, turmenti ; — **ado, ema**. AFHI. | *molester.* |
| **Molibden'o** | metalo argentoŝajna. AFGIR. | *molybdène.* |
| **Molibdop'o** (Rh.) | speco de mineralo (aŭ elemento) malmulte konata. | *molybdope ?* |
| **Molini'o** (V.) | (bot.) speco de gramenacoj (*molinia*). | *molinie.* |
| **Molos'o** ? (Df.) | speco de dika gardhundo, dogo. | *molosse.* |
| **MOLUSK'O** | (zoo.) klaso de senvertebruloj, kiel ekzemple limako, ostro, loligo, k. t. p. AFGHIR. | *mollusque.* |
| **Molv'o** (V.) | (ikt.) speco de gado (*gadus molva*). | *lingue.* |
| **MOMENT'O** | tre mallonga daŭro, tempero ; — **eto** ; **antaŭ, post' momento**. AFGHIR. | *moment, instant.* |
| **Momordik'o** (V) | (bot.) speco de kukurbacoj (*momordica*). | *momordique.* |
| **MON'O** | peco de metalo fandita kaj stampita, kiu servas por interŝanĝo kontraŭ komerĉaĵoj, k. t. p. ; — **aĉo, er'o-eto, ujo** ; **senmonulo** ; **mon'ama, bileto, kesto, letero, papero, skatoleto, ŝanĝisto** ; **monerfabriki, falsigisto, kolekto, scienco** ; **kontanta, poŝ'mono**. AFHI. | *argent monnayé.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Monad'o** | (fil.) nedividebla elemento de la realaĵoj, laŭ Leibnitz ; speco de animaleto, infuzoro. AFG HIR. | *monade.* |
| **Monadologi'o** | (fil.) traktato pri la monadoj. | *monadologie.* |
| **MONAK'O** | religiulo, precipe vivanta aparte de la mondo ; — **ino, eto, aro, eco, ej'o-estro**. AFGHIR. | *moine.* |
| **Monakism'o** (Df.) | monakeco. | *monachisme.* |
| **Monard'o** (V.) | (bot.) speco de nordamerikaj lamiacoj (*monarda*). | *monarde.* |
| **MONARK'O** | regnestro, reĝo. — **aĵo, eco, ejo, isto**. ? (Rh.) | *monarque.* |
| **MONARKI'O** ? (Rh.) | monarkaĵo, monarkejo. | *monarchie.* |
| **MONAT'O** | dekdua parto de la jaro ; — **aĵo** ; **ĉiumonate** ; **lunmonato**. AG. | *mois.* |
| **MOND'O** | universo, kreitaro ; bona, alta societo ; — **ano, eca, ulo, uma**. AFHI. | *monde, univers.* |
| **MONED'O** | (ornit.) speco de korvo (*corvus monedula*). | *choucas.* |
| **Monitor'o** ? (Rh. Df.) | repetitoro, profesorhelpanto. — Eble la vorto estus pli taŭga por signifi ian specon de militŝipo, aŭ ankaŭ de lacertoidoj (*monitor*). | *moniteur.* |
| **Monogam'o** (Rh.) | unuedza kuniĝo ; — **ulo**. AFGHIR. | *monogamie.* |
| **Monograf'o** (Rh.) | unutemaĵo ; — **isto**. AFGHIR. | *monographie.* |
| **Monografi'o** (Df.) | V. **monografo**. | *monographie.* |
| **Monogram'o** | cifero kunmetita el la ĉefaj literoj de unu nomo. AFGHIR. | *monogramme.* |
| **MONOKL'O** | okulvitreto unuokula. AFGHR. | *monocle.* |
| **Monokotiledon'o** (Rh.) | unukotiledona kreskaĵo. | *monocotylédone.* |
| **Monolit'o** | monumento el unu ŝtono. | *monolithe.* |
| **MONOLOG'O** | sceno en kiu persono estas sola kaj parolas kun si mem. AFGHIR. | *monologue.* |
| **Monom'o** (V.) Df.) | (alg.) algebra kvanto kiu enhavas unu termon. AFGHI. | *monôme.* |
| **MONOMANI'O** | unumanio, frenezo pri nur unu objekto ; — **ulo**. | *monomanie.* |
| **Monomi'o** (Rh.) | (alg.) V. **monomo**. Oni trovas ankaŭ **monomjo**. | *monôme.* |
| **MONOPOL'O** | ekskluziva privilegio vendi iaspecajn komercaĵojn ; — **anto, isto**. AFGHIR. | *monopole.* |
| **Monosilaba** ? (Rh.) | (gram.) unusilaba. | *monosyllabe.* |
| **Monoteism'o** | unudiismo. AFGHIR. | *monothéisme.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Monoteist'o** | monoteismano. AFGHIR. | *monothéiste.* |
| **Monoton'a** (V.) | unutona, unuforma. AFGHIR. | *monotone.* |
| **Monotoni'o** (V. P.) | unutoneco, unuformeco. | *monotonie.* |
| **Monsinjor'o** | itala prelato. AFGHIR. | *monsignor.* |
| **MONSTR'O** | besto de kontraŭnatura formo; malbelega estaĵo; kruelegulo; — **aĵo, eco; terurmonstro.** AFGHIR. | *monstre.* |
| **MONT'O** | altega termaso; — **eto, aro, ano; intermonto; ĉeno de montoj; montobastono.** AF HI. | *mont.* |
| **MONTR'I** | vidigi, indiki; — **ado, anto, ema, ilo, isto, iĝi; ek, el, de'montri; hormontrilo; kontraŭmontro** (med.) | *montrer.* |
| **MONUMENT'O** | konstruaĵo farita por memorigi ion; memorigaĵo. AFGHIR. | *monument.* |
| **MOPS'O** | (zool.) speco de hundo diknaza. AFGR. | *carlin, dogue.* |
| **MOR'O** | kutima maniero vivi; — **eco, ulo; bon, malbon'moro; severmora, morscienco.** AF GHIR. | *mœurs.* |
| **MORAL'A** | rilata al bonmoroj, etika; — **aĵo, eco, igi, isto; senmoraleco.** AFGHIR. | *moral.* |
| **Morb'o** (V.) | V. **morvo.** | *morve.* |
| **MORBIL'O** | (med.) komunika febro, kiu atakas precipe infanojn. I. | *rougeole.* |
| **MORD'I** | kapti, ŝiri per dentoj; — **ado, aĵo, eti, egi, ema, ilo; de, dis, en, el, for, ĉirkaŭ' mordi; mordskrapi.** FHI. | *mordre.* |
| **Morel'oj** (Rh.) | kamenstabletoj. | *chenets.* |
| **Moren'o** (V.) | (geol.) ŝtonamaso, ŝtonaro. AFGIR. | *moraine.* |
| **Morfin'o** | medikamento tirita el opio; — **isto.** AFGHIR. | *morphine.* |
| **Morfologi'o** | scienca esploro pri formoj (de bestoj, kreskajoj, k. t. p.) AFGHIR. | *morphologie.* |
| **Morgan'o** | speco de miraĝo, kiu okazas en Italujo. AFGHIR. | *morgane.* |
| **Morganatik'a** | pri edziĝo de altrangulo kun persono de malalta rango. AFGHIR. | *morganatique.* |
| **MORGAŬ** | tuj post hodiaŭ, la venontan tagon; **morgaŭa, postmorgaŭ.** AG. | *demain.* |
| **Morĥel'o** | V. **morkelo.** | *morille.* |
| **Morkel'o** (V.) | (bot.) speco de fungoj askomicetaj (*morchella*). AFGHIR. Oni trovas ankaŭ: **morĉelo.** | *morille.* |
| **Mormon'o** | sektano de amerikana religio. AFGHIR. | *mormon.* |
| **Mormonism'o** | doktrino de la mormonoj. | *mormonisme.* |
| **MORT'I** | lasi, perdi la vivon; — **ado, eco, em'a-ulo** | *mourir.* |

| | | |
|---|---|---|
| | **ig'i-isto, iĝi** ; **mor't kanto, lito, sonorilo, malsano, tuko,** ; **hom, reĝ, patr, frat' mortigo** ; **formorti.** AFHI. | |
| **Mortadel'o** (Df). | speco de itala kolbasego. | *mortadelle.* |
| **MORTER'O** | miksaĵo de kalko, sablo, k. t. p., por kunligi ŝtonojn de konstruaĵo ; — **aĵo.** AFGH. | *mortier.* |
| **Mortiz'o** | (tekn.) truo farita en ligna aŭ metala peco por ricevi pinton de alia peco ; inĉizo, gorĝo. AF. | *mortaise.* |
| **MORU'O** | (ikt.) speco de marfiŝo (*gadus morhua*). F. | *morue.* |
| **MORUS'O** | (bot.) frukto de morusujo, arbo kies foliojn oni uzas por nutri silkraŭpojn ; — **ejo, ujo** ; **arbo** ; **acoj.** | *mûre.* |
| **Morv'o** (Rh.) | speco de ĉevalmalsano ; — **ulo.** FH. | *morve.* |
| **MOSK'O** | odora substanco tirita de speco de kapreolo. AFGHIR. | *musc.* |
| **MOSKE'O** | mahometana preĝejo. AFGHIR. | *mosquée.* |
| **MOSKIT'O** | (entom.) speco de kulo ; **moskitovualo.** AG HR. | *moustique.* |
| **MOST'O** | suko de vinbero ne ankoraŭ fermentita, freŝa vino. AFGHI. | *moût.* |
| **MOŜT'O** | komuna titolo uzata post la propraj titoloj de altranguloj. Ekz. **Via reĝa, episkopa, generala moŝto,** etc. | *excellence, majesté.* |
| **MOT'O** (Rh.) | devizo. AGIR. — Malprave montrita de Df. kun la signifo larvo, tineo. AGIR. | *devise.* |
| **Motacel'o** (V.) | (ornit.) speco de paserbirdo (*motacilla*). | *rubiette, hochequeue.* |
| **Motedo** (de M.) | (muz.) religia muzikaĵo. | *motet.* |
| **Motet'o** (Df.) | V. **motedo.** | *motet.* |
| **MOTIV'O** | kaŭzo de agado, kialo ; — **igi** ; **plendmotivo.** AFGHIR. | *motif.* |
| **MOTOCIKL(E-T)'O** (Df.) | bicikleto kiu moviĝas per petrolesenco. AFG HIR. | *motocyclette.* |
| **MOTOR'O** | movilo ; **elektro, petrol' motoro** ; **motorciklo.** AFGHIR. | *moteur.* |
| **MOV'I** | fari ke io ŝanĝu sian lokon ; puŝi, ĵeti, ŝovi, k. t. p. : — **ado, aĵo, anto, eco, ebla, ema, ilo, igi, iĝi** ; **mem, sen' mova** ; **al, el, dis, for, re, trans' movi** ; **facilmova** ; **propramove.** AFHI. | *mouvoir.* |
| **MOZAIK'O** | desegnaĵo farita el diverskoloraj ŝtonetoj por ornami murojn, pavimojn, k. t. p. ; — **aĵo, isto.** AFGHIR. | *mosaïque.* |
| **MUAR'O** (V.) | ondolinia, ondobrila ŝtofo ; **muarita.** FGHIR. | *moire.* |
| **MUCID'A** | malseketa, ŝviteta, ŝima ; — **eco.** I. | *moite.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Mucilag'o** | plantŝlimo, glua suko de kreskajoj; — **eca.** AFHIR. | *mucilage.* |
| **MUEL'I** | piŝti grenon, hordeon, k. t. p. por elfari farunon; — **ado, aĵo, ejo, ilo, isto**; **muel'ŝtono, dento**; **akvo, vent' muelilo.** FHIR. | *moudre.* |
| **Muezin'o** (Df.) | (voj.) mahometana preĝanoncisto. | *muezzin.* |
| **MUF'O** | cilindroforma ujo el felo por enmeti manojn dum vintro; mufoforma objekto; mufo de inkandeska lampo. AGR. | *manchon.* |
| **Mufel'o** (V). | blokaro por levi pezaĵojn. | *mouffle.* |
| **Mufen'o** | tekuko. AF. | *muffin.* |
| **Mugel'o** (V.) | (ikt.) speco de marfiŝoj (*mugil*); — **oidoj.** | *muge, mulet.* |
| **MUĜ'I** | bovbleki, blekegi; — **ado.** FHI. | *mugir.* |
| **MUK'O** | viskeca fluaĵo sekreciata de iaj membranoj; — **aĵo, eca**; **muk'membrano, tuniko**; **naz-muko.** AFHI. | *glaire, morve, mucus.* |
| **Mukor'o** ★ | speco de mikroskopaj kriptogamoj (*mucor*); — **acoj** (V.) | *mucor, moisissure.* |
| **Mukoz'o** (V.) | (anat.) mukmembrano. | *muqueuse.* |
| **MUL'O** | ido de ĉevalo kaj azenino aŭ de azeno kaj ĉevalino; — **ino, isto, ejo, aro**; **mul'zorgisto**; **ŝarĝomulo.** AFGHIR. | *mulet, bardeau.* |
| **Mulat'o** ? (Df.) | mestizo de blankulo kaj nigrulo. | *mulâtre.* |
| **Muld'i** | fandi per modelilo; — **aĵo, isto, ujo.** AFHI. | *mouler.* |
| **MULT'A** | grandakvanta, grandanombra; — **eco, ego, igi, iĝi**; **obl'igi-iĝi**; **pli, malpli'multe**; **la plejmulto.** AFHI. | *nombreux.* |
| **Multiplik'i** | (mat.) multobligi unu nombron per alia. AFGHIR. | *multiplier.* |
| **Muzulman'o** (V. P.) | mahometano. | *musulman.* |
| **MUMI'O** | kadavro ŝmirita kaj de longe konservita; — **igi.** AFGHIR. | *momie.* |
| **Munici'o** | (milit.) provizaĵo de armiloj por armeo, precipe kugloj, pulvo, k. t. p.; — **ejo.** AFGHIR. | *munition.* |
| **MUNT'I** | starigi, instali maŝinon; — **aĵo, isto**; **remunti**; **malmunti.** AFGHIR. | *monter, dresser.* |
| **MUR'O** | masonaĵo uzata por ĉirkaŭi spacon, ĝin dividi, fari la flankojn de domo; — **ego**; **inter, rand, ruin'muro**; **mur'manko, zono**; **enmurigi**; **dispartiga muro.** FHI. | *mur.* |
| **Muren'o** (V.) | (ikt.) speco de fiŝoj (*muraena*). | *murène.* |
| **Muriat'o** (Df.) | (kem.) klorhidrato. | *muriate.* |

| | | |
|---|---|---|
| **MURMUR'I** | brueti kiel fluanta akvo, malforta vento, k. t. p.; — **eti**, **egi**, **ema**. AFGHI. | *murmurer.* |
| **Murz'o**? (Rh.) | (voj.) tartara princo. | *murza* (mot tartare.) |
| **MUS'O** | (zool.) speco de bestetoj skrapmanĝantaj; **mus'hundo**, **kaptilo**; **kampomuso**. AGR. | *souris.* |
| **Muscipet'o** (V.) | (ornit.) speco de paserbido (*muscipeta*). | *moucherolle.* |
| **Musi'a**? (Rh.) | (bot.) pri ia speco de banano: **banano musia**. | *espèce de banane.* |
| **MUSK'O** | (bot.) speco de kriptogamoj inter filikoj kaj likenoj; — **aloj**. FI. | *mousse.* |
| **MUSKAT'O** | speco de vinbero moskogusta; **muskatvino**. AFGHIR. | *muscat.* |
| **MUSKED'O** | speco de pafilo. AFGHIR. | *mousquet.* |
| **MUSKOL'O** | organo kiu servas por movi la ostojn; — **aro**; **dikmuskolo**; **muskolforto**, **muskola kuntiriĝo**. AFGHIR. | *muscle.* |
| **MUSLIN'O** | speco de tre delikata ŝtofo; **tolmuslino**. | *mousseline.* |
| **Muson'o** (V.) | (meteor.) speco de vento. | *mousson.* |
| **MUSTARD'O** | spicaĵo farita el sinapsemero kaj mosto aŭ vinagro; — **ujo**. AFHI. | *moutarde.* |
| **Mustel'o** | (zool.) speco de mamulo vermforma (*mustela martes*). | *martre.* |
| **MUŜ'O** | (entom.) speco de insektoj duflugilaj, (*musca*); — **eto**, **oidoj**; **muŝ'kaptilo**. FHIR. | *mouche.* |
| **Muŝelkalk'o** (V.) | (geol.) speco de kalka aŭ marna ŝtonego de la triasa teraĵo. | *muschelkalk.* |
| **Muŝikap'o** (V.) | (ornit.) speco de paserbirdo (*muscicapa*). | *gobe-mouches.* |
| **MUT'A** | senparola, nekapabla paroli; — **eco**, **ulo**, **igi**, **iĝi**; **surdmutulo**. FHI. | *muet.* |
| **MUTUALIS-M'O** | doktrino laŭ kiu societanoj devas sin helpi reciproke. HFHI. | *mutualisme.* |
| **MUZ'O** | diino kiu inspiras la poetojn. AFGHIR. | *muse.* |
| **MUZE'O** | loko en kiu oni kolektas vidindaĵojn; **geologia**, **zoologia**, **pentraĵa muzeo**. En (Df.) oni trovas ankaŭ **muzeumo**, eble por signifi nur scienca muzeo. | *musée.* |
| **MUZIK'I** | naski agrablajn artajn sonojn per instrumentoj; — **anto**, **ema**, **isto**, **ilo**; **muzik' verkisto**, **komponisto**. AFGHIR. | *faire de la musique.* |

# N

| | | |
|---|---|---|
| **N** | deknaŭa litero de la esperanta alfabeto. | *N.* |
| **N** | finiĝo de la pronomoj, nomoj kaj adjektivoj kiam ili estas rektaj komplementoj de verboj aŭ kiam ilin kunigas al la verbo ia neesprimata, nur subkomprenata prepozicio. Ekz : **mi aŭdas vin** ; **la suno varmigas la teron** : **elektu la pli dikan el tiuj du pomoj** ; **obeu vian patron** (anstataŭ **al via patro)** ; k. t. p. | *marque du complément direct ou d'une préposition sous-entendue.* |
| **Nababo** (V. P.) | (voj.) hinda princo, riĉegulo. | *nabab.* |
| **NACI'O** | samlandanaro, samregnanaro, popolo ; — **eco** ; **internacia**. AFGHIR. | *nation.* |
| **Nadir'o** | punkto kontraŭa al zenito. AFGHIR. | *nadir.* |
| **Nadl'o** | vergeto kudrilforma en kompaso, horloĝo, fulmŝirmilo, k. t. p. AG. | *aiguille.* |
| **NAFT'O** | fluaĵa bitumo el distilita petrolo. AFGHIR. | *naphte.* |
| **Naftalin'o** | (kem.) substanco tirita el terkarba gudro. AFG HIR. | *naphtaline.* |
| **Naftol'o** | (kem.) speco de fenolo tirita el naftalino. AFG HIR. | *naphtol.* |
| **NAĜ'I** | sin teni kaj moviĝi sur akvo aŭ en akvo kiel fiŝoj, surflosi ; — **ado, eco, ejo. ema, igi, anto, ilo** ; **naĝo'lerta, intruisto. signo** ; **al, for' naĝi**. AFHI. | *nager.* |
| **NAIV'A** | simplanima, senartifika ; — **aĵo, eco. ega, ulo**. FGR. | *naïf.* |
| **NAJAD'O** | (mit.) nimfo de fontoj kaj riveroj. AFGHIR. | *naïade.* |
| **NAJBAR'O** | loĝanto, sidanto proksime de iu aŭ io ; — **aĵo, eco**. AG. | *voisin.* |
| **NAJL'O** | ferpeco kun pinto kaj kapo uzata por fiksi ian aferon, ornami, k. t. p., objekto najlforma ; — **aro, eto, ego, ita** ; **ĉirkaŭ, ligne' najli** ; **lipnajlo** ; **najlborileto**. AG. | *clou.* |

| | | |
|---|---|---|
| **NAJTINGAL'O** | (ornit.) speco de paserbirdo belkanta (*luscinia*). AG. | *rossignol.* |
| **Nakrit'o** ?(V.I.) | talko brilanta kiel perlamoto. | *nacrite.* |
| **Nan'a** (V.) | de malgrandega kresko; — **eco**. FHI. | *nain.* |
| **NANKEN'O** | flava kotonaĵo fabrikita en la ĥina urbo Nankeno. AFGHIR. | *nankin.* |
| **NAP'O** | (bot.) speco de brasiko (*brassica napus*); — **aĵo**; **plantejo, semo, supo, vendisto**. FHI. | *navet.* |
| **NARCIS'O** | (bot.) speco de amarilisacoj (*narcissus*).AFGHIR. | *narcisse.* |
| **Nard'o** (V. I.) | (bot.) odora rizomo de valeriano, parfumo. | *nard.* |
| **Nargile'o** (V.) | (voj.) turka pipo kun longa tubo. | *narghileh.* |
| **NARKOT'O** | (med.) speco de dormo nenatura naskita de iaj drogoj; — **ilo**. AFGHIR. | *narcose.* |
| **Narkotik'o** | (med.) narkotilo, dormigilo. AFGHIR. | *narcotique.* |
| **Nartek'o** (Rh.) | (bot). marĉasfodelo, speco de liliacoj (*narthecia ossifraga*); (aŭ eble *ferula ?*) | *narthécie.* |
| **NARVAL'O** | (zool.) speco de ketacoj (*monodon*). AFGHI. | *narval.* |
| **NAS'O** | korbkaptilo. AFH. | *nasse.* |
| **NASK'I** | estigi, produkti. generi; — **ado, aĵo, eco, iĝi, int'o-ino**; **nov' kune' naskita**; **nask' dato, datreveno, festo, tago, rajto**; **renaskiĝo**; **egalnaska**; **antaŭ, dua' naskito**; **Kristnasko**. FHI. | *faire naître, produire.* |
| **Natr'o** | (kem.) karbonato de sodo. AFGHIR. | *natron.* |
| **Natri'o** | (kem.) alia nomo de sodiumo; **natria klorido**. | *natrium.* |
| **NATUR'O** | konsisto, karaktero, esenco; kreitaro; — **aĵo. eco, igi, isto**; **malnatura**; **naturscienco, historio**; **sam, super' natura**. AFGHIR. | *nature.* |
| **Naturism'o** | (fil.) alia nomo por **naturalismo**. | *naturisme.* |
| **Naturalism'o** | (fil.) doktrino laŭ kiu la naturo estas la principo de ĉio kaj devas esti modelo kaj fino de ĉiu homa agado. AFGHIR. | *naturalisme.* |
| **Naturalist'o** | naturesploranto, naturisto. AFGHIR. | *naturaliste.* |
| **Naturaliz'i** ? (Df.) | nacianigi. | *naturaliser.* |
| **NAŬ** | nombro, ok kaj unu; 9; — **a, e, o, ono, deknaŭ, naŭdek**. | *neuf.* |
| **Naŭkori'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*naucoria*). | *naucorie.* |
| **Naŭtil'o** (V.) | (zool.) speco de moluskoj kefalopodoj (*nautilus*). | *nautile.* |
| **NAŬZ'I** | naski vomemon, malplaĉi; — **ema**; **naŭzpremo**; **senti naŭzon**. AFHI. | *dégoûter, donner des nausées.* |
| **NAV'O** | parto de preĝejo de la pordego ĝis la ĥorejo. AFHI. | *nef d'église.* |

| | | |
|---|---|---|
| **NAVIG'I** | marveturi, ŝipiri; — **ado**, **ebla**. AFGHIR. | *naviguer.* |
| **Navigaci'o** ? | marveturo, ŝipirado, navig'o-ado; — **isto**, **arto**. AFGHIR. | *navigation.* |
| **NAZ'O** | elstaranta parto de la vizaĝo inter okuloj kaj buŝo; — **eto**, **ego**, **umo** (speco de okulvitro); **naz' osto**, **truo**, **tuko**, **kataro**, **soni**, **elparoli**; **purigi la nazon**; **diknazulo**. AFGHIR. | *nez.* |
| **Nazu'o** (V.) | (zool.) speco de amerika mamulo (*nasua*). | *coati.* |
| **NE** | adverbo por signifi rifuzon, malkonsenton, malaprobon, k. t. p. Ĝi estas kontraŭa al **jes**; — **ne'i**, **ado**, **aĵo**, **ebl'a-eco**; **ne vere**; **tute ne**; **se ne**; **ne tute**. AFGHIR. | *non, ne pas.* |
| **NEBUL'O** | densigita vaporo kiu kovras teron, maron, k.t.p. precipe dum vintro; — **aĵo**, **eco**, **eto**, **ego**, **igi**; **ennebuligi**; **sennebula**. FGHI. | *brouillard.* |
| **Nebuloz'o** (V.) | (ast.) nebulastro. AFGHI. | *nébuleuse.* |
| **NECES'A** | kiu nepre devas esti, nepre bezonata; — **aĵo**, **eco**, **ejo**, **ujo**, **igi**, **iĝi**. AFHI. | *nécessaire.* |
| **Nefrit'o** | (med.) inflamo de la renoj; — **ulo**. AFGHIR. | *néphrite.* |
| **Negaci'o** (Z.) | neigo, nuligo. AFGHIR. | *négation.* |
| **Negativ'a** | (sc.) malpozitiva. AFGHIR. | *négatif.* |
| **NEGLIĜ'O** | senzorga matena vestaĵo; hejma vestaĵo (oni uzis ankaŭ la radikon kun verba senco *malzorgi*); — **ema**, **ul'o-ino**. AFHI. | *négligé.* |
| **NEGOC'I** | trakti aferon; zorgi, klopodi pri afero (komerca aŭ politika); — **ado**, **anto**, **eto**, **ebla**, **isto**, **aro**; **fari negocojn**; **ne' negocebla**. AF HIR. | *négocier.* |
| **NEGR'O** | afrika nigrulo. AFGHIR. | *nègre.* |
| **Neguso** (V. I.) | (voj.) reĝo de Abisenujo. | *négus.* |
| **NEĜ'O** | glaciigita pluvo; — **ero**, **ado**; **blovado**, **vento**. FHI. | *neige.* |
| **NEK** | konjunkcio, kaj ne, ankaŭ ne. FHIR. | *ni.* |
| **Nekrografi'o** (Rh.) | priesploro, priskribo de senvivaj korpoj; — **isto**. AFGHIR. | *nécrographie.* |
| **Nekrolog'o** | registrolibro, sur kiu oni enskribas nomojn de mortintoj.AFGHIR. | *nécrologue.* |
| **Nekrologi'o** | verko por memorigi mortintojn. AFGHIR. | *nécrologie.* |
| **Nekropol'o** | tombarejo, morturbo. AFGHIR. | *nécropole.* |
| **Nekropsi'o** (V.) | esplora dissekco de kadavro tuj post morto. | *nécropsie.* |
| **NEKTAR'O** | dia trinkaĵo, ĉiu bongustega trinkaĵo; — **eca**, **gusta**. AFGHIR. | *nectar.* |
| **Nemes'o** (Rh.) | diino de la venĝo. AFGHIR. | *Némésis.* |

| | | |
|---|---|---|
| **NENI'A** | de neniu speco. | *aucun.* |
| **NENIAL** | por nenia celo, pro nenia kaŭzo. | *pour aucun but.* |
| **NENIAM** | en neniu tempo ; **neniama**. | *jamais.* |
| **NENIE** | en neniu loko. | *nulle part.* |
| **NENIEL** | neniamaniere. | *en aucune façon.* |
| **NENIES** | de neniu. | *de personne.* |
| **NENIO** | nenia afero ; — **aĵo, igi, iĝi ; nenion fari**. | *rien.* |
| **NENIOM** | nenia kvanto da. | *rien de.* |
| **NENIU** | ne eĉ unu. | *personne.* |
| **Nenufar'o** ? (Df.) | (bot.) speco de dukotiledonoj, akvolilio (*nymphea*). AFHI. (La vorto ŝajnas senutila.) | *nénuphar.* |
| **Neofit'o** | freŝvarbito, ĵuskonvertito. AFHI. | *néophyte.* |
| **Neogocen'o** (V.) | (geol.) geologia etaĝo de la tria epoko. | *néogocène.* |
| **Neokomi'a** (V.) | (geol.) pri terajo kreteca de la dua epoko. | *néocomien.* |
| **Neolit'a** | (geol.) pri la plej nova tempo en la ŝtonepoko. | *néolithique.* |
| **NEOLOGISM'O** | nova, ne ankoraŭ komune uzata esprimaĵo. AFGHIR. | *néologisme.* |
| **Neon'o** (Rh.) | (kem.) unu el la gasoj nove eltrovitaj en la aero. | *néon.* |
| **NEP'O** | prafilo, filo de filo ; — **ino, aĵo, eco ; ge, pra' nepoj**. FI. | *petit-fils.* |
| **Nepeto** (V. I.) | (bot.) speco de lamiacoj. (*nepeta cataria.*) | *cataire.* |
| **Nepentezo** (V. I.) | (bot.) speco de aristolokiacoj. (*nepenthes*). — **Nepenteso** ŝajnas preferinda. | *nepenthès.* |
| **Nepotism'o** | favoremo por nevoj, kaj entute por parencoj. (ĉe oficialuloj). AFGHIR. | *népotisme.* |
| **NEPR'E** | tute, plene, absolute ; — **aĵo, eco**. | *absolument.* |
| **Neri'o** (V.) | (bot.) alia nomo por oleandro (*nerium oleander*). | *laurier-rose.* |
| **NERV'O** | organo fadenforma kiu kondukas senton kaj movon en la besta kaj homa korpo ; — **aro ; nerv' akso, aktiveco, doloro, teksaĵo ; nerva sistemo ; elnervita**. AFGHIR. | *nerf.* |
| **NEST'O** | speco de loĝejeto kiun konstruas birdoj kaj ankaŭ insektoj k. t. p. por ŝirmi siajn idojn ; — **ego, iĝi ; ternesto**. AG. | *nid.* |
| **NET'A** | senmiksa, sentara, senmakula ; — **eco, igi ; malneto**. AFHI. | *net.* |
| **Neŭralgi'o** | (med.) nervdoloro. | *névralgie.* |
| **Neŭrasteni'o** (V.) | (med.) nerva malforteco ; — **ulo**. AFGHIR. | *neurasthénie.* |
| **Neŭroz'o** (Rh.) | nerva malsano. FHIR. | *neurose.* |
| **Neŭtr'a** | (gram.) nek aktiva nek pasiva (pri verboj) ; — **igi**. AFGHIR. | *neutre.* |

| | | |
|---|---|---|
| **NEŬTRAL'A** | senpartia, superpartia ; — **ado, eco, ulo, igi, iĝi.** (Kelkaj aŭtoroj malprave intermiksas *neŭtrala* kaj *neŭtra*, parolante ekzemple pri *neŭtra ŝtato* ; la vera esprimo estas *neŭtrala ŝtato*). AFGHIR. | *neutre.* |
| **NEV'O** | filo de frato aŭ de fratino ; — **ino** ; **ge, pra' nevoj.** AFG. | *neveu.* |
| **NI** | pronomo multenombra de la unua persono ; **nia.** FHI. | *nous.* |
| **NIĈ'O** | kavajo en muro por enmeti statuon, fornon, k. t. p. ; AFGHIR. | *niche.* |
| **Niel'o** (V.) | (tekn.) ornamajo el nigra emajlo enĉizita sur oro, arĝento, k. t. p. ; — **ado, isto.** AFGI. | *nielle.* |
| **Nigel'o** (V.) | (bot.) speco de ranunkolacoj (*nigella*). | *nigelle, nielle bâtarde.* |
| **NIGR'A** | samkolora kiel ebono, fulgo, k. t. p. ; — **aĵo, eco, igi, iĝi, ul'o-ino** ; **ebur' fum' ost' platen' nigro** ; **nigr' harulo** ; **kolnigra** ; **nigreblua** ; **dubenigra.** FHI. | *noir.* |
| **Nihilism'o** | doktrino kiu neas ĉiun kredon. AFGHIR. | *nihilisme.* |
| **Nihilist'o** | nihilismano. | *nihiliste.* |
| **NIKEL'O** | speco de metalo blanka tre malmola ; — **aĵo, ilo, isto, umi.** AFGHIR. | *nickel.* |
| **Nikoten'o** (Df.) | V. **nikotino.** | *nicotine.* |
| **Nikotian'o** (V.) | (bot.) speco de solanacoj (*nicotiana tabacum*). | *nicotiane.* |
| **Nikotin'o** (Rh.) | (kem.) venena substanco kiu troviĝas en tabako. AFGHIR. | *nicotine.* |
| **Niks'o** | (mit.) akvokoboldo, akvofeo ; — **ino.** G. | *ondin.* |
| **Niktalis'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*nyctalis*). | *nyctalis.* |
| **Nikte'o** (V.) | (ornit.) speco de strigo (*surnia nyctea*). | *harfang.* |
| **Niktibi'o** (V.) | (ornit.) speco de kaprimulgo (*nyctibius*). | *ibijau.* |
| **Nimb'o** (V. I.) | V. **nimbuso** ; (ankaŭ) glorkrono. | *nimbus.* |
| **Nimbus'o** (M.I.) | griza nubo pluvanonca. | *nimbus.* |
| **NIMF'O** | virina diaĵo de riveroj, fontoj, montoj ; — **river', fonto, mar', arbar' nimfo.** AFGHIR. | *nymphe.* |
| **Nimfe'o** (Rh.) | (bot.) speco de dukotiledonoj, akvolilio (*nymphea*) ; — **acoj.** V. **nenufaro.** | *nénuphar.* |
| **Niobi'o** | (kem.) metalo malmulte konata. AFGHIR. | *niobium.* |
| **Niponism'o?** (Rh.) | japanameco, japanismo. | *japonisme.* |
| **Nirvan'o** (V.P.) | neesto, nenieco, neniiĝo. | *nirvana.* |
| **NITR'O** | scienca nomo de salpetro, aŭ azotato de potaso ; **nitr' acido** ; **nitrohava** ; **nitroza** ; **nitrocelulozo.** AFGHIR. | *nitre.* |
| **Nitrat'o** (Df.) | (kem.) salo el nitrikacido kaj bazo. | *nitrate.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Nitrik'o** | (kem.) nitrikacido. AFGHIR. | *nitrique.* |
| **Nitrit'o** | (kem.) salo el nitroza acido kaj bazo. AFGHIR. | *nitrite.* |
| **Nitrogen'o** | (kem.) korpo simpla, azoto. AFGHIR. | *nitrogène, azote.* |
| **NIVEL'O** | horizontaleco, alteco super sama horizontala ebeno ; — **ado, aĵo, ilo, igi ; sen, sam' nivelo**. FGHIR. | *niveau.* |
| **NIZ'O** | (ornit.) speco de rabobirdo (*falco nisus*). | *épervier.* |
| **NJ** | sufikso uzata por aldoni al virinaj nomoj karesan sencon : ekz. : **Mario, Manjo ; patrino, panjo**. | *diminutif caressant des noms féminins.* |
| **NOBEL'O** | altrangulo ; — **ino, aro, eco ; nobelara registro**. (Kelkaj tre malprave uzas **nobelulo** anstataŭ nobelo ; nobelo per si mem signifas altranga persono). AFHI. | *gentilhomme.* |
| **NOBL'A** | grandanima, altanima ; — **eco, ulo, igi ; malnobla**. AFHI. | *noble.* |
| **Noci'o** | (fil.) ekkono, komprenaĵo. AFHI. | *notion.* |
| **NOĈ'O** | entranĉo, enfendo ; — **kalkulilo**. A. | *encoche.* |
| **NOD'O** | kruciĝo, plektiĝo el fadeno, ŝnuro, rubando, k. t. p. ; ĉiu objekto nodforma ; ligotubero ; — **aĵo, ita**. | *nœud.* |
| **NOKT'O** | daŭro de tempo dum kiu la suno kuŝas sub la horizonto ; — **iĝi, uloj** (V.) (zoo.) ; **nokto' birdo, ĉapo, gardisto, kandelo, lampo ; ennoktigi ; pasigi la nokton ; hieraŭ nokte**. AFGHI. | *nuit.* |
| **Noktu'o** | speco de strigo (*noctua*). | *chouette.* |
| **Nolaneo ★** | speco de agarikacoj (*nolanea*). | *nolanée.* |
| **NOM'O** | vorto uzata por signi personon aŭ objekton ; — **ado, aro, ita ; al, antaŭ, falsa, familia, nomo ; sam, sen' noma ; moknomo ; laŭnome ; per la nomo de ; nomfesto**.AFGHI. | *nom.* |
| **NOMAD'O**(Rh.) | migrulo. (Oni trovas ankaŭ sed malprave *nomadulo*). AFGHIR. | *nomade.* |
| **NOMBR'O** | difinita kvanto ; — **ado ; mult, grand, plen, sen' nombra ; el, de' nombri**. AFHI. | *nombre.* |
| **Nominac'i** (V. P.) | elekti (kiel regnestron, oficiston, k. t. p.) AFGHIR. | *nommer à.* |
| **NOMINAL'A** | nur noma, ne efektiva. AFGHIR. | *nominal.* |
| **Nominalism'o** | (fil.) doktrino laŭ kiu abstraktaj ideoj estas nur nomoj. AFGHI. | *nominalisme.* |
| **Nominativ'o** | unua kazo en deklinacio. | *nominatif.* |
| **Nonius'o** (V. I). | V. **verniero**. | *vernier.* |
| **Nopalo** | speco de amerikaj kaktacoj (*cactus opuntia*). | *nopal.* |

| | | |
|---|---|---|
| **NORD'O** | unu el la du polusoj kontraŭa al sudo ; — **ano, eca, ulo ?** ; **nord' vento, oriento** ; **nord-suda linio**. AFGHIR. | *nord.* |
| **Norm'o** | (sc.) regulo, ekvilibra principo ; — **igi**. AFG HIR. | *norme.* |
| **NORMAL'A** | ordinara, laŭregula ; — **eco, igi ; ne, kontraŭ, ekster' normala ; normalo** (V.) (geom.) linio vertikala, perpendikla. AFGHIR. | *normal.* |
| **NORVEG'O** | popolano de norda eŭropa lando ; — **ujo**. | *norvégien.* |
| **NOSTALGI'O** (Df.) | alhejma bedaŭro, prilanda spleno, landenuo. AFHIR. | *nostalgie.* |
| **NOT'O** | marko, signo, rimarko ; — **eto, ego, ado ; not' libro, kajero, kanti ; prinoti, eksped-noto**. AFGHIR. | *note.* |
| **NOTARI'O** | publika oficisto kiu ricevas kaj redaktas kontraktojn por ilin aŭtentikigi ; — **aro, ejo**. AFG HIR. | *notaire.* |
| **NOV'A** | freŝe naskita, freŝdata, ne ankoraŭ eluzita ; — **aĵo, eco, ulo, igi ; malnova ; novjaro, novaĵama ; denove ; en, re' novigi**. AFG HIR. | *neuf, nouveau.* |
| **NOVEL'O** | fabelo, romano ; — **isto**. AFGHIR. | *nouvelle.* |
| **NOVEMBR'O** | dekunua monato de la jaro. AFGHIR. | *novembre.* |
| **NOVIC'O** | religia lernisto ; malspertulo ; — **eco** ; (malprave **ulo**). AFGHIR. | *novice.* |
| **NU** | ekkrio por kuraĝigi, aŭ por atentigi (pri sekvanta frazo). GR. | *eh bien ! allons !* |
| **NUANC'O** | ĉiu el la diversaj gradoj tra kiuj povas pasi unu sama koloro ; kolorgrado ; — **iĝi, ita**. FGR. | *nuance.* |
| **NUB'O** | nebulamaso pendanta en la ĉielo ; — **ego, eto, aĵo, eco, iĝi ; sennuba ; nuboplena**. HI. | *nuage.* |
| **NUD'A** | senvesta, senornama, tute simpla ; — **aĵo, eco, igi ; nud'kapa, pieda ; duonnuda**. AHI. | *nu.* |
| **Nudel'oj** (Df.) | speco de pasto, farunaĵo. AFG. | *nouilles.* |
| **Nufar'o** (V.) | (bot.) flava akvolilio (*nuphar luteum*). | *nuphar.* |
| **NUK'O** | posta parto de la kolo. AFG. | *nuque.* |
| **NUKS'O** | frukto de juglandujo ; ĉiu kernofrukto ; — **ujo, arbo**. AFGHI. | *noix.* |
| **NUL'O** | cifero por signifi maleston de unuo ; nenio, neniaĵo ; — **aĵo, eco, igi**. AFI. | *zéro.* |
| **Numeni'o** (V.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*numenius*). | *courlis.* |
| **NUMER'O** | cifero montranta la lokon de objekto inter aliaj ; — **aro, ita ; elnumeri, nenumerebla**. AF GHIR. | *numéro.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Numeral'a** | prinombra. AFGHIR. | *numéral.* |
| **Numerator'o** | tiu el la du termoj de partumo kiu montras kiom ĝi enhavas da partoj de la unuo. AFGHIR. | *numérateur.* |
| **NUMID'O** | (ornit.) speco de kortbirdo (*numida guttata*). | *pintade.* |
| **Numismatik'o** | (sc.) monerscienco ; — **isto.** AFGHIR. | *numismatique.* |
| **NUN** | en la momento mem, dum ni parolas ; — **ajo, eco** ; **ĝisnune** ; **nuntempe.** GR. | *maintenant.* |
| **NUNCI'O** | papa ambasadoro ; — **ejo.** AFGHIR. | *nonce.* |
| **NUR** | sole, ne pli ol ; — **nura, se nur** ; **nur se.** G. | *ne que, seulement.* |
| **Nutaci'o** (V.) | (astr.) oscilo, ripetita movo de supre malsupren, balanciĝo de la terakso. AFGHIR. | *nutation.* |
| **NUTR'I** | servi kiel manĝajo, zorgi pri manĝado de besto aŭ homo ; — **ado, aĵo, eco, anto, ist'o-ino** ; **plen, lakto' nutri.** AFHI. | *nourrir.* |

# O

| | | |
|---|---|---|
| **O** | dudeka litero de la esperanta alfabeto. | *O.* |
| **O** | finiĝo de la substantivoj. Kun radikoj nomaj, ĝi naskas konkretajn substantivojn signifantajn objekto aŭ individuo. k. ekz. **tero, suno, arbo, homo, patro,** k. t. p. ; kun radikoj adjektivaj, ĝi naskas alstraktajn substantivojn signifantajn eco, kvalito konsiderata en si mem. k. ekz. **belo, bono, vero, varmo, ruĝo,** k. t. p. ; kun radikoj verbaj, ĝi naskas ankaŭ abstraktajn substantivojn signifantajn stato aŭ ago aŭ rezultato konsiderataj en si mem, k. ekz. **dormo, 'ĝojo, vido, marŝo, veno,** k. t. p. | *terminaison du substantif en esperanto.* |
| **OAZ'O** | kvazaŭinsulo de verdaĵo meze en la dezerto. AFGHIR. | *oasis.* |
| **Obdukci'o** ? (V. P.) | juĝo-kuracista esploro de kadavro. | *autopsie (judiciaire).* |
| **OBE'I** | submetiĝi al la volo de iu ; plenumi la ordonojn de iu ; — **eco, ema, inda, igi** ; **malobei, neobeigebla.** AFHI. | *obéir.* |
| **OBELISK'O** | kvarangula monolito plej ofte egipta. AFGHIR. | *obélisque.* |
| **OBJEKT'O** | (fil.) ĉiu afero kiu sin prezentas al la vido aŭ al la penso ; **objekta,** ekzistanta efektive ekster la penso. AFGHIR. | *objet.* |
| **Objektiv'o** | (opt.) unu el la vitroj de lorno turnata al la objekto kiun oni deziras vidi ; **objektiv' kovrilo.** AFGHIR. | *objectif.* |
| **OBL** | sufikso por plimultigi kaj devenigi adjektivojn de la nombraj nomoj, ekz. : **triobla, dekobla, centobla, milobla,** k. t. p. | *suffixe multiplicatif.* |
| **OBLAT'O** | speco de pano nefermentita, tre maldika, uzata ĉu por surglui paperon, ĉu por fari hostion k. t. p., gludisketo. GR. | *pain à cacheter, oublie.* |

| | | |
|---|---|---|
| **OBLIGACI'O** | (fin.) titolo naskanta rentumon, kiun eldonas financa kompanio ; — **ulo, havanto** ; **obligacio amortizebla**. FGHIR. | *obligation.* |
| **OBLIKV'A** | neperpendikla, klina ; — **eco, igi**. FHI. | *oblique.* |
| **Oblong'a** | longforma. | *oblong.* |
| **Obol'o** (V.) | malgrandega monero ĉe la Grekoj. AFGHIR. | *obole.* |
| **Obov'o** (V.) | (bot.) renversita ovo, tio estas, kies la pli dika ekstremaĵo estas supre ; **obovforma**. | *obove* (forme d'un œuf renversé). |
| **Oboval'a** (V.) | (bot.) obovforma. | *obovale.* |
| **OBSED'I** | (pri fiksideo) altrudiĝi, posedi, okupi la spiriton ; — **iĝo**. AFHIR. | *obséder.* |
| **OBSERV'I** | atente konsideri, esplori ; — **ado, eco, emo, anto, isto, ejo** ; **subobservi** ; **observaturo**. AFHIR. | *observer.* |
| **Observatori'o** | (scienca) observejo. AFHIR. | *observatoire.* |
| **Obsidien'o** (V.) | (min.) vulkana ŝtono. | *obsidienne.* |
| **OBSTIN'I** | persisti energie en ia ideo, volo, k. t. p. ; — **egi, ado, eco, emo, aĉo, ulo**. AFHI. | *s'obstiner.* |
| **OBSTRUC'I** | ŝtopi per barilo, malebligi, embarasi la iradon al aŭ el ia loko ; — **ado, ilo**. AFGHIR. | *obstruer.* |
| **Obstrukci'o** (V. P.) | malhelpo de parlamenta laborado. | *obstruction.* |
| **OBTEN'I** ? (Rh.) | ricevi, atingi, trafi, ekhavi ; — **ebla** ; **reobteni**. AFHI. | *obtenir.* |
| **Obtur'i** | ŝtopi ; — **ilo**. FHI. | *obturer.* |
| **Obturator'o** | (fot.) obturilo : **gilotin, kurten, klap, foli, fokus, ĵaluzi' obturatoro**. FHI. | *obturateur.* |
| **OBTUZ'A** (Z.) | mallaŭta, sufokata (precipe pri voĉo). AFHI. | *sourd, étouffé.* |
| **OBUS'O** (Df.) | grenado (V.) ; **obuspafilo** (haubizo). FI. | *obus.* |
| **OCEAN'O** | vasta maro kiu kovras la plej grandan parton de la terglobo ; **transoceana** ; **silenta**, **trankvila oceano**. AFGHIR. | *océan.* |
| **OCEANI'O** | kvina parto de la terglobo ; — **ano**. AFGHIR. | *Océanie.* |
| **Ocim'o** (V.) | (bot.) speco de lamiaco (*ocymum*). | *basilic.* |
| **OD'O** | lirika poemo. AFGHIR. | *ode.* |
| **Odalisk'o** | turka haremanino. AFGHIR. | *odalisque.* |
| **Odise'o** (Df.) | poemo de Homero pri la vojaĝoj de Uliso ; aventurplena vojaĝaro. | *odyssée.* |
| **Odometr'o** ★ | paŝkalkulilo. | *odomètre.* |
| **Odoometr'o** † (Rh.) | V. **odometro**. | *odomètre.* |
| **Odontometr'o** (Rh.) | dentmezurilo (vorto uzata en filatelo). | *odontomètre.* |

| | | |
|---|---|---|
| **ODOR'I** | sentiĝi per la nazo ; — **aĵo, iĝi ; sen, bon, malbon' odora ; brul, post' odori.** AFHI. | *sentir bon ou mauvais.* |
| **Oer'o** | speco de skandinava monero. | *monnaie scandinave.* |
| **OFEND'I** | insulti, malrespekti ; — **ego, anto, iĝ'i-emo ; ne, sen' ofenda ; ofendsentema.** | *offenser.* |
| **Ofensiv'o** (V.) | (milit.) antaŭatako, pretiĝo por atako. | *offensive.* |
| **OFER'I** | fordonaci definitive al iu ; — **ado, aĵo, ema, ejo ; buĉ, verŝ, mon' oferi ; oferdono ; monoferema.** AFG. | *offrir, sacrifier.* |
| **Ofertori'o**(Df.) | parto de la meso en kiu la pastro oferas al Dio panon kaj vinon. | *offertoire.* |
| **OFIC'O** | servo, funkcio ; — **aĵo, ejo, isto ; senofica.** AFHI. | *emploi.* |
| **OFICIAL'A** | anoncita, deklarita de rajta aŭtoritato ; — **aĵo, eco, igi, ulo ; duon, kvazaŭ, ne' oficiala.** AFGHIR. | *officiel.* |
| **Oficinal'a** (Z.) | apoteka, farmacia. (La vorto ne ŝajnas tre necesa). | *officinal.* |
| **OFICIR'O** | (milit.) militista gradulo, kiel leŭtenanto, kapitano, k. t. p. ; — **aro, suboficiro.** AFGHIR. | *officier.* |
| **Ofikleid'o** | speco de muzika blovinstrumento. | *ophicléide.* |
| **Ofioglos'o** (Rh.) | (bot.) serpentlango, speco de filiko (*ophioglossa*). | *ophioglosse.* |
| **Ofris'o** (V. P.) | (bot.) speco de orkideo (*ophrys*). | *ophrys.* |
| **OFT'E** | multafoje ; — **aĵo, eco, igi, iĝi ; malofta.** AG. | *souvent.* |
| **Oftalm'o** (Rh.) | V. **oftalmio.** | *ophtalmie.* |
| **Oftalmi'o** (Df.) | (med.) okulmalsano. | *ophtalmie.* |
| **Oftalmit'o** (V.) | (med.) V. **oftalmio.** | *ophtalmie.* |
| **Oftalmolog'o** (V. P.) | okulkuracisto, okulisto. | *ophtalmologiste.* |
| **Oftalmologi'o** (V.) | (med.) parto de la medicino, kiu sin okupas pri la okuloj. | *ophtalmologie.* |
| **Oftalmoskop'o** (V.) | (med.) instrumento por videsplori la okulojn, okulspegulo. | *ophtalmoscope.* |
| **OGIV'O** | (ark.) pintarko ; — **aĵo ; forma.** AFHI. | *ogive.* |
| **Ogro** (V. I.) | lupohomo, fabla manĝegulo. AFHI. | *ogre.* |
| **Oh'o** ? (Rh.) | interjekcio. | *oh ! oh !* |
| **Ojdium'o** (V.) | (bot.) mikroskopa fungo kiu atakas la vinberon (*oidium*). | *oïdium.* |
| **Ojdi'o** | V. **ojdiumo.** (Oni trovas en V.I. **oidio**). | *oïdium.* |
| **OJSTR'O** | (entom.) speco de dipteroj kiuj vivas parazite sur la ĉevaloj (*œstrus*). | *oestre.* |
| **OK** | nombro, sep kaj unu ; 8 ; — **obla, ona, opa, ok'pieda, silaba, angula,** FHI. | *huit.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Okarin'o** (V. I.) | (muz.) muzika fajfinstrumento. | *ocarina.* |
| **OKAZ'I** | fariĝi, havi lokon, (ĉu ĝustatempe, ĉu neatendite); — **aĵo, eco, igi, int'a-aĵo ; ĉiuokaze ; profiti per la okazo ; fari uzon el la okazo ; ĝustokaze.** AFGHIR. | *avoir lieu.* |
| **OKCIDENT'O** | parto de la ĉielo kie la suno kuŝiĝas, subiras; — **ano.** FGHIR. | *ouest, occident.* |
| **OKCIPIT'O** | (anat.) posta parto de la kapo ; — **osto.** | *occiput.* |
| **OKR'O** | (miner.) argila tero el kiu oni faras flavan kolorajon ; — **eca.** AFGHIR. | *ocre.* |
| **OKSAL'O** (Rh.) | (kem.) acido tirita el oksalido. (Oni trovas ĉe V. **oksalacido**). | *acide oxalique.* |
| **Oksalat'o** (V.) | (kem.) salo el oksalacido kaj bazo. | *oxalate.* |
| **Oksalid'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj (*oxalis*) ; — **acoj.** | *oxalide, surelle.* |
| **Oksford'a** (V.) | (geol.) etaĝo de la jurasa formacio en la dua epoko. | *oxfordien.* |
| **OKSID'O** (V.) | (kem.) ĉiu komponaĵo enhavanta oksigenon ; — **ado, ig'i-ebla, iĝi.** AFGHI. | *oxyde.* |
| **OKSIGEN'O** | korpo simpla, unu el la elementoj de akvo ; — **umi.** AFGH. | *oxygène.* |
| **OKSIKOK'O** | (bot.) speco de vakcinio (*oxycoccos*). | *canneberge.* |
| **Oksipit'o** (Rh.) | V. **okcipito.** | *occiput.* |
| **Okshoft'o** | germana mezurero de enhaveco. G. | *muid.* |
| **Oktaedr'o** | (geom.) okedro. | *octaèdre.* |
| **OKTANT'O** | (mar.) aparato por observi dum maveturero la altecon kaj distancon de la astroj. AFGH IR. | *octant.* |
| **OKTAV'O** | (muz.) tono malproksima de alia je ok gradoj. AFGHIR. | *octave.* |
| **OKTOBR'O** | deka monato de la jaro. AFGHIR. | *octobre.* |
| **OKUL'O** | vidorgano ; objekto okulforma ; — **eto, isto, umi ; okul' akno, haroj, lenso, malsano, mezure, videbla, ŝirmilo ; vitro ; senokula ; apudokula lenso.** AFHIR. | *œil.* |
| **Okult'a** | (fil.) kaŝita, malfacile esplorebla. AFHI. | *occulte.* |
| **Okultism'o** | esploro de okultaj fenomenoj. | *occultisme.* |
| **OKUP'I** | ekposedi, posedadi ; — **ado, eco, igi, iĝi ; pri, sen' okupo ; sin okupi je, pri.** AFHI. | *occuper.* |
| **OKZAL'O** | speco de poligonacoj (*rumex*); — **acido.** AF HI. | *oseille.* |
| **Okzalat'o** | salo el okzalacido kaj bazo. | *oxalate.* |
| **OL** | konjunkcio por esprimi komparon; **pli granda ol ; prefere ol ; antaŭ ol.** | *que.* |

| | | |
|---|---|---|
| **OLE'O** | grasa substanco tirita el olivo kaj aliaj kreskaĵoj ; — **ado, eco, ujo, ita, umi ; ole'hava, dona, fonto, fabriko, puto, papavo ; senoleigi ; sanktoleito ; lasta oleumo** ; oleum' ĉapelo, vesto. AFHI. | *huile.* |
| **Oleandr'o** | (bot.) rozlaŭro, speco de arboj dukotiledonaj (*nerium oleander*). V. **nerio**. AFGHIR. | *laurier-rose.* |
| **Olein'o** (V.P.) | (kem.) principo de la oleoj. | *oléine.* |
| **Oleograf'o** (Rh.) | oleita litografo, olelitografo. | *oléographie.* |
| **Oleometr'o** | (fiz.) aparato por mezuri la densecon de oleo. | *oléomètre.* |
| **Olfakt'a** | (anat.) flara. | *olfactif.* |
| **OLIBAN'O** | speco de incenso. | *oliban, encens.* |
| **Oligarĥ'o** (V. P.) | oligarkiestro. | *oligarque.* |
| **OLIGARKI'O** | registaro en kiu la aŭtoritato apartenas nur al malgranda nombro da personoj aŭ familioj. AFGHIR. | *oligarchie.* |
| **Oligocen'a**(V.) | (geol.) etaĝo de eocena formacio en la tria epoko. | *oligocène.* |
| **Olimp'a** (Rh.) | rilata al Olimpo. | *olympique.* |
| **Olimpiad'o** | daŭro da kvar jaroj en la antikva Grekujo. AFG HIR. | *olympiade.* |
| **OLIV'O** | frukto de la olivujo(*olea europea*) ; — **ejo, isto, ujo, arbo ; forma, kolora, verda**. AFG HIR. | *olive.* |
| **Om'o** | (elek.)elektra mezurero. AFGHIR. V. **megomo**. | *ohm.* |
| **OMAR'O** | (zool.) speco de krustuloj, marastako. FGR. | *homard.* |
| **OMBR'O** | malhelaĵo naskita de maldiafana korpo ; — **aĵo, eco, iĝo ; umi ; senombra ; subombro ; ombro' dona, hava, porta, plena ; tolombrigilo**. FHI. | *ombre.* |
| **OMBREL'O** | manportebla ŝirmilo kontraŭ suno aŭ pluvo ; **pluv, sun' ombrelo**. AF. | *ombrelle, parapluie.* |
| **Omeg'o** | lasta litero de la greka alfabeto. AFGHIR. | *omega.* |
| **Omfali'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*omphalia*). | *omphalie.* |
| **OMNIBUS'O** | komuna veturilo. AFGHIR. | *omnibus.* |
| **ON** | suffikso por partigi nombrojn ; **duono, triono, dekono, centono**, k. t. p. ; **igi**. | *suffixe partitif des noms de nombre.* |
| **Onan'i** (V. P.) | (med.) V. **masturbi** ; — **iĝi, isto**. | *pratiquer l'onanisme.* |
| **Onanism'o**(V.P.) | (med.) masturbiĝemo. | *onanisme.* |
| **OND'O** | akvo moviĝanta, moviĝo de akvo ; — **ego, aĵo, umi ; forma, krispo, linia, movo ; aerondraĵo**. AFHI. | *onde.* |
| **Onglet'o** (Df.) | (tip.) paperbendo bindita en libro por ricevi surgluitan paĝon. | *onglet.* |

| | | |
|---|---|---|
| **ON'I** | nedifinita pronomo kiu signifas : homoj, personoj ; ekz : **oni kredas ke kometoj anoncas malelicôn**. AF. | *on.* |
| **Oniks'o** | (miner.) tre delikata agato el kiu oni faras kameojn. AFGHIR. | *onyx.* |
| **ONKL'O** | frato de patro aŭ patrino ; — **ino** ; **pra**, **ge'onkloj**. AFG. | *oncle.* |
| **Onobrik'o** | speco de fabacoj (*onobrychis*). | *sainfoin.* |
| **Onopord'o** (V.) | (bot.) speco de kompozitoj (*onopordon*). | *chardon aux ânes.* |
| **ONT'** | finiĝo de la participo aktiva estonteca. Ekz : **la venonta semajno; li estas skribonta morgaŭ.** | *terminaison du participe futur actif en esperanto.* |
| **Ontologi'o** | (fil.) scienco pri la esto kiel esto, parto de la metafiziko. | *ontologie.* |
| **Oolit'o** (V.) | (geol.) ovŝtono, speco de kalka ŝtono kiu karakterizas ĵurasan formacion. | *oolithe.* |
| **Oologi'o** | (ornit.) scienca esploro pri la ovoj. | *oologie.* |
| **OP** | kolektiva sufikso uzata pri nombroj ; — **duope**, **triope**, k. t. p. | *suffixe collectif des noms de nombre.* |
| **OPAL'O** | speco de juvelŝtono blueta, lakteca; — **eco**, **brila**, **kolora simila**. AFGHIR. | *opale.* |
| **Opatr'o** (V.) | (entom.) speco de koleopteroj melasomoj (*opatrum*). | *opatre.* |
| **OPER'O** | muzika dramo; — **eto**, **ejo**, **kantisto**. AFG HIR. | *opéra.* |
| **OPERACI'O** | (kir. mat.) ago de kirurgiisto por modifi staton de organoj en paciento ; kalkulo farota por trafi difininitan rezultaton. | *opération.* |
| **Operkl'o** (V.) | (anat. ikt.) organa klapfermilo ; fiŝspirilo. | *opercule.* |
| **OPI'O** | drogo tirita el la suko de papavo ; — **aĵo**, **eca**, **ejo**, **hava** ; **opifumejo**. | *opium.* |
| **Opiat'o** (Df.) | apoteka pasto. | *opiat.* |
| **OPINI'I** | pensi, juĝi, kredi ke ; — **anto**, **ulo**, **samopinia** ; **obstinopiniulo**. | *avoir l'opinion que, être d'avis que.* |
| **Opolo** (V). | (bot.) speco de viburno (*viburnum opulus*). | *aubier, boule de neige.* |
| **Opon'i** (V. P.) | fari opozicion ; — **anto**. | *faire de l'opposition.* |
| **Opoponak'o** (V.) | (bot.) speco de umbeliferoj (*opoponax*). | *opoponax.* |
| **Oporant'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj (*oporanthus*). | *oporanthe.* |
| **OPORTUN'A** | facile uzebla, favora, taŭga ; — **aĵo**, **eco**, **ema isto** ; **maloportuna**. | *commode.* |
| **Oportunism'o** | politika doktrino laŭ kiu oni devas atenti la cirkonstancojn pli ol la principojn. | *opportunisme.* |
| **Oportunist'o** | oportunismano. | *opportunisme.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Opozici'o** | konstraŭstaro (astronomia, logika, politika). AFHIR. | *opposition.* |
| **Optativ'o** | (gram.) verba modo por signifi deziron. AFG HI. | *optatif.* |
| **Optik'o** | (sc.) parto de la fiziko traktanta pri lumo ; — **isto**. AFGHIR. | *optique.* |
| **Optimism'o** | (fil.) doktrina laŭ kiu ĉio estas kiel eble plej bone en la mondo. AFGHIR. | *optimisme.* |
| **Optimist'o** | optimismano. AFGHIR. | *optimiste.* |
| **Opuntio** (V.) | (bot.) speco de kakto (*opuntia vulgaris*). | *nopal.* |
| **OR'O** | metalo flava, grandvalora, el kiu oni faras monerojn kaj juvelojn ; — **aĵo**, **isto**, **ejo**, **umi** ; **iĝi**, **ita** ; **or' mino**, **ŝtofo**, **lavisto**, **kolora** ; **or' hava**, **fara**, **iga** ; **orumitarĝento**. F HI. | *or.* |
| **ORAKOL'O** | respondo farita de Dio al demando. AFGHIR. | *oracle.* |
| **ORANGUTAN-G'O** | speco de malaja simio homsimila ; — **ino**, **ido**. AFGHIR. | *orang-outang.* |
| **ORANĜ'O** | (bot.) frukto de oranĝujo (*citrus aurantium*) ; — **aĵo**, **ejo**, **ujo**, **arbo** ; **kolora**. AFGHIR. | *orange.* |
| **ORANĜERI'O** | oranĝejo, oranĝgardeno. | *orangerie.* |
| **ORATOR'O** | (publika.) parolanto. AFHIR. | *orateur.* |
| **Oratori'o** | (muz.) speco de religia muzika dramo. AFG HIR. | *oratorio.* |
| **Orb'o** | (astr.) spaco kiun trakuras planedo dum ĝia rondirado ĉirkaŭ la suno ; — **eca**. | *orbe.* |
| **Orbit'o** | (astr. anat.) kurbo kiun desegnas planedo ĉirkaŭ la suno ; kaveto en kiu estas la okulo | *orbite.* |
| **Orcin'o** (V.) | (ikt.) speco de marfiŝoj (*orcynus*). | *germon.* |
| **ORD'O** | aranĝo de aferoj laŭ kiu ĉiu havas taŭgan lokon ; — **aĵo**, **ema**, **igi**, **iĝi** ; **malordo** ; **bon**, **ekster**, **kontraŭ**, **sen' orda** ; **vicordiĝi**. AFGHI. | *ordre, arrangement.* |
| **ORDEN'O** | religia aŭ kavalira societo ; insigno de tiu societo ; — **ita**. AFGHIR. | *ordre de chevalerie, religieux.* |
| **Ordinaci'o** (Df.) | (ekl.) ceremonio per kiu oni faras pastron. | *ordination.* |
| **ORDINAR'A** | kutima, normala, laŭregula ; **ne**, **mal**, **ekster' ordinara**. AFGHI. | *ordinaire.* |
| **ORDON'I** | esprimi aŭtoritate sian volon ; postuli plenumon de sia volo ; — **ado**, **ema**, **anto** ; **pagordono**. | *ordonner, commander.* |
| **ORELO** | organo de la aŭdado ; — **isto** ; **kulereto**, **ringo**, **tamburo** ; **unuorela** ; **apudorela ŝvelo**. FGHI. | *oreille.* |
| **Oremus'o** (Df.) | (ekl.) katolika preĝo ; l. v. *ni preĝu.* | *oremus.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Oreografi'o** (Df.) | V. **orografio.** | *oréographie.* |
| **ORF'O** | infano kiu ne plu havas patron aŭ patrinon ; — **ino, eco, georfoj.** | *orphelin.* |
| **ORFEON'O** (Df.) | kantista societo ; — **ano.** AFHI. | *orphéon.* |
| **ORGAN'O** | parto de vivanta korpo difinita por plenumi funkcion ; — **aro.** AFGHIR. | *organe.* |
| **ORGANIK'A** | rilata al organoj ; organa ; — **aĵo.** AFGHIR. | *organique.* |
| **ORGANISM'O** | organaro. AFGHIR. | *organisme.* |
| **ORGANIZ'I** | doni al io la necesajn ilojn, organojn por plenumi taskon aranĝi ; — **ado, aĵo, eco, anto, isto.** AFGHIR. | *organiser.* |
| **ORGANIZA-CI'O** (W.D.E.) | organiz'o-ado. AFGHIR. | *organisation.* |
| **ORGANIZA-TOR'O** (Rh.) | organizanto, organizisto. AFGHIR. | *organisateur.* |
| **Orgasm'o** | (fiziol.) volupta ekscitiĝo. | *orgasme.* |
| **ORGEN'O** | grandega muzika blovinstrumento kun tuboj, klavaroj, k. t. p. ; — **isto.** AFGHIR. | *orgue.* |
| **ORGI'O** | manĝa kaj trinka diboĉo. AFGHIR. | *orgie.* |
| **Orĝad'o** | migdalsiropo, migdallakto. Oni trovas ankaŭ **orĝato.** | *orgeat.* |
| **ORIENT'O** | parto de la ĉielo en kiu leviĝas la suno kaj laŭ kiu oni sin direktas ; — **eco, ado, ano, iĝi** ; **sin orienti.** AFGHIR. | *orient.* |
| **Orientalism'o** (Df.) | konaro pri Orientaj popoloj, lingvoj, moroj, k. t. p. | *orientalisme.* |
| **Orientalist'o** (Rh.) | scienculo kiu esploras Orientanaĵojn. | *orientaliste.* |
| **Oriflam'o** (V.) | antikva flago de Francujo. | *oriflamme.* |
| **Origan'o** (V.) | (bot.) speco de lamiacoj (*origanum*). | *origan.* |
| **ORIGIN'O** | deveno, principo, fonto, komenco. AFGHIR. | *origine.* |
| **ORIGINAL'A** | primitiva, senmodela; aparta, strangeta ; — **aĵo, eco.** AFGHIR. | *original.* |
| **Orikt'o** (V.) | (entom.) speco de koleopteroj (*oryctes*). | *oryctès.* |
| **Orikterop'o** (V.) | (zool.) speco de afrika mirmekofago, terporko (*orycteropus*). | *oryctérope.* |
| **Oriol'o** | (ornit.) speco de paserbido (*oriolus*). AF. | *loriot.* |
| **Orion'o** (V.) | (astr.) australa stelaro. | *Orion.* |
| **ORKESTR'O** | muzikantaro ; — **ano, ejo, estro.** AFGHIR. | *orchestre.* |
| **Orkid'o** (V.) | (bot.) speco de unukotiledonoj (*orchis*); — **aloj,** (Oni trovas ankaŭ en (DF). **orkiso.**) | *orchis.* |
| **Orkide'o** (Df.) | orkidalo. AFGHIR. | *orchidée.* |
| **ORN'O** (V.) | (bot.) speco de frakseno (*fraxinus ornus*). | *orne.* |

| | | |
|---|---|---|
| **ORNAM'I** | beligi, aldoni beligilojn ; — **aĵo, ado, eco, anto, isto, iĝi, senornameco ; ornamiĝamo**. AFHI. | *orner.* |
| **Ornat'o** | ceremonia vestaĵo, mesvestaĵo. | *vêtement de cérémonie.* |
| **Ornismi'o** (V.) | (ornit.) muŝbirdo (*ornismyia*). | *oiseau-mouche.* |
| **Ornitogal'o** (V.) | (bot.) speco de liliacoj, birdlakto (*ornithogalum*). | *ornithogale.* |
| **Ornitologi'o** | (sc.) parto de la naturscienco, kiu traktas pri birdoj ; — **isto**. AFGHIR. | *ornithologie.* |
| **Ornitop'o** (V.) | (bot.) birdopiedo, speco de fabacoj (*ornithopus*). | *ornithope, serradelle.* |
| **Ornitorink'o** (V.) | (zool.) birdobekulo, speco de aŭstralia mamulo (*ornithorhynchus*). | *ornithorhinque.* |
| **Orobanĉ'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj gamopetalaj parazitaj (*orobanche*) ; — **acoj**. | *orobanche.* |
| **Orografi'o** | priskribo, traktato pri montoj. AFGHIR. | *orographie.* |
| **Oronti'o** (V.) | (bot.) speco de nordamerikaj monokotiledonoj (*orontium*) ; — **acoj**. | *oronce.* |
| **Orsodakn'o**(V.) | (entom.) speco de koleopteroj (*orsodacna*). | *orsodacne.* |
| **ORT'A** | (geom.) rekta, ortangula. | *droit.* |
| **ORTANT'O** (Rh.) | (mat.) vertikallinio. | *perpendiculaire.* |
| **Ortiks'o** (V.) | (ornit.) speco de koturnoido (*ortyx*). | *colin.* |
| **Ortocentr'o** | (geom.) punkto kie kuniĝas la tri altecoj de triangulo. | *orthocentre.* |
| **ORTODOKS'A** | bonreligia ; — **eco, ulo**. AFGHIR. | *orthodoxe.* |
| **ORTOGRAFI'O** | arto skribi ĝuste la vortojn ; — **ita**. | *orthographe.* |
| **Ortokromat'a** | (fot.) ĝustkolora ; — **eco, igi**. | *orthochromatique.* |
| **Ortol'o** | (fot.) kemiaĵo uzata en fotografado. | *ortol.* |
| **ORTOLAN'O** | (ornit.) speco de paserbirdo (*emberiza hortulana*). | *ortolan.* |
| **Ortologi'o** (Rh.) | arto paroli ĝuste, korekte ; traktato pri tiu arto. | *orthologie.* |
| **ORTOPEDI'O** | arto korekti la korpajn malformaĵojn. AFGHIR. | *orthopédie.* |
| **Ortopter'o** (V.) | (entom.) klaso de insektoj kiel grilo, akrido, blato, k. t. p. | *orthoptère.* |
| **Ortoz'o** (V.) | (miner.) speco de feldspato. | *orthose.* |
| **OS** | finiĝo de la estonteea indikativo. Ekz. : *mi venos morgaŭ.* | *terminaison du futur de l'indicatif.* |
| **OSCED'I** | spiri malfermante konvulsie la buŝon ; — **ado, anto, ema**. L. | *bâiller.* |
| **Oscil'i** | (tek.) balanciĝi, ŝanceliĝi, svingiĝi, turnvolviĝi ; — **ado, igi**. AFHI. | *osciller.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Oskul'a** | (geom.) pri du linioj aŭ surfacoj kiuj havas en unu punkto kontakton kiel eble plej intiman; — **eco**. | *osculateur.* |
| **Osmi'o** | (kem.) korpo simpla meza inter metaloj kaj metalojdoj. | *osmium.* |
| **Osmoz'o** | (fiz.) fenomeno kiu okazas kiam du likvaĵoj estas disigitaj per poroza membrano, kaj konsistas en ilia intermiksiĝo. AFR. | *osmose.* |
| **Osmund'o** (V.) | (bot.) speco de filikoj (*osmunda*). | *osmonde.* |
| **OST'O** | malmola kaj fortika parto kiu estas kvazaŭ ĉarpentaĵo de la korpo; — **aĵo, aro, eca, ujo, igi, iĝi, eto**; **senostigi**; **ostokuniĝi**; **os-to'putriĝo, tubero, rompiĝo, raspilo, nigro**; **ĵetosto**. AFHI. | *os.* |
| **Ostard'o** | (ornit.) speco de stilztirdoj (*tetrax*). V. **tetrako**. | *outarde.* |
| **Ostein'o** (V. I.) | (anat.) osta substanco, ostoŝtofo. | *ostéine.* |
| **Ostentaci'o** (V. P.) | fanfaronado, pompo, lukso. AFHI. | *ostentation.* |
| **Osteologi'o** (V. P.) | (anat.) ostoscienco. | *ostéologie.* |
| **OSTR'O** | duklapa manĝebla molusko; — **ejo, ujo, ojdoj**; **bredo, kulturo, vendisto**. AFGHIR. | *huître.* |
| **Ostracismo** | juĝo per kiu la Atenanoj ekzilis civitanojn, kiujn ili opiniis danĝeraj por la Respubliko. AFGH IR. | *ostracisme.* |
| **OT** | verba finiĝo ĉe la pasiva participo estonteca; — **juĝota**. | *terminaison du participe futur passif en esperanto.* |
| **Otard'o** (Df.) | V. **ostardo**. | *outarde.* |
| **Otoman'o** (V.P.) | turko. | *Ottoman.* |
| **OV'O** | organika korpo kiu enhavas la ĝermon de estonta besto; — **aĵo, ujo**; **ov'blanko, ŝelo, flavo**; **ovforma**. AFHI. | *œuf.* |
| **Ovaci'o** | triumfo, honoro al iu farita de popolamaso. A FHI. | *ovation.* |
| **OVAL'O** | (geom.) ovformo; — **igi**. AFGHIR. | *ovale.* |
| **Ovari'o** | (anat., bot.) ovglando; ovujo AFHI. | *ovaire.* |
| **Ovodukt'o** | (zool.) ovkanalo. | *oviducte.* |
| **Ovojd'a** | ovforma, ovsimila. | *ovoïde.* |
| **Ovol'o** | (bot., zool.) ovoŝelo. AFHI. | *ovule.* |
| **Ovologi'o** | V. **oologio**. | *oologie.* |
| **Ozon'o** | (kem.) elektrizita oksigeno; — **eca, igi**. AFG HIR | *ozone.* |

# P

| | | |
|---|---|---|
| **P** | dudeka litero de la esperanta alfabeto. | *P.* |
| **PAC'O** | stato de senmiliteco, interkonsenteco, kvieteco ; — **ema, ulo, igi, iĝi** ; **malpaci** ; **interpaco**. AFHI. | *paix.* |
| **PACIENC'O** | kuraĝa elteno de doloro, trankvila atendo de malfruaĵo ; — **ema, ulo, igi** ; **senpacienca, malpacienco**. AFHI. | *patience.* |
| **PACIENT'O** | suferanto, malsanulo, operaciato. AF. | *patient.* |
| **Pacifism'o** | doktrino de la pacifistoj. AFGHIR. | *pacifisme.* |
| **Pacifist'o** | partiano de konstanta interpopola paco. AFGHIR. | *pacifiste.* |
| **Paĉol'o** (V.) | V. **paĉulo**. | *patchouli.* |
| **Paĉul'o** | (bot.) ĥina lamiaco uzata en parfumarto. | *patchouli.* |
| **Padel'i** (Rh.) | remi per unuobla remilo ; — **ilo** ; **padelo** (V.) radremilo en vaporŝipo, k. t. p. A. | *ramer à l'aviron, pagayer* ; *palette* (de roue à aubes). |
| **Padus'o** (V.) | speco de ĉerizujo (*cerasus padus*). En V. P. oni trovas **padopruno** kun la sama signifo. | *putiet.* |
| **PAF'I** | sendi kuglon aŭ sagon per armilo ; — **aĵo, ado, anto, eĵo, il'o-eto, ego, isto** ; **pafark'o-isto** ; **paf' loko, truo, remparo** ; **aer. krak' pafileto** ; **preterpafi**. | *tirer un coup* (d'arme à feu ou d'arme de jet). |
| **PAG'I** | doni monon por ricevi komercaĵon, servon, k. t. p. ; sin liberigi de ŝuldo, imposto, k. t. p. ; — **ado, aĵo, anto, eta, ebla** ; **depag'o-ulo** ; **antaŭ, el, en, re'pagi** ; **senpaga** ; **pagokapabla**. AFHI. | *payer.* |
| **Paganism'o** (V. H.) | idolaneco. | *paganisme.* |
| **Pagod'o** | idola preĝejo en Hindujo kaj Ĥinujo. AFGHIR. | *pagode.* |
| **Pagr'o** (Rh.) | (ikti.) speco de marfiŝoj (*pagrus*). | *pagre.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Pagur'o** (V.) | (zoo.) speco de krustuloj (*pagurus*). | *bernard l'hermite.* |
| **PAĜ'O** | flanko, faco de paperfolio sur kiu oni skribas aŭ presas ; — **ordigisto**. AFGHIR. | *page* (une). |
| **PAĜI'O** | juna nobelo servanto de reĝo aŭ princo. AFGH IR. | *page* (un). |
| **Paj'o** ? (Rh.) | alia vorto (angla) por pasteĉo. A. | *pâté* (anglais). |
| **Pajaĉ'o** † (Df.) | histriono. En V. P. **pajaco**, preferinda. FI. | *paillasse* (un). |
| **PAJL'O** | trunketaro de sekaj gramenacoj, greno, aveno, k. t. p. ; — **aĵo** ; **pajlokolora**, **kovrita** ; **pajl'amaso**, **matraco** ; **pajlo'ŝtopi**, **remburi**. FHI. | *paille.* |
| **Pajnt'o** (Rh.) | mezurero de enteneco. | *pinte.* |
| **PAK'I** | kunligi kaj kunvolvi diversajn objektojn por ilin pli facile transporti ; — **eto**, **ego**, **aĵo**, **aro**, **anto**, **ejo** ; **pakaĵisto** ; **el**, **en**, **kun' paki** ; **poŝtpaketo** ; **pakokesto** ; **paktolo**. AFGHIR. | *empaqueter, emballer.* |
| **Pakiderm'o** (V.) | (zoo.) dikhaŭta mamulo, kiel elefanto, porko. | *pachyderme.* |
| **Paksil'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*paxillus*). | *paxille.* |
| **PAL'A** | senkolorigita ; — **ega**, **eta**, **eco**, **igi**, **iĝi** : **palkolora malsano**. AFHI. | *pâle.* |
| **PALAC'O** | domego de reĝo, k. t. p. ; — **simila**, **servisto**. AFGHI. | *palais.* |
| **Paladi'o** | (kem.) metalo. | *palladium.* |
| **PALANKEN'O** | portseĝo uzata precipe en Orientaj landoj. AFGHI | *palanquin.* |
| **PALAT'O** | (anat.) supera parto de la internaĵo de la buŝo ; — **osto**. AFHI. | *palais.* |
| **Palaten'o** (V.P.) | (pola) provincestro ; (hungara) ĉefmagnato. | *palatin.* |
| **Paleograf'o** (Df.) | paleografiisto. | *paléographe.* |
| **Paleografi'o** | arto deĉifri antikvajn skribaĵojn ; — **isto**, AFG HIR. | *paléographie.* |
| **Paleontolog'o** (Df.) | paleontologiisto. | *paléontologiste.* |
| **Paleontologi'o** | parto de la geologio, kiu traktas pri prabestoj kaj prakreskaĵoj. AFGHIR. | *paléontologie.* |
| **Paleozo'a** | rilata al pravivaĵoj, entenanta plej antikvajn fosiliojn. | *paleozoïque.* |
| **Palestr'o** (Df.) | korpekzerco, gimnastiko ; — **ejo**. AFGHIR. | *palestre.* |
| **PALETR'O** | maldika tabuleto uzata de pentristoj. AF. | *palette.* |
| **Pali'o** (V. I.) | religia lingvo de Cejlono. | *pali.* |
| **Paliativ'a** ? (Rh.) | helpa, duonefika, malgraviganta (ŝirmo, protekto) ; neplena (kuracilo) ; — **aĵo**. | *palliatif.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Palimpsest'o** (V. I.) | antikva manuskripto sur kiu oni forgratis la inkon por superskribi. | *palimpseste.* |
| **Palingenezo** (V. I.) | renaskiĝo, reviviĝo. | *palingénésie.* |
| **PALINUR'O** | (zoo.) speco de krustuloj. V. **langusto**. | *langouste.* |
| **PALIS'O** | stangeto el ligno por fiksi en tero; — **aĵo, aro, eto,**; **palisplektaĵo**. AFHI. | *pieu, échalas.* |
| **PALISAN-DR'O** | amerika ligno uzata por fari luksajn meblojn. AFHIR. | *palissandre.* |
| **Palium'o** (V.I.) | greka mantelo. | *pallium.* |
| **PALM'O** | speco de arboj unukotiledonaj el la tropikaj landoj; —**arbo, branĉo, radiko, vino; palmodimanĉo**. AFGHIR. | *palmier.* |
| **Palmett'o** + (Rh.) | ornamaĵo palmforma. | *palmette.* |
| **Palmiped'o** (V.) | (ornit.) klaso de akvobirdoj, kiel anaso, mevo. | *palmipède.* |
| **Palmipiedo** (V. I.) | V. **palmipedo**. | *palmipède.* |
| **PALP'I** | tuŝesplori; — **ado, ebla, eti**; **fuŝpalpi**. AF HI. | *palper.* |
| **PALPEBR'O** | membrano, kiu ŝirmas la okulojn; — **umi**. FHI. | *paupière.* |
| **Palpebrit'o** (Rh.) | V. **blefarito**. | *blépharite.* |
| **PALT'O** | speco de vira vesto, kiun oni surmetas al alia. FG. HR. | *paletot.* |
| **Paluden'o** (V.) | (geol.) fosilia konko. | *paludine.* |
| **Palumb'o** (Df.) | (ornit.) speco de kolumbo (*columbus palumbus*). | *ramier.* |
| **PAMFLET'O** | paskvilo, satira broŝureto; — **isto**. AFGR. | *pamphlet.* |
| **Pampstep'o** (Df.) | sudamerika stepo. | *pampa.* |
| **Pampelm'o** (V.) | speco de amerika citrujo (*citrus pampelmos*). | *pamplemousse.* |
| **PAN'O** | nutraĵo el knedita kaj bakita faruno; — **isto, ujo, ejo**; **pan'bulo, butiko, farado, komerco, molaĵo, krusto, ŝranko, vendejo**. | *pain.* |
| **Panace'o** (Df.) | universala kuracilo. AFGHIR. | *panacée.* |
| **Panak'o** (V.) | (bot.) speco de umbeliferoj (*panax*). | *panax.* |
| **Panam'o** (Df.) | centramerika loko, kiu donas sian nomon al ligno, ĉapelo, k. t. p. | *panama.* |
| **Panaris'o** (Df.) | (med.) fingrabsceso. | *panaris.* |
| **Pandekt'oj** (V. P.) | romana jurlibro farita laŭ ordono de imperiestro Justiniano. | *Pandectes.* |
| **Pandiono** (V.P.) | (ornit.) fiŝaglo (*pandion*). | *balbuzard.* |
| **Pane'o** (V.) | (mar.) haltiĝo de velŝipo. | *panne.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Panegir'a** ? (Rh.) | laŭda solena, (parolado); — **aĵo**, **anto**, **ulo**. AFGHIR. | *panégyrique.* |
| **Panel'o** | tabulo pentrita, skulptornamita, k. t. p. AFGR. | *panneau.* |
| **Paneol'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*paneolus*). | *panéolus.* |
| **PANIK'O** | ekteruro, tumulto (en popolamaso, k. t. p.). AFGHIR. | *panique.* |
| **Panik'o** (V.) | (bot.) speco de gramenacoj (*panicum*). | *panic.* |
| **Panikl'o** (Rh.) | (bot.) bukedforma floraro aŭ fruktaro. AFHI. | *panicule.* |
| **Pankrati'o** | (bot.) speco de liliacoj (*pancratium*). | *pancrais, pancratier.* |
| **Pankreas'o** | (anat.) glando, kiu havas gravan rolon en digestado. AFHI. Oni trovas en V. I. kaj H. **pankreo**. | *pancréas.* |
| **Pankromat'a** | (fot.) V. **ortokromata**. | *panchromatique,* |
| **PANORAM'O** | cirkla pentraĵo prezentanta vastan horizonton. AFGHIR. | *panorama.* |
| **PANS'I** | (med.) bandaĝi ; — **ado**, **aĵo**. | *panser.* |
| **PANTALON'O** | krurvesto ; — **eto** ; **sakpantalono**. FHI. | *pantalon.* |
| **Panteism'o** | (fil.) doktrino, laŭ kiu Dio estas ĉio. AFGHIR. | *panthéisme.* |
| **Panteist'o** | panteismano. AFGHIR. | *panthéiste.* |
| **PANTER'O** | (zoo.) mamulo viandomanĝa (*feles panthera*). | *panthère.* |
| **PANTOFL'O** | hejma piedvesto. FGH. | *pantoufle.* |
| **Pantoftalmi'o** (Rh.) | (med.) inflamo de la tuta okulo. | *panophtalmie.* |
| **Pantograf'o** | instrumento por kopii mekanike planojn, desegnaĵojn, k. t. p. AFGHIR. | *pantographe.* |
| **PANTOMIM'O** | arto esprimi ideojn kaj sentojn per gestoj ; — **isto**. AFGHIR. | *pantomime.* |
| **Panus'o** ☆ | (bot.) speco de agarikacoj (*panus*). | *panus.* |
| **PAP'O** | estro de la katolika romana eklezio. AFGHIR. | *pape.* |
| **Papisto** | papano. | *papiste.* |
| **Papism'o** (Df.) | papaneco. AFGHIR. | *papisme.* |
| **PAPAG'O** | (ornit.) speco de grimpobirdoj (*papagus*) ; — **eto**. GHIR. | *perroquet.* |
| **Papaj'o** | (bot.) speco de arboj dukotiledonoj (*carica papaya*) ; — **acoj**, **ialoj**. | *papayer.* |
| **PAPAV'O** | (bot.) speco de dukotiledonoj (*papaver*) ; — **acoj**. AFGH. | *pavôt.* |
| **PAPER'O** | maldika folio farita el malnova tolaĵo aŭ el lignaj fibroj kaj uzata por skribi, presi, k. t. p. ; — **eto**, **isto**, **ujo** ; **paper'folio**, **butiko**, **faristo**, **vendisto** ; **mona**, **negoca papero**. AFGH. | *papier.* |
| **Papil'o** (V.) | (anat.) malgranda eminanco sur haŭto, mukozo, k. t. p. AFGHIR. | *papille.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PAPILI'O** | (entom.) specaro de insektoj lepidopteroj. F. | *papillon.* |
| **Papirus'o** | (bot.) egipta cipero, kies ŝelon oni uzis por skribi. AFGHIR. | *papyrus.* |
| **Paprik'o** | ruĝa pipro, pimento. | *paprica, piment.* |
| **PAR'O** | kunaĵo de du objektoj aŭ estaĵoj; — **eco**, **igi**, **iĝi**; **parigisto**; **nepara**, **subpara**; **kunpariĝi**; **fortparo** (mek.). | *couple, paire.* |
| **Para'o** (V.) | (metr.) V. **paralo**? Eble mezurero de enteneco por sekaj legomoj en Portugala Hindujo? | *para.* |
| **Parabol'o** | (geom.) speco de kurblinio; (ret.) instrua alegorio. AFGHIR. | *parabole.* |
| **Paraboloid'o** | (geom.) surfaco de dua grado. AFGHIR. | *paraboloïde.* |
| **Paracentez'o** | (kir.) operacio por eltiri puson, humorojn. | *paracentèse.* |
| **PARAD'I** | (milit.) ceremonie viciri (pri armeo); — **paradmarŝi**, **placo**, **ĉevalo**. AFGR. | *passer ~~la revue,~~ parader.* |
| **Paradigm'o** | (gram.) gramatika ekzemplo. AFGHIR. | *paradigme.* |
| **PARADIZ'O** | ĝardeno, kie vivis Adamo kaj Evo antaŭ la peko. AFGHIR. | *paradis.* |
| **Paradize'o**(V.) | (ornit.) speco de tropikaj paseroj (*paradisea*). | *paradisier, oiseau de paradis.* |
| **PARADOKS'O** | opinio kontraŭa al la komuna opinio. AFGHIR. | *paradoxe.* |
| **Paraf'o** | distingiga streko aldonita al subskribo. AFI. | *parafe.* |
| **Parafin'o** | (kem.) substanco vaksosimila tirita el skistoleo. AFGHIR. | *parafine.* |
| **Parafraz'o** | multvorta klarigo, traduko. AFGHIR. | *paraphrase.* |
| **PARAGRAF'O** | parto, plej ofte numerita, de ĉapitro, parolado. AFGHIR. | *paragraphe.* |
| **Paral'o** | (voj.) turka monereto. | *para.* |
| **Paralaks'o** | (astr.) angulo laŭ kiu observanto ĉe la. centro de astro vidus la radion de la terglobo. AFGHIR. | *parallaxe.* |
| **PARALEL'A** | (geom.) konstante egaldistanca (pri linioj, surfacoj). AFGHIR. | *parallèle.* |
| **Paralelism'o**? (Df.) | (geom.) paraleleco. AFGHIR. | *parallélisme.* |
| **Paralelepiped'o** (V.) | (geom.) solido sesfaca, kies kontraŭaj facoj estas paralelaj. AFGHIR. | *parallélépipède.* |
| **Paralelipiped'o**? (Rh.) | (geom.) V. **paralelepipedo**. AFGHIR. | *parallélipipède.* |
| **Paralelogram'o** | (geom.) figuraĵo, kies kontraŭaj lateroj estas paralelaj. AFGHIR. | *parallélogramme.* |
| **PARALIZ'O** | (med.) senigo aŭ malpliigo de sento kaj movo; — **ajo**, **iĝi**, **ulo**. AFGHIR. | *paralysie.* |
| **Paralogism'o** | (fil.) erara rezono. AFGHIR. | *paralogisme.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Parametr'o** | (mat.) konstanta grando en ekvacio de kurbo. aŭ surfaco. AFGHIR. | *paramètre.* |
| **Paramidofe-nol'o** | (kem. fot.) kemiaĵo uzata en fotografado. | *paramidofénol.* |
| **Parangon'i** (V.) | (tekn.) laŭliniigi diversajn presliterojn. | *parangonner.* |
| **Paraped'o** (V.) | randmuro, balustrado brustoŝirmilo. AFHIR. | *parapet.* |
| **Parapet'o** (Rh.) | V. **parapedo**. AFGHIR. | *parapet.* |
| **Paraskv'o** (V. I.) | (ekb.) antaŭsabato ; sankta vendredo. | *parascène.* |
| **Paraselen'o** (V. I.) | (meteor.) lumrondo ĉirkau la luno. | *parasélène.* |
| **Parazit'o** | homo, estaĵo kiu vivas el malpropraj rimedoj. AFGHIR. | *parasite.* |
| **Parc'o** (V.) | (mit.) diaĵo kiu ŝpinas la vivon de homoj. AFG HIR. Oni trovas ankau **Parcino.** | *Parque.* |
| **Parcel'o** | parteto, ero. AFGHIR. | *parcelle.* |
| **Parcimoni'o** | troŝparemo. AFHI. | *parcimonie.* |
| **PARDON'I** | indulgi, senkulpigi ; — **ebla**, **ema**, **inda** ; **senpardona**. AFGHIR. | *pardonner.* |
| **PARENC'O** | samfamiliano, gepatroj, gefratoj, geonkloj, k. t. p.; — **ino**, **aro**, **eco**, **igi**, **iĝi** ; **senparenca**. FHI. | *parent* (frère, oncle, etc.). |
| **Parenkim'o** (V.) | (bot.) vegetaĵa aŭ animala teksaĵo el multangulaj ĉeloj. | *parenchyme.* |
| **PARENTEZ'O** | krampo, frazo inter krampoj. AFGHIR. | *parenthèse.* |
| **PARFUM'O** | agrabla odoro, bonodaraĵo ; — **aro**, **isto**, **ujo**, **ita**. AFGHIR. | *parfum.* |
| **PARGET'O** | planka tabularo ; — **aĵo**, **ero**, **isto**, **ita**. AFGR. | *parquet* (de chambre). |
| **Parheli'o** (Df.) | (astr.) speguliĝo de suno sur nuboj. AFGHIR. | *parhélie.* |
| **Pari'o** | muro, flanko, septo, vando. AFHI. | *paroi.* |
| **Paria'o** (Df.) | (voj.) apartulo (en Hindujo). | *paria.* |
| **Pariet'a** (Rh. V.) | (anat.) pri la flankaj kraniostoj. AFHI. | *pariétal.* |
| **Parietal'a** (Rh.) | pri la regiono de la parietostoj. AFHI. | *pariétal.* |
| **Parietari'o** (V). | (bot.) speco de urtikacoj (*parietaria*). | *pariétaire.* |
| **PARK'O** | granda ĝardeno kun herbejoj, arbaroj, k. t. p. ; — **enparkigi**. AFGHIR. | *parc.* |
| **Park'o** (Df.) | V. **Parco**. | *Parque.* |
| **Parkal'o** (Df.) | speco de kotonŝtofo. | *percale.* |
| **PARKERE** | memore. F. | *par cœur.* |
| **PARLAMEN-T'O** | politika reprezentantaro ; — **ano**, **ejo**. AFG HIR. | *parlement.* |
| **Parlamenta-ri'o** (Df.) | (milit.) oficiro komisiita por interparoli kum malamikoj. | *parlementaire.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Parlamenta-rism'o** | parlamenta registaro. AFGHIR. | *parlementarisme.* |
| **Parmesan'o** (V. I.) | parma verda fromaĝo. En V. P. **parmezano.** | *parmesan.* |
| **Parnas'o** (Df.) | (mit.) greka monto dediĉita al Apolono kaj Muzoj. | *Parnasse.* |
| **Parnasi'o** | (bot.) speco de marĉherboj dukotiledonoj (*parnassia*). | *parnassie.* |
| **PARODI'O** | ŝerca imitaĵo de poemo aŭ verko. AFGHIR. | *parodie.* |
| **PAROĤ'O** | teritorio regata de unu pastro ; — **ano, estro** ; **paroĥa preĝejo.** AFGHI. | *paroisse.* |
| **Paroksism'o** | plej alta punkto de malsano, pasio, k. t. p. AFGHIR. | *paroxysme.* |
| **PAROL'I** | esprimi la penson per vortoj ; — **ado, aĵo, anto, eco, ema, ejo, isto** ; **al, el, ek, dis, inter, pri, pro, re, sub' paroli** ; **kant, naz' paroli** ; **antaŭ, kontraŭ' parolo** ; **liberparolema** ; **belparolulo.** FHI. | *parler.* |
| **Parotid'o** (Df.) | (anat.) apudorela glando. | *parotide.* |
| **Parotit'o** (Df.) | (med.) inflamo de la parotido. | *parotite.* |
| **PART'O** | peco, fragmento, ero ; — **eto, umi, ig'i-isto** ; **partopreni** ; **dispartigi** ; **poparta. laŭparta.** AFGHI. | *part, partie.* |
| **PARTER'O** | teretaĝo de teatro. FGIR. | *parterre.* |
| **PARTI'O** | samopinia anaro ; edzigebla persono — **eto, eco, ano, ema** ; **senpartia.** AFGHIR. | *parti.* |
| **PARTICIP'O** | (gram.) vorto verbadjektiva, kiel *amata, vivanta,* k. t. p. AFGHI. | *participe.* |
| **PARTIKL'O**(V). | (gram.) vorteto, vortero, afikso. AFGHI. | *particule.* |
| **PARTIKOL'O** (Rh.) | (gram.) V. **partikl'o.** AFGHI. | *particule.* |
| **Partikular'a** (V. P.) | ekzkluziva, aparta, privata. | *particulier.* |
| **Partikularis-m'o** | emo por defendi sendependecon de grupetoj. AFGHIR. | *particularisme.* |
| **Partikularis-t'o** | partikularismano. AFGHIR. | *particulariste.* |
| **Partitiv'a** | dispartiga. | *partitif.* |
| **PARTITUR'O** | sumo de la diversaj partoj de opero. AFGHIR. | *partition.* |
| **Partizan'o ?** (V. P.) | partiano. | *partisan.* |
| **Parvenu'o** (V. P.) | riĉiĝinta krudulo, elsaltulo. | *parvenu.* |
| **PARU'O** | (ornit.) speco de paserbirdoj (*parus*). H. | *mésange.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PAS'I** | iri de unu loko al alia ; — **anto, ema, igi ; al, el, en, for, preter, tra, trans, super' pasi ; pasigi la tempon ; tempo' pasigilo, pasigado.** AFGHI. | *passer.* |
| **Pasaĝer'o** | vojaĝanto en fervojo, vaporŝipo. AFGHIR. | *voyageur, passager.* |
| **PASAMENT'O** | vestornamaĵo el silko aŭ oro, arĝento, k. t. p. ; — **aro, isto.** FGHIR. | *galon, tresse.* |
| **PASER'O** | (ornit.) speco de birdoj (*passer*) V. **pirgito.** FI. | *moineau.* |
| **PASI'O** | fortega movo de animo ; sufero de Jesuo Kristo ; — **ema, ulo, igi, iĝi ; senpasia.** AFGHI. | *passion.* |
| **Pasiflor'o** (Df.) | (bot.) speco de tropikaj kukurbacoj (*passiflora*). | *passiflore.* |
| **PASIV'A** | (fil., gram., fin.) ricevanta eksteran agon ; neaktiva ; malpropra ; — **eco, igi, iĝi.** AFGHIR. | *passif.* |
| **PASK'O** | solena festo de Hebreoj kaj Kristanoj. AFHIR. | *Pâque.* |
| **Paskal'a** | (limako) esplorita de la franca sciencisto Pascal. | *de Pascal.* |
| **PASKVIL'O** | malalta satiro, burleska pamfleto. | *pasquinade, diatribe, pamphlet.* |
| **PASPORT'O** | rajtigo vojaĝi en eksterlando. AFGHIR. | *passeport.* |
| **PAST'O** | trempita kaj knedita faruno. AFGHIR. | *pâte.* |
| **PASTEĈ'O** | speco de kukaĵo entenanta viandon aŭ fiŝon. (V. **pajo.**) AFGHIR. | *pâté.* |
| **PASTEL'O** | plata rondaĵo el sukero, gumo, k. t. p. AFGHIR. | *pastille.* |
| **Pasteŭriz'i** | steriligi, senĝermigi laŭ metodo de Pasteur. | *pasteuriser.* |
| **Pastiĉ'o** | imitaĵo de pentraĵo aŭ verko. | *pastiche.* |
| **Pastinak'o** | (bot.) speco de umbeliferoj (*pastinaca*). GHIR. | *panais.* |
| **Pastoro** (V. P.) | protestanta pastro. | *pasteur, ministre protestant.* |
| **PASTORAL'O** | speco de poemo rilatanta paŝtistojn ; (en V. P.) episkopa bastono. AFGHIR. | *pastorale ; crosse.* |
| **PASTR'O** | ministro de religia kulto ; — **ino, aĵo, eco, aro, ejo ; pastra domo, robo, mantelo.** AFGHIR. | *prêtre.* |
| **Pastrarism'o** (Rh.) | V. **klerikalismo.** | *cléricalisme.* |
| **PAŜ'I** | meti unu piedon antaŭ la alia por marŝi ; — **ado, anto, egi, eti ; al, antaŭ, en, kun, preter, re, sur, tra, trans' paŝi.** AFHI. | *faire un pas.* |
| **Paŝah'o** (Df., Rh.) | (voj.) turka provincestro. AFGHIR. | *pacha.* |
| **Paŝalik'o** | provinco regata de paŝaho. | *pachalik.* |
| **PAŜT'I** | nutri, zorgi pri la nutrado (de brutoj) ; — **aĵo, ejo, ita, isto.** AFHIR. | *faire paître.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PAŜTEL'O** | krajono el pulvorigitaj koloriloj; pentraĵo farita per tiaspecaj krajonoj; — **isto**. FGHIR. | *pastel.* |
| **PAT'O** | fritilo; **pato' kuko, vendisto**. | *poêle à frire.* |
| **Patat'o** (Df.) | (bot.) speco de konvolvulaco (*convolvulus batatas*). AFGHIR. | *patate.* |
| **Patel'o** (Rh.) | (anat.) genuosto. | *rotule.* |
| **Paten'o** (V. I.) | sankta vazo telerforma. | *patène.* |
| **PATENT'O** | rajtigo ekzerci profesion; rajtiga diplomo. AFGHIR. | *patente, brevet.* |
| **Patogeni'a** | (med.) malsaniga. AFGHIR. | *pathogène.* |
| **Patologi'o** | (med.) scienco pri malsanoj. AFGHIR. | *pathologie.* |
| **PATOS'O** | kortuŝa, insista dirmaniero; — **aĉo**. AFGR. | *pathos, pathétique, emphase.* |
| **PATR'O** | naskinto de infano; — **ino, eco, ujo; pra, ge, bo' patroj; paĉjo, panjo; baptopatro; patro'lando, mortigo; sampatrujano**. AFHI. | *père.* |
| **PATRIARK'O** | respekteginda familiestro; ĉefpastro; — **ajo, eco**. AFGHIR. | *patriarche.* |
| **Patric'o** | ŝtampilo por fabriki medalojn, monerojn, k. t. p. | *poinçon, coin.* |
| **Patrici'o** | nobelo (en antikva Romo); — **aro, eco**. AFGHIR. | *patrice, patricien.* |
| **Patrimoni'o** (V. P.) | hereda propraĵo, bieno. | *patrimoine.* |
| **PATRIOT'O** | patrujamanto. AFGHIR. | *patriote.* |
| **Patriotism'o** | patrioteco. AFGHIR. | *patriotisme.* |
| **PATROL'O** | (milit.) taĉmento, militesploreto. AFGHIR. | *patrouille.* |
| **PATRON'O** | speciala protektanto; — **eco, anto**. AFGHIR. | *patron, protecteur.* |
| **Paŭs'i** (V.) | transkopii, transdesegni, dekalki. | *calquer, décalquer.* |
| **PAŬZ'O** | momenta haltigo (de agado, laboro, k. t. p.). AFGHIR. | *pause, récréation.* |
| **PAV'O** | (ornit.) speco de kortbirdo (*pavo*); — **ino, ido**. FHIR. | *paon.* |
| **Pavan'o** (Df.) | speco de danco (sub la formo: **pavandanco**). | *pavane.* |
| **Pavez'o** (V.) | (mar.) ferdekmuro (Df.). | *bastingage.* |
| **Pavi'o** (V.) | (bot.) speco de sapindacoj (*pavia*). | *pavier.* |
| **Pavian'o** | (zool.) speco de simio. | *babouin.* |
| **Pavilion'o** (W. D. E.) | V. **pavilono**? | *pavillon.* |
| **Pavilon'o** | tendo (laŭ Rh.); kampodometo (laŭ V. kaj Df.) | *pavillon.* |
| **PAVIM'O** | kovraĵo el ŝtono, ligno, k. t. p. sur tero de strato, vestiblo, k. t. p.; — **ado, ero, isto, ita**. AF. | *pavé* (le). |
| **Pazigrafi'o** | universala skribsistemo. AFGHIR. | *pasigraphie.* |
| **Pazilali'o** | universala lingvaĵo. AFGHIR. | *pasilalie.* |
| **Pean'o** | greka himno venkokanto. AFG. | *Péan.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PEC'O** | parto, fragmento, ero ; — **eto, ego, igi, iĝi** ; **dispecigi** ; **unupeca**; **almeti pecon**. AFHI. | *pièce, morceau.* |
| **Peciol'o** (Df.) | (bot.) trunketo (de folio). | *pétiole.* |
| **PEĈ'O** | rezina suko el pino kaj aliaj arboj ; — **umi** ; **peĉgusta**. AFGHIR. | *poix.* |
| **PEDAGOG'O** | instruanto de infanoj ; pedagogiisto. AFGHIR. | *pédagogue.* |
| **Pedagogi'o** | arto instrui la infanojn ; scienco de edukado. AFGHIR. | *pédagogie.* |
| **PEDAL'O** | piedmovilo en orgeno, biciklo, k. t. p. ; — **ado**; **pedalaksujo**. FHIR. | *pédale.* |
| **PEDANT'O** | sciencafektulo, scienculaĉo ; — **ino, eco**. AFGHIR. | *pédant.* |
| **PEDEL'O** | subalterna oficisto de preĝejo, universitatejo, k. t. p. | *appariteur, bedeau.* |
| **PEDIK'O** | (entom.) speco de insektoj hemipteroj parazitoj (*pediculus*) ; — **hava, ovo**. | *pou.* |
| **Pedikl'o** (V.) | (bot. med.) portorganeto. | *pédicule.* |
| **Pedikularis'o** (V.) | (bot.) speco de skrofulariacoj (*pedicularis*). | *pédiculaire.* |
| **Pedunkl'o** (V.) | (bot.) portorgano de floro aŭ frukto. | *pédoncule.* |
| **PEG'O** | (ornit.) speco de grimpuloj (*picus*). AFGHI. | *pic.* |
| **PEJZAĜ'O** | kampara vidaĵo ; — **isto, pejzaĝopentristo**, FHI. | *paysage.* |
| **PEK'I** | fari kulpon (precipe kontraŭ Dio) ; — **ado, eca, ulo, igi** ; **senpekigi** ; **propekulo**. FHI. | *pécher.* |
| **PEKL'I** | meti en salon por konservi ; — **ita, aĵo, isto, ejo** ; **peklakvo**. A. | *saler* (pour conserver). |
| **Pektin'o** (Rh.) | (kem.) gelatenaĵo trovebla en la fruktoj. | *pectine.* |
| **PEL'I** | perforte forigi ; — **ado, anto, isto** ; **al, el, for tra, trans' peli** ; **elpelito**. | *repousser, chasser.* |
| **Pelel'o** (Df.) | speco de angla (pala) biero. | *pale ale.* |
| **Pelerin'o** | speco de manteleto, ŝultromantelo. FGIR. | *pélerine.* |
| **PELIKAN'O** | (ornit.) speco de palmipedoj (*pelecanus*). AFGHIR. | *pélican.* |
| **PELT'O** | longa mantelo garnita de felo ; — **aĵo, isto, farado, vendejo**. | *pelisse.* |
| **PELV'O** | vazego ; granda ujo (por likvaĵoj, riveroj, intestoj, k. t. p.). AFHI. | *bassin* (vase). |
| **Pemikan'o** | (voj.) viandpremaĵo. AFGHIR. | *pemmican.* |
| **PEN'I** | uzi forton por, celi per tutaj fortoj ; — **ego, ado, ema, inda, igi** ; **senpene**. | *tâcher, s'efforcer de.* |
| **Penat'oj** | hejmaj dioj ĉe la antikvaj Romanoj. | *pénates.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PENC'O** | angla monereto. (0,095). AFGHIR. | *penny.* |
| **PEND'I** | esti en aero, supergrunde; — **aĵo, igi, ingo**; **al el, de' pendi**; **elpendaĵo**. FHI. | *pendre, être suspendu.* |
| **PENDOL'O** | pezaĵo pendanta kaj oscila; — **anta**; **pendol-horloĝo**. AFGHIR. | *pendule.* |
| **PENETR'I** | eniri profunden, trairi; — **anta, ado, ebla, ema, eco, igi, iĝi**; **nepenetrebla**; **enpenetri**. AFGHI. | *pénétrer.* |
| **PENIK'O** | broso kun haroj por pentri; objekto penikforma; — **eto**. AFGH. | *pinceau.* |
| **Penis'o** | (anat.) vira seksorgano. | *pénis.* |
| **Penitenc'o** (Df.) | sakramento (pri la konfeso de pekoj); — **ulo, ejo, oficisto**. AFHI. | *pénitence.* |
| **PENS'I** | formi, volvi ideojn en la spirito; — **ado, ema, isto, ulo, igi, iĝi**; **el', pri' pensi**; **enpensiĝi, antaŭpenso**; **senpripense**; **elpensinto**. FHI. | *penser.* |
| **PENSI'O** | sumo pagita ĉiujare al persono kiel rekompenco de antaŭaj servoj; — **ita, ulo, domo**. AFGHIR. | *pension* (rente). |
| **Pension'o** (R.) | loko kie oni povas loĝi kaj manĝi konstante pro difinita monsumo. AFGHIR. | *pension* (maison). |
| **PENT'I** | havi ĉagrenon pro faritaj kulpoj kaj deziri ilian riparadon: — **anta, ema, ulo**; **pentofari**. AFGHIR. | *se repentir.* |
| **Pentagon'o** (V.) | (geom.) kvinangula poliedro. | *pentagone.* |
| **Pentametr'o** | kvinpieda greka aŭ latina verso. AFGHIR. | *pentamètre.* |
| **Pentarki'o** | registaro de kvin estroj. | *pentarchie.* |
| **Pentatom'o** | (ent.) speco de insektoj hemipteroj (*pentatoma*). | *punaise des bois.* |
| **PENTEKOST'O** | la kvindeka tago post Pasko. AFHI. | *Pentecôte.* |
| **PENTR'I** | reprezenti ion per linioj kaj koloraĵoj; — **ado, aĵo, ilo, isto, ejo**; **akvopentrado**; **fuŝpentri**. AFGHIR. | *peindre.* |
| **PEONI'O** | (bot.) speco de ranunkolacoj (*pœonia*). | *pivoine.* |
| **PEP'I** | kanteti, krieti (pri birdoj, precipe pri paseroj, k. t. p.); — **adi, egi, ema**. AFGH. | *gazouiller, pépier.* |
| **Pepsin'o** | (fiziol.) diastazo trovebla en la stomaka suko. AFGHIR. | *pepsine.* |
| **Pepton'o** | (kem.) substanco naskita de la ago de pepsino sur albuminojdoj. AFGHIR. | *peptone.* |
| **PER** | prepozicio, uzata antaŭ nomoj de instrumentoj, rimedoj, helpantoj, k. t. p.; — **anto, ilo, isto, ulo**; **senpere**. FHI. | *par, au moyen de.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Percept'o** | (fil.) kono de objekto per ricevita impreso. AFHI. | *perception.* |
| **PERĈ'O** | (ekti.) speco de riverfiŝo (*acerina vulgaris*). | *perche héronnière,grémille.* |
| **Perĉi'o** (Rh.) | angla mezurero de longeco : kvin jardoj kaj duono. | *perche.* |
| **PERD'I** | seniĝi de posedaĵo, ne plu retrovi ; — **aĵo, ebla, igi, iĝi** ; **perdi la vojon**. FHI. | *perdre.* |
| **PERDRIK'O** | (ornit.) speco de birdoj (*perdix*) ; — **ino, ido**. AFHI. | *perdrix.* |
| **PERE'I** | formorti, neniiĝi, malaperi ; — **eco, ema, onta, ig'i-a**. AFHI. | *périr.* |
| **Peremptora** ? (V.) | decidiga. | *péremptoire.* |
| **PERFEKT'A** | senmanka, plenbona ; — **eco, igi, iĝi** ; **perfektigebla**. AFGHI. | *parfait.* |
| **PERFID'I** | trompi la konfidon de iu ; liveri al malamiko ; — **aĵo, eco, ema, ulo**. AFGHI. | *trahir.* |
| **PERGAMEN'O** | ŝaffelo preparita por skribi. AFGHIR. | *parchemin.* |
| **Periant'o** (V.) | (bot.) ekstera ŝelo de floro, kaliko kaj korolo, l. v. ĉirkaŭfloro. AFGHIR. | *périanthe.* |
| **Periferi'o** | (geom.) konturo de kurblinia figuraĵo. AFGHIR. | *périphérie.* |
| **Perifraz'o** ? | ĉirkaŭfrazo. | *periphrase.* |
| **Perige'o** | (astr.) punkto de orbito de planedo plej proksima de la tero. AFGHIR. | *périgée.* |
| **Perigon'o** (V.) | (bot.) ekstera ŝelo de anteridioj en muskoj. | *périgone.* |
| **Perihelio** | (astr.) punkto de orbito de planedo plej proksima de la suno. AFGHIR. | *périhélie.* |
| **Perikard'o** | (anat.) seroza ŝelo de la koro. AFGHIR. | *péricarde.* |
| **Perikardit'o** | (med.) inflamo de la perikardo. AFGHIR. | *péricardite.* |
| **Perikarp'o** (V.) | (bot.) ŝelo de kreskaĵa semo. AFGHIR. | *péricarpe.* |
| **Perikop'o** ? (Rh.) | alia vorto por **paragrafo**. | *péricope.* |
| **Perikrani'o** (Rh.) | (anat.) ekstera parto de supraĵo de kranio. | *péricrâne.* |
| **Perimetr'o** | (geom.) konturo de surfaco. AFGHIR. | *périmètre.* |
| **Perine'o** | (anat.) malsupera parto de la homa korpo inter anuso kaj seksorganoj. | *périnée.* |
| **PERIOD'O** | daŭro de tempo inter du datoj, epokoj ; ripetiĝema serio ; — **aĵo, eco**. AFGHIR. | *période.* |
| **Periost'o** | (anat.) membrano ĉirkaŭosta. AFGHIR. | *périoste.* |
| **Periostoz'o** (Df.) | (med.) ŝveliĝo de periosto. | *périostose.* |
| **Peristalt'a** | (fiziol.) l. v. ĉirkaŭprema (pri movoj de ezofago kaj intesto). AFGHIR. | *péristaltique.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Peristil'o** | (arkit.) kolona galerio ĉirkaŭ konstruaĵo. AFG HIR. | *péristyle.* |
| **Periton'o**(Rh.) | V. **peritoneo**. | *péritoine.* |
| **Peritone'o** (V.) | (anat.) seroza membrano de la abdomeno. AFHI. | *péritoine.* |
| **Peritoneit'o** (V.) | (med.) inflamo de peritoneo. AFHI. Oni trovas ankaŭ **peritonito** (Rh.). | *péritonite.* |
| **PERK'O** | (ikt.) speco de riverfiŝoj (*perca*); — **oidoj**. AF HI. | *perche.* |
| **Perkal'o**(V.P.) | V. **parkalo**. | *percale.* |
| **Perkut'i** (V.) | frapi, frapeti; — **ilo**; **perkuta kapsulo**, **pafilo**. AFGHI. | *percuter.* |
| **PERL'O** | brila kaj ronda ŝtoneto naskita en iaj markonkoj kaj uzata kial juvelo; objekto perlforma; — **hava**, **iĝi**. AFGHI. | *perle.* |
| **PERLAMOT'O** | substanco blanka trovebla en iaj markonkoj, kaj el kiu oni faras butonojn, ventumilojn, k. t. p. La vorto signifas « *patrino de perloj.* » GR. | *nacre.* |
| **Perm'a** (V.) | (geol.) unu el la geologiaj formacioj de la dua epoko. | *permien.* |
| **PERMES'I** | doni, lasi liberecon, rajton ion fari; — **ado**, **aĵo**, **anto**, **ebla**; **malpermesi**; **forpermesi**. AFGHI. | *permettre.* |
| **Permi'a** (Rh.) | (geol.) V. **perma**. | *permien.* |
| **Permut'i** | (mat.) interŝanĝi; — **aĵo**, **ebla**. AFGHI. | *permuter.* |
| **Pernis'o** (V.) | (ornit.) speco de rabobirdo (*pernis*). | *bondrée.* |
| **Peroksid'o** | (kem.) kombinaĵo de korpo kun plej granda kvanto da oksigeno. AFCHIR. | *peroxyde.* |
| **PERON'O** | antaŭporda ŝtuparo de domo. FR. | *perron.* |
| **Perone'o** (Df.) | (anat.) l. v. fibulo, ekstera krurosto. | *péroné.* |
| **Perpendikl'a** (Df.) | (geom.) falanta sur linion aŭ ebenon tiamaniere ke ĝi naskas kun ĝi du apudajn angulojn egalajn. AFGHIR. | *perpendiculaire.* |
| **Perpendikular'a** (Rh.) | (geom.) V. **perpendikla**. | *perpendiculaire.* |
| **Perpleks'a** ? (Rh.) | konfuzita, embarasita, senkonsila; — **eco**. AF. | *perplexe.* |
| **PERS'O** | popolano de Azia lando; — **ujo**. | *Perse.* |
| **PERSEKUT'I** | sekvi por turmenti, ĝeni; — **ado**. AFHI. | *poursuivre, persécuter.* |
| **Perse'o** | (astr.) boreala stelaro. | *persée.* |
| **PERSIK'O** | frukto de la persikujo (*amydalus persica*). GR. | *pêche.* |
| **Persikari'o**(V.) | (bot.) speco de poligono (*polygonum persicaria*). | *persicaire.* |
| **PERSIST'I** | daŭri, ne ĉesi (precipe pri volo, ago, k. t. p.); — **eco**, **ema**, **ulo**; **malpersisti**. AFHI. | *persévérer, persister.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PERSON'O** | homa estaĵo ; individuo konscia kaj memstara ; — **aĵo, aro, eco, igi, iĝi** ; **nepersona**. AFGHIR. | *personne.* |
| **Perspekt'o** (Rh.) | (mat.) scienco pri la perspektivo. | *perspective.* |
| **Perspektiv'o** | diverseco de aspektoj laŭ malproksimeco de objektoj. AFGHIR. | *perspective.* |
| **Perturb'i** | (fiz. med.) konfuzi, elreguligi ; — **ado**. AFGHIR. | *perturber.* |
| **PERUK'O** | falshararo ; — **isto, ejo**. FGHIR. | *perruque.* |
| **PES'I** | esplori, taksi la pezecon de io ; — **ado, ebla, ilo**. FHI. | *peser* (trans.). |
| **Peset'o** | hispana monero. AFGHIR. | *peseta.* |
| **Pesimism'o** | (fil.) doktrino, laŭ kiu ĉio estas plej malbona en la mondo. AFGHIR. | *pessimisme.* |
| **Pesimist'o** | (fil.) pesimismano. AFGHIR. | *pessimiste.* |
| **PEST'O** | (med.) grava infekta malsano ; — **eca, iga, ulo** ; **pestodona**. AFGHI. | *peste.* |
| **PET'I** | alparoli iun, por ricevi donon, servon, permeson, k. t. p. ; — **adi, anto, aĵo, egi, ema** ; **propeti, trudpeti** ; **almozpeti** ; **petskribo**. AFHI. | *prier, demander.* |
| **Petal'o** | (bot.) florfolio ; — **oida, simila**. AFHI. | *pétale.* |
| **Petard'o** | eksplodilo farita el pudro en kartona tubo. AFGHIR. | *pétard.* |
| **PETOL'I** | diri, fari malseriosaĵojn, maldecaĵojn ; — **aĵo, eco, ema, ulo**. AFI. | *polissonner.* |
| **PETROL'O** | ŝtonoleo, teroleo ; — **ita, puto, motoro**. AFGHI. | *pétrole.* |
| **Petrologi'o** | (sc.) scienco pri la ŝtonoj. | *pétrologie.* |
| **PETROMIZ'O** | (ikt.) marfiŝo angilforma (*petromyzon*). | *lamproie.* |
| **PETROSEL'O** | (bot.) speco de umbelifero uzata kiel spicaĵo (*petroselinum*). | *persil.* |
| **Petrosilik'o** (V.) | (miner) silikoŝtono. | *pétrosilex.* |
| **Petun'o** ? (Df.) | (bot.) V. **petunio**. | *pétunia.* |
| **Petuni'o** (Rh.) | speco de solanacoj (*petunia*). | *pétunia.* |
| **Petuns'o** (Df.) | ŝtono uzata en la fabrikado de ĥina porcelano. | *pétunsé.* |
| **PEZ'I** | fari konstantan premon sub si (pro la altiro de la tero) ; — **aĵo, eco, ila, igi, iĝi** ; **senpeza** ; **superpezi** ; **plipezo** ; **pezocentro** ; **specifa pezo**. FHI. | *peser* (intr.). |
| **Pfenig'o** | germana monero (o fr. 012). AFGHIR. | *pfennig.* |
| **PI'A** | respektoplena por ĉiuj religiaĵoj ; — **eco, aĵo, ulo, aĉa** ; **malpia**. AFHI. | *pieux.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Piamatr'o** | (anat.) unu el la ĉirkaŭcerbaj membranoj. | *pie-mère.* |
| **PIAN'O** | (muz.) speco de korda muzikilo, ankaŭ nomata fortepiano ; — **isto**. AFFHIR. | *piano.* |
| **Piastr'o** | arĝenta monero precipe uzata en Hispanujo kaj Orientaj landoj. AFGHIR. | *piastre.* |
| **PICE'O** | (bot.) speco de abio (*picea excelsa*). FI. | *épicéa.* |
| **PIED'O** | ekstremaĵo malsupera de la kruro ĉe homo kaj iaj bestoj, sidanta tere kaj uzebla por marŝi, kuri, k. t. p. ; — **eto, ego ; ingo, iri, artiko, fingro, kuracisto, vesto ; piedo'bati, frapi ; piedsoldato**. FHIR. | *pied.* |
| **PIEDESTAL'O** | bazo de statuo, vazo, kolono. AFGHIR. | *piédestal.* |
| **Pielonefrit'o** | (med.) inflamo de la rena membrano. | *pyélonéphrite.* |
| **Pier'o** (V.) | (arkit.) pontkolono. | *pile de pont.* |
| **Pietism'o** | doktrino de la pietistoj. AFGHIR. | *piétisme.* |
| **Pietist'o** | sekto de germanaj luteranoj. AFGHIR. | *piétiste.* |
| **Pig'o** | (ornit.) speco de paserbirdoj (*pica*). FHI. | *pie.* |
| **Pigarg'o** (V.) | (ornit.) speco de rabobirdo (*haliætus*). | *pygargue, orfraie.* |
| **Pigme'o** | malgrandegulo, nano. AFGHIR. | *pygmée.* |
| **Pigment'o** | kolorilo dela haŭto. AFGHIR. | *pigment.* |
| **PIK'I** | trabori, difekti per pinto ; — **ado, ilo, eco, eti, egi, ant'a-eco ; pik'doloro, vundo**. A FH. | *piquer.* |
| **PIK'O** | unu el la kvar koloroj en ludkartaro. | *pique* (carte). |
| **PIKED'O** | (1) soldatareto (2) speco de kartludo. AFGHIR. | *piquet.* |
| **Piknik'o** (Rh. V.) | plezura kampekskurso, kotizomanĝo. AF. | *pique-nique.* |
| **Pikrat'o** | (kem.) salo el pikrika acido kaj bazo. AFGHIR. | *picrate.* |
| **Pikrik'a** ★ | (kem., acido) tirita el fenolo. AFGHIR. | *picrique.* |
| **Pil'o** | (elek.) aparato por naski galvanan elektron ; — **aro**. AFGHIR. | *pile* (électrique). |
| **Pilastr'o** | kolonego, kvadrata kolono. | *pilastre.* |
| **PILGRIM'I** | vojaĝi por viziti sanktejon ; — **anto, ado. ulo**. AFGR. | *aller en pélerinage.* |
| **PILK'O** | luda ĵetbulo ; — **pilkludo, pilkbatilo**. | *balle* (jeu). |
| **PILOL'O** | (farm.) farmacia buleto ; objekto pilolforma ; — **eto, ego**. AFGHIR. | *pilule.* |
| **PILON'O** | portalo de la antikvaj egipaj temploj. AFGHIR. | *pylone.* |
| **Pilor'o** | (anat.) aperturo tra kiu nutraĵoj transiras el la stomako en la maldikan intestón. AFHI. | *pylore.* |
| **Pilori'o** (Rh.) | malhonora kolono. AF. | *pilori.* |
| **Pilot'o** | direktilisto, ŝipgvidisto ; **piloti**. AFGHI. | *pilote.* |
| **Piment'o** | (bot.) frukto de kapsiko (*capsicum*). AFHI. | *piment.* |
| **Pimpinel'o** (V. P.) | (bot.) speco de umbeliferoj (*pimpinella*), | *boncage.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PIN'O** | (bot.) speco de koniferoj (*pinus*) ; — **aro, ejo, pin'folio, ligno, semo**. AFHI. | *pin.* |
| **Pinac'o** (Rh.) | militŝipa boato. F. | *pinasse.* |
| **Pinakotek'o** | pentraĵa galerio, muzeo. AFGHIR. | *pinacothèque.* |
| **Pinastr'o** | (bot.) speco de pino (*pinus maritima, pinaster*). AFHI. | *pinastre, pin maritime.* |
| **Pineal'a** | (anat.) korpeto kiu troviĝas en la cerbo. | *pinéale* (glande). |
| **PINĈ'I** | premi la haŭton inter fingroj ; — **ado, ilo** ; **eti, ŝirpinĉi** ; **pinĉotiro**. AF. | *pincer.* |
| **Pingikol'o** (V.) | (bot.) speco de akvokreskaĵo insektkaptanta (*pinguicula*). AF. | *grassette.* |
| **PINGL'O** | metala stangeto por fiksi ; — **ego, ujo**. | *épingle.* |
| **Pingven'o** (V.) | (ornit.) speco de palmipedoj (*alca*). AFHIR. | *pingouin.* |
| **Pini'o** | (bot.) speco de pino (*pinus pinea*). FG. | *pin pignon.* |
| **Pinjon'o** (Rh.) | frontono (de domo). | *pignon.* |
| **PINT'O** | ekstremaĵo akra kaj pika ; — **aĵo, igi, hava** ; **senpintigi**. AFHI. | *pointe.* |
| **PIOĈ'O** | ferfosilo. | *pioche.* |
| **Piogen'a** (Rh.) | (med.) pusprodukta. | *pyogène.* |
| **PIONIR'O** | milita antaŭiranto, antaŭfaranta la vojon. AFGIR. | *pionnier.* |
| **PIP'O** | fumilo ; objekto pipforma ; — **pacpipo** ; **pipotubo**. AFHI. | *pipe.* |
| **Pipistrel'o** (V.) | (zoo.) speco de vesperto (*vespertus pepistrellus*). | *pipistrelle.* |
| **Piper'o** (V.) | V. **pipr'o** ; — **acoj**. | *poivrier.* |
| **PIPR'O** | frukto de piperujo (*piper*) uzata kiel spicaĵo ; — **eca, ujo** ; **ruĝa, polva pipro**. AFI. | *poivre.* |
| **PIPS'O** | malsano de birdoj naskita de ĉirkaŭbeka membraneto. AFGHI. | *pépie.* |
| **PIR'O** | frukto de pirujo (*pirus*) ; — **ujo, arbo, forma**. AFHI. | *poire.* |
| **PIRAMID'O** | (geom.) solido havanta multangulon kiel bazon kaj kies triangulaj facoj kuniĝas ĉiuj en sama punkto ; — **eca** ; **piramida stumpo**. AFGHIR. | |
| **PIRAT'O** | marrabisto, kaperisto. AFGHIR. | *pirate.* |
| **Piretr'o** (V.) | (bot.) speco de kompozito (*pyrethrum tanacetum*). FI. | *pyrèthre.* |
| **Pirgit'o** (V.) | (ornit.) scienca nomo de la komuna pasero (*pyrgita*). | *moineau.* |
| **Piriform'a** ? (Df.) | (anat.) pirforma. | *piriforme.* |
| **Pirit'o** | (miner.) ŝtonetaĵo (Df.); kombinaĵo el fero aŭ kupro kaj sulfuro. AFGI. | *gravier* (?) ; *pyrite.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Pirog'o** | (voj.) boateto el kavita trunko, uzata de sovaĝuloj. AFGHIR. | *pirogue.* |
| **Pirogajl'o** | (fot.) acido uzata en fotografado. | *pyrogallique.* |
| **Pirojd'a?** (Rh.) | (anat.) pirforma. | *piriforme.* |
| **Pirokatekin'o** (V.) | (kem. fot.) kemiaĵo uzata en fotografado. | *pyrocatéchine.* |
| **Piroksen'o**(V.) | (miner.) mineralo de vulkana deveno. | *pyroxène, augite.* |
| **Piroksilin'o** | (kem. fot.) kemiaĵo uzata en fotografado, pulvokotono. | *pyroxyline.* |
| **PIROL'O** | (ornit.) speco de paserbirdoj (*pyrrhula*). | *bouvreuil.* |
| **Pirol'o** (V.) | (bot.) speco de alpaj kreskaĵoj (*pyrola*); — **acoj.** | *pyrole.* |
| **Pirolign'o** (Rh.) | (kem.) acido distilita el ligno. | *pyroligneux* (acide). |
| **Pirometr'o** | (fiz.) instrumento por mezuri altajn temperaturojn. | *pyromètre.* |
| **Pirometri'o** (Rh.) | (fiz.) mezurado de altaj temperaturoj. | *pyrométrie.* |
| **Pirotekniko** | fajroverkarto. AFGHIR. | *pyrotechnique.* |
| **PIROZ'O** | (med.) bruleca doloro en stomako. AFHI. | *pyrosis.* |
| **PIST'I** | premegi, frakasi, kaĉigi; — **aĵo, ilo.** L. | *piler, broyer.* |
| **PISTAK'O** | frukto de pistakujo (*pistacia*), uzata por fari bombonojn, k. t. p. AFGHIR. | *pistache.* |
| **PISTIL'O** | (bot.) virinseksa organo ĉe la floroj. | *pistil.* |
| **PISTOL'O** | pafileto; — **eto, ujo, ingo, pafo.** AFGHIR. | *pistolet.* |
| **Pistoli'o** (Rh.) | antikva monero. | *pistole.* |
| **PIŜT'O** | stangeto, kiu moviĝas interne de tubo; — **pumpa piŝto; piŝta trumpeto.** AFHIR. | *piston.* |
| **Pitil'o** (V.) | (ornit.) speco de amerikaj paserbirdoj (*pitylus*). | *pityle.* |
| **Piti'a** (Df.) | alnomo de Apolono, venkinto de serpento Pitono. | *pythien.* |
| **Pitirias'o** | (med.) haŭta malsano. AFGHIR. | *pityriasis.* |
| **Piton'o** | (zool.) speco de ekvatoraj serpentoj (*python*). | *python.* |
| **Pitoresk'a** | pentrinda, pentraĵeca. AFHI. | *pittoresque.* |
| **Pituit'o** (V.) | (anat. med.) muko. AFHI. | *pituite.* |
| **Pivot'o** | (mek. tekn.) turnakso. AF. | *pivot.* |
| **PIZ'O** | (bot.) speco de manĝebla fabaco (*pisum*); — **aĵo, ejo.** AFI. | *pois.* |
| **Pizang'o** | speco de banano, banano musia (Rh.). | *banane.* |
| **PLAC'O** | spaco libera en urbo aŭ vilaĝo, cirkaŭata de domoj; — **eto.** FGHIR. | *place* (publique). |
| **Placent'o** | (anat. bot.) l. v. kuko; utera surkreskaĵo, per kiu nutriĝas feto; interna parto de ovario al kiu alteniĝas ovoloj. | *placenta.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PLAĈ'I** | esti agrabla por, plezuri al; — **eco, ema, igi**; **malplaĉi**; **bonplaĉo**; **laŭplaĉo**; **plaĉas al mi**. AFHI. | *plaire.* |
| **PLAD'O** | telerego; — **eto, ego, ejo**. AFHI. | *plat* (un). |
| **PLAFON'O** | supera tabularo de ĉambro. FR. | *plafond.* |
| **PLAGIAT'O** | verkoŝtelo; — **isto**. AFGHIR. | *plagiat.* |
| **PLAN'O** | desegno de farota verko, projekto; **elverki planon**. | *plan, projet.* |
| **PLAND'O** | subaĵo de la homa piedo; **alplando, replandumi**. FHI. | *plante du pied.* |
| **PLANED'O** | (astr.) astro rondiranta ĉirkaŭ la suno. AFGHIR. | *planète.* |
| **Planimetri'o** | (geom.) arto mezuri ebenajn surfacojn. AFGHIR. | *planimétrie.* |
| **Planisfer'o** | karto sur kiu oni reprezentas ambaŭ duonojn de tera aŭ ĉiela globo AFGHIR. | *planisphère.* |
| **PLANK'O** | suba tabularo en ĉambro; — **aĵo**. AFGHI. | *plancher.* |
| **PLANT'I** | meti vegetaĵon en teron por ke ĝi kresku; — **ado, aĵo, ejo, isto, ido**. AFGHI. | *planter.* |
| **PLANTAG'O** | (bot.) speco de herboj dukotiledonaj (*plantago*); — **acoj**. AFI. | *plantain.* |
| **Plasm'o** | (anat.) likva parto de sango. | *plasma.* |
| **Plastik'o** | arto imiti formojn. AFGHIR. | *plastique.* |
| **PLASTR'O** | kuraca pasto por almeti sur vundo, k. t. p. AFGHIR. | *emplâtre.* |
| **PLAT'A** | ebena, glata, senreliefa; — **aĵo, eco, igi**; **manplato**; **alplatigi**; **fotografa plato**. AFGIR. | *plat.* |
| **PLATAN'O** | (bot.) speco de arboj dukotiledonaj (*platanus*); — **acoj**. AFGHI. | *platane.* |
| **PLATEN'O** | (kem.) metalo grize blanka. AFGHIR. | *platine.* |
| **Platenit'o** (V.) | (kem.) signifo ne trovita. | *platinite.* |
| **Plates'o** (V). | (ikti.) speco de pleŭronekto (*pleuronectes platessa*). AFG. | *plie.* |
| **Platin'o** (V.) | (tekn.) plato, sur kiu estas altenataj ĉiuj pecoj de aparato. | *platine.* |
| **Platirink'o**(V.) | (ornit.) speco de amerikaj paserbirdoj (*platyrhinchus*). | *platyrhinque.* |
| **PLAŬD'I** | brubati (akvon); — **ado**. | *clapoter, battre.* |
| **PLEB'O** (V.) | popolamaso; — **ano**. AFGHIR. | *plèbe.* |
| **Plebej'o** (Rh.) | popolamasano; — **aro**. AFGHIR. | *plébéien.* |
| **PLED'I** | proparoli; — **ado, aĵo, aĉi, isto**. AFGH. | *plaider.* |
| **Pleistocen'o** (V.) | (geol.) unu el la nomoj de la kvara epoko. | *pleistocène.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PLEJ** | adverbo por esprimi la lastan gradon de grandeco, multeco, k. t. p.; — **la plej granda el ĉiuj urboj ; plej multo ; plejparte**. | *le plus.* |
| **Plejad'oj** | (astr.) grupo de sep steloj. | *Pléïades.* |
| **Plekot'o** (V.) | (zoo.) speco de vespertoj, orelvesperto (*plecotus*). | *oreillard.* |
| **Pleks'o** | (anat.) plektaĵo de nervoj, vejnoj, k. t. p. AFGHI. | *plexus.* |
| **PLEKT'I** | interkrucigi (harojn, fadenojn, fibrojn), interlaĉi ; — **aĵo, isto, ilo ; malplekti ; al, inter'plekti**. A. | *tresser, entrelacer.* |
| **PLEN'A** | enhavanta ĉion enhaveblan, kompleta ; — **ego, aĵo, eco, igi, iĝi, umi ; malplena ; plenmano, kulero ; plenum' ado, ebla**. AFHI. | *plein, complet.* |
| **PLEND'I** | esprimi doloron, malkontentiĝon per vortoj, murmuroj, k. t. p. ; — **aĵo, ema, ulo**. AFH. | *se plaindre.* |
| **Pleonasm'o** | (gram.) uzo de superfluaj vortoj. AFGHIR. | *pléonasme.* |
| **Plesiosaŭro** | (pale.) fosilia rampulo de la dua epoko (*plesiosaurus*). | *plésiosaure.* |
| **PLET'O** | plata mebleto telersimila por surmeti objektojn. F. | *plateau* (ustensile). |
| **Pletore'o ?** | sangpleneco, troeco. AFIR. | *pléthore ?* |
| **Pleŭr'o** | (anat.) pulmomembrano. AFHIR. | *plèvre.* |
| **Pleurezi'o** | (med.) inflamo de la pleŭro, pulmoŝvelo. AFHIR. | *pleurésie.* |
| **Pleŭrit'o** | (med.) V. **pleurezio**. | *pleurésie.* |
| **Pleŭronekt'o** | (ikti.) speco de marfiŝoj (*pleuronectes*). | *pleuronecte, poisson plat, barbue.* |
| **Pleŭrot'o ★** | (bot.) speco de agarikacoj (*pleurotus*). | *pleurote.* |
| **PLEZUR'O** | agrabla sento ; — **igi, iĝi ; malplezuro**. AFHI. | *plaisir.* |
| **PLI** | adverbo signifanta superan gradon de multeco, grandeco, k. t. p. ; **pli ol dek ; pli granda ol ; plie ; pliŝati, plivoli**. FI. | *plus.* |
| **PLIK'O** | (med.) malsano de la kranihaŭto. AFI. | *plique.* |
| **Plint'o** (V.) | (lign. arkit.) kolon, mur'plataĵo ; soklo, piedestalo. V. **splinto**. | *plinthe.* |
| **Plioćen'o** | (geol.) plej freŝtempa formaciaro de la tria epoko. | *pliocène.* |
| **Plombag'o ?** (V.) | (miner.) grafito. V. **plumbago**. | *plombagine.* |
| **PLOR'I** | verŝi larmojn, ekĝemi, k. t. p. pro doloro ; — **egi, eti, ado, anto, ema, igi**. F. | *pleurer.* |
| **PLOT'O** | (ikti.) speco de riverfiŝeto (*cyprinus idus*). | *gardon.* |
| **PLU** | adverbo signifanta la daŭrigon de ia stato aŭ ago ; — **kaj tiel plu ; pluaj ekzemploj ; ne plu ami**. | *plus, davantage.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PLUG'I** | fosi, sulkigi la teron por semi ; — **ado, isto, ilo, ejo** ; **dis, sur' plugi** ; **plugil' beko, fero, ŝtalo**. AGR. | *labourer.* |
| **PLUM'O** | tubeto surhavanta lanugon aŭ barbon, kiu tegas korpon de birdoj ; skribilo ; — **ego, aro, ujo, ingo** ; **plumo'fasko, forma** ; **senplumigi, fontanplumo**. AFHI. | *plume.* |
| **PLUMB'O** | metalo blueta, tre mola kaj peza ; — **ero, isto, umi**. AFGHIR. | *plomb.* |
| **Plumbag'o** (Rh.) | (miner.) speco de grafito, el kiu oni faras krajonojn. | *plombagine.* |
| **Plumbag'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj (*plumbago*) ; — **acoj**. | *dentelaire.* |
| **Plus** | (mat.) signo de adicio. AFGIR. | *plus*, +. |
| **PLUŜ'O** | lana au silka ŝtofo longhara. AFGIR. | *peluche.* |
| **Plute'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*pluteus*). | *plutéus.* |
| **Plutokrati'o** | superregeco de la riĉuloj ; — **ulo**. FGHIR. | *ploutocratie.* |
| **PLUR'AJ** ? | pli ol unu, kelkaj, ianombraj ; — **aĵo, eco, igi, iĝi**. AFGHI. | *plusieurs.* |
| **Plural'o** (V.P.) | (gram.) multenombro. | *pluriel.* |
| **PLUVI** | fali de la ĉielo (precipe pri akvo) ; — **egi, eti, ado, ema** ; **pluv' akvo, bano, duŝo, neĝo** ; **senpluva**. FI. | *pleuvoir.* |
| **PNEŬMATIK'O** | kaŭĉuka tubo plenblovebla. AFGHIR. | *pneumatique.* |
| **Pneŭmoni'o** | (med.) inflamo de la pulmo. | *pneumonie.* |
| **PO** | prepozicio uzata antaŭ nombroj kun disdona signifo, kiel, ekz : **veturi po dek kilometroj ĉiuhore** ; **pogrande** ; **pomalgrande**. R. | *à raison de, au taux de, sur le pied de.* |
| **Pob'o** (Rh.) | (mar.) posta parto de ŝipo, ŝipvosto. V. **poŭpo**. | *poupe.* |
| **Poci'o** | medikamenta trinkaĵo. | *potion.* |
| **Poĉ'i** (Rh.) | boletigi (ovojn senŝele). | *pocher* (des œufs). |
| **PODAGR'O** | (med.) malsano de la artikoj. AFGIR. | *goutte.* |
| **Podajr'o** (V.) | (mat.) lokaro de piedoj de perpendikloj irantaj de unu fiksa punkto al ĉiuj tanĝentoj de donita kurblinio. | *podaire.* |
| **Podarg'o** (V.) | (ornit.) speco de oceaniaj paserbirdoj (*podargus*). | *podarge.* |
| **Podi'o** | (arkit.) plataĵo, teraso, altano. | *podium, plate-forme.* |
| **Podiceps'o** (V.) | (ornit.) speco de palmipedoj (*podiceps*). | *grèbe.* |
| **Podokarp'o** (V.) | (bot.) speco de koniferoj (*podocarpus*). | *podocarpe.* |
| **Poefag'o** (Rh.) | (zool.) speco de tibeta bovo (*poephagus*). | *yack.* |

| | | |
|---|---|---|
| **POEM'O** | poezia, plej ofte versa verko. AFGHIR. | *poème.* |
| **POENT'O** | nombro de prenoj faritaj en kartludo ; — **aro.** AFG. | *point* (au jeu). |
| **POET'O** | verkisto de poemo, poeziulo ; — **ino, aĉo.** AFGHIR. | *poète.* |
| **POETIK'O** | arto verki poemojn. AFGHIR. | *poétique.* |
| **POEZI'O** | kapablo verki aŭ inspiri poemojn ; — **ajo, eco.** AFGHIR. | *poésie.* |
| **POKALO** | vazo por trinki, plejofte kloŝforma ; — **ego, eto** ; **pokalforma.** AFR. | *coupe, gobelet.* |
| **POL'O** | popolano de nordeŭropa lando ; — **ujo.** | *Polonais* (un). |
| **Polajr'o** | (geom.) nomo de rekto konsiderata rilate al punkto nomita poluso. | *polaire.* |
| **Polarimetr'o** (V.) | (fiz.) aparato por mezuri la deviiĝon de polarizaebeno. AFGHIR. | *polarimètre.* |
| **Polariskop'o** (V.) | (fiz.) aparato por distingi polarizitan lumon. AFGHIR. | *polariscope.* |
| **Polariz'i** | (fiz.) modifi laŭ speciala leĝo la staton de lumradio. AFGHIR. | *polariser.* |
| **Poleks'o** (Dfr.) | dika fingro. V. **halukso.** L. | *pouce.* |
| **Polemik'o** | skriba diskutado ; — **ado, anto.** AFGHIR. | *polémique.* |
| **Polemoni'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj (*polemonium*) ; — **acoj.** | *polémoine.* |
| **Polen'o** | (bot.) florsemo, florpolvo. AFGHI. | *pollen.* |
| **Poli'o** (Rh.) | speco de pilkludo. | *polo.* |
| **Poliant'o** | (bot.) speco de liliacoj (*polyanthes tuberosa*). | *tubéreuse.* |
| **POLIC'O** | administracio difinita por garantii publikan trankvilecon ; — **ano, isto, estro** ; **kaŝpolicano.** AFGHIR. | *police.* |
| **Poliedr'o** | (geom.) multedro. | *polyèdre.* |
| **Polifon'a** (Rh.) | multvoĉa, kelkvoĉa (muzikaĵo). AFGHIR. | *polyphone.* |
| **Poligal'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj (*polygala*) ; — **acoj.** | *polygala.* |
| **POLIGAMIO** | multedzineco. AFGHIR. | *polygamie.* |
| **POLIGLOT'O** | diverslingvulo, multolingvulo. AFGHIR. | *polyglotte.* |
| **POLIGON'O** | (bot.) speco de dukotiledonoj apetalaj (*polygonum fagopyrum*) ; — **acoj.** | *blé noir, sarrazin.* |
| **Poligonat'o** (V.) | (bot.) speco de asparagacoj (*polygonatum*). | *sceau de Salomon, grenouillet.* |
| **Poligrafi'o** | traktato pri divers specaj temoj ; — **isto.** | *polygraphie.* |
| **Polihistor'o** (Rh.) | esploranto de diversnaciaj historioj. | *polyhistorien.* |
| **Poliklinik'o** | kliniko en kiu oni kuracas diversspecajn malsanojn. | *polyclinique.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Polimer'o** | (kem.) dividita (korpo) en senfina nombro da partetoj. | *polymère.* |
| **Polinom'o** (V.) | (mat.) V. **polinomjo**. | *polynome.* |
| **Polinomj'o** (Rh.) | (mat.) algebra kvanto enhavanta plurajn termojn kun signoj + kaj —. AFGHI. | *polynome.* |
| **Polip'o** | (med.) karna surkreskaĵo ĉe mukozaj membranoj. AFGHIR. | *polype.* |
| **Poliplektr'o** (V.) | (ornit.) speco de sudaziaj kokoidoj (*polyplectron*. | *éperonnier.* |
| **Polipodo** (V.) | (bot.) speco de filikoj (*polypodium*). | *polypode.* |
| **POLIS'O** | asekuraĵo, asekura kontrakto. AFGHIR. | *police* (d'assurance). |
| **Polistik'o** (V.) | (bot.) speco de filikoj (*polystichum*). | *polystic.* |
| **Politeism'o** | kulto de multaj dioj. AFGHIR. | *polythéisme.* |
| **POLITEKNI K'A** | enhavanta multajn artojn aŭ sciencojn. AF GHIR. | *polytechnique.* |
| **POLITIK'O** | arto aŭ scienco rilata al regado de regnoj ; — **aĵo, isto, ulo**. AFGHIR. | *politique.* |
| **Polition'a** (Rh.) | (kem.) (acido) enhavanta 6 atomojn da oksigeno kun pluraj atomoj da sulfuro. | *polythionique.* |
| **Polk'o** (V.) | speco de danco. AFGHIR. | *polka.* |
| **POLM'O** | manplato. AFGHI. | *paume* (de la main). |
| **Polp'o** (V. Df.) | (zoo.) speco de marmoluskoj cefalopodoj (*polypus*). AFHI. | *poulpe.* |
| **Poluci'o** | (med.) malpuriĝo, malpuraĵo. AFHIR. | *pollution.* |
| **POLUR'I** | glatigi, briligi ; — **eco, isto ; malpoluri ; botpoluristo**. AFGHIR. | *polir.* |
| **POLUS'O** | ekstremaĵo de akso ; — **eco**. AFGHIR. | *pôle.* |
| **POLV'O** | tero pulvorigita ; — **ero, eco, aĵo ; polvhava ; senpolvigi**. HI. | *poussière.* |
| **POM'O** | frukto de pomujo (*malus*) ; objekto pomforma ; — **ujo, arbo, acoj ; pomvino ; terpomo ; okulpomo**. FI. | *pomme.* |
| **Pomad'o** | farmacia aŭ parfuma ŝmiraĵo. AFGHIR. | *pommade.* |
| **Pomolog'o** | pomologiisto. | *pomologue.* |
| **Pomologi'o** | esploro pri fruktoj. | *pomologie.* |
| **POMP'O** | soleno, majesto, lukso. AFGHI. | *magnificence., pompe.* |
| **Pompon'o** (Df.) | bulornamaĵo. F. | *pompon.* |
| **PONARD'O** | mallonga armilo konsistanta el akra klingo kaj tenilo ; — **ego ; ĵetponardo ; puŝo de ponardo**. AFHI. | *poignard.* |
| **Ponĉ'o** | sudamerikana mantelo. | *poncho.* |
| **PONT'O** | superakva trairejo el ligno, ŝtono aŭ fero ; — **eto ; ponto, forma, kolono**. FHI. | *pont.* |
| **Pontet'o** (V). | parto de pafilo. | *pontet* (de fusil). |

| | | |
|---|---|---|
| **PONTIFIK'O** | ĉefpastro ; — **aĵo, eco**. AFGHIR. | *pontife.* |
| **PONTON'O** | flosponto ; — **isto**. AFGHIR. | *ponton.* |
| **Popo** | rusa pastro. AFGHIR. | *pope.* |
| **POPL'O** | (bot.) speco de arboj dukotiledonaj (*populus*). AFGHI. | *peuplier.* |
| **Poplit'o** | (anat.) subgenuo. HI. | *jarret.* |
| **POPOL'O** | multego da homoj vivantaj en sama lando ; — **aĉo, amaso** ; **popoldiro**. AFHI. | *peuple.* |
| **POPULAR'A** | konata kaj amata de popolamaso ; — **eco, igi**. AFGHIR. | *populaire.* |
| **POR** | prepozicio signifanta celon, intencon, k. t. p. ; **preĝi por la reĝo** ; **morti por la pratrujo** ; **por tiel diri**. FHI. | *pour, en faveur de.* |
| **POR'O** | haŭttruo, trueto ; — **eco, oza**. AFGHIR. | *pore.* |
| **PORCELAN'O** | blanka, duondiafana terpotaĵo ; — **faristo, vendisto**. AFGHIR. | *porcelaine.* |
| **PORCI'O** | difinita parto ; — **eto** ; **egalporcie**; **nutraĵporcio**. AFGHIR. | *portion, part.* |
| **PORD'O** | enirejo al loko fermita ; movebla fermilo de tia enirejo ; — **ego, ejo, eto, isto** ; **pord' fermilo, frapilo, hoko, kurteno** ; **ĉef, krad' pordo**. FHI. | *porte.* |
| **PORE'O** | (bot.) speco de ajlo (*allium porrum*). FGHIR. | *poireau.* |
| **PORFIR'O** | (miner.) speco de tre malmola ŝtono. AFGHIR. | *porphyre.* |
| **PORK'O** | (zoo.) speco de kortmamulo pakidermo (*sus scrofa*) ; — **ino, ido, ijo, isto. aro, aĵo** ; **porkebleki** ; **porkaĵisto**. FHI. | *porc.* |
| **PORT'I** | subteni pezan objekton kaj transigi ĝin de unu loko al alia ; **aĵo, adi, ebla, isto, ilo** ; **al, dis, el, for, kun, trans' porti** ; **neelportebla**. FHI. | *porter.* |
| **PORTAL'O** | vestiblo, pordego, ĉefa enirejo (de preĝejo). AFGHIR. | *portail.* |
| **Portepe'o** (Df.) | peco de ledo por subteni glavon, glavportilo, glavrimeno | *portépée.* |
| **Porter'o** | speco de angla biero. | *porter.* |
| **PORTIK'O** | tegmentita galerio aŭ vestiblo kun kolonoj. AFGHIR. | *portique.* |
| **Portland'a** (V.) | (geol.) lasta etaĝo de jurasa periodo. | *portlandien.* |
| **PORTRET'O** | bildo de persono ; **portretfari**. AFGR. | *portrait.* |
| **PORTUGAL'O** | landano de sudokcidenta Eŭropo ; — **ujo**. | *Portugais* (un). |
| **Portulak'o** | (bot.) speco de dukotiledonoj (*portulaca*). | *pourpier.* |
| **POSED'I** | havi kiel apartan propraĵon ;— **aĵo, anto, aro, eco** ; **ek, re' posedi** ; **senposedigi**. AFHI. | *posséder.* |

| | | |
|---|---|---|
| **POSESIV'A** | (gram.) signifanta posedon (vorto), kiel ekz. *lia, ŝia, ĝia, sia*, k. t. p. | *possessif.* |
| **POST** | prepozicio por esprimi ĝeneralan rilaton de tempo kaj spaco, kies kontraŭa estas *antaŭ*; — **post'a, aĵo, e-ulo**; **post'dato, skribo, morta**. L. | *après, derrière.* |
| **POSTEN'O** | loko en kiu soldato, oficisto, k. t. p. estas metita de sia estro; — **antaŭposteno**. AFGH IR. | *poste.* |
| **POSTUL'I** | insiste petit de iu, devigi iun al io; — **aĵo, ebla, ema, anto, ato**. F. | *exiger.* |
| **Postument'o** ? | V. **piedestalo**. G. | *piédestal.* |
| **POŜ'O** | speco de saketo kunkudrita al vestaĵo; — **eto, ego**; **poŝ'botelo, libro, mono, tranĉilo, vango**; **en, el' poŝigi**. | *poche.* |
| **POŜT'O** | publika organizo por transporto de leteroj; — **isto, ofic'o-ejo**; **poŝt'karto, mandato, marko**; **poŝto restanta**; **revenpoŝte**. AF GHIR. | *poste.* |
| **POT'O** | speco de vazo el tero aŭ metalo; — **eto, ego, aĵo, isto**; **bol, flor, kuir, lum, ter'poto**. A FH. | *pot.* |
| **POTAS'O** | (kem.) alkalaĵo tirita el liĝnaj cindroj. AFGHIR. | *potasse.* |
| **Potenc'i** | havi povon, forton superan; — **ego, ulo, igi**. | *avoir la puissance.* |
| **Potenc'o** (V.) | (mat. mek.) ĉiu grado de kvanto multiplikita per si mem, kiel, ekz: $2, 2^2, 2^3$, k. t. p. | *puissance.* |
| **Potencial'o** | (elektr.) speciala elektra kvanto. AFGHIR. | *potentiel.* |
| **Potentel'o** (V.) | (bot.) speco de rozacoj (*potentilla*). | *potentille.* |
| **Potern'o** (V.) | (fort.) pordeto, subtera galerio en fortikaĵo. F. | *poterne.* |
| **Poŭpo** (M. T.) | (mar.) posta parto de ŝipo, ŝipvosto. V. **pobo**. | *poupe.* |
| **POV'I** | esti kapabla ion fari; — **eco, ebla**; **ĉiopova**; **senpova**. AFHI. | *pouvoir.* |
| **Poz'i** | (fot.) preni ian sintenadon por farigi sian portreton. FHI. | *poser.* |
| **POZICI'O** | loko en kiu io sidas. AFH. | *position.* |
| **Pozitiv'a** | (fil. fot.) konforma al la realaĵo. AFGHIR. | *positif.* |
| **Pozitivism'o** | (fil.) doktrino dela franca filozofo A. Comte. A FGHIR. | *positivisme.* |
| **Pozitivist'o** | (fil.) pozitivismano. AFGHIR. | *positiviste.* |
| **PRA** | prefikso, kiu signifas primitiva, antaŭa, kiel ekz.: **prapatroj, praepoko, pratero**, k. t. p. A FGHIR. | *préfixe qui a le sens de primitif, lointain, reculé.* |
| **Pragmatik'a** | fondita (teorio) sur la esploro de la faktoj. AFG HIR. | *pragmatique.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Prajm'i** (M.T.) | ŝarĝi kanonon por pafo. A. | *amorcer* (un canon). |
| **PRAKTIK'O** | aplikado, uzado de reguloj kaj principoj ; — **anto, isto**. AFGHIR. | *pratique.* |
| **PRAM'O** | granda platboato por transveturi homojn, ĉevalojn, k. t. p. de unu bordo de rivero al alia. | *bac.* |
| **Pranc'i** (Rh.) | salteti (laŭ Rh.). Sed la vorto angla « *prance* » ŝajnas signifi « saltegi kiel ribelanta ĉevalo. » | *se cabrer* (?) |
| **Pratel'o** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*pratella*). | *mousseron de pré, pratelle.* |
| **PRAV'A** | ĝustopinia, aprobinda, neerara ; — **eco, igi** ; **malprava**. R. | *qui a raison.* |
| **PREBEND'O** | rento de ekleziulo, de kanoniko. AFGHI. | *prébende.* |
| **PREC IP'E** | antaŭ ĉio, ĉefe, speciale. L. | *surtout, principalement.* |
| **Precipit'i** | (kem.) desidigi dissolvaĵon sur la fundon de vazo ; — **ado, ato, anto, ajo, ujo**. AFGHI. | *précipiter.* |
| **PRECIZ'A** | klare difinita, ĝusta ; — **eco, igi, iĝi**. AFGHIR. | *précis.* |
| **PREDIK'I** | priparoli publike religian, edifan temon ; — **ado, anto, isto**. FGHIR. | *prêcher.* |
| **Predikat'o** | (fil.) atributo de propozicio. | *prédicat.* |
| **PREFEKT'O** | regna funkciulo administranta pli malpli vastan teritorion. AFGHIR. | *préfet.* |
| **PREFER'I** | pliami, plivoli ; — **aĵo, eco, ebla, ind'a-eco**. AFHI. | *préférer.* |
| **PREFIKS'O** | (gram.) antaŭa afikso, kiel *mal, ge, pra,* k. t. p. AFGHIR. | *préfixe.* |
| **PREĜ'I** | sin turni al Dio por peti de li ian favoron ; — **ado, anto, aro, ej'o-eto ; preĝo' ĉambro, libro** ; **preĝeja turo, tombejo**. AFI. | *prier* (Dieu). |
| **PRELAT'O** | altranga pastro, episkopo, k. t. p. ; — **eco, aro**. AFGHIR. | *prélat.* |
| **PRELUD'O** | (muz.) antaŭludo. AFGHIR. | *prélude.* |
| **PREMI** | agi, peni por platigi ion ; — **ado, aĵo, ebla, egi, ilo** ; **al, ĉirkaŭ, dis, el, en, for, inter, sub, mal' premi ; prem' kapti, teni ; kor, man' premo**. AFGHIR. | *serrer, presser.* |
| **PREMI'O** | rekompenco proponita en konkurso ; — **ita, ulo**. AFGHIR. | *prix, récompense.* |
| **Premis'o** | (log.) propozicio, el kiu oni tiras konkludon. AFGHI. | *prémisse.* |
| **PREN'I** | kapti per mano aŭ alimaniere ; — **eto, ado, anto, ilo, ebla** ; **al, ĉirkaŭ, de, el, en, for, kun, trans' preni**. FI. | *prendre.* |
| **PREPAR'I** | antaŭpretigi, antaŭaranĝi ; — **ado, aĵo, iĝi, anto, isto, senprepare**. AFGHIR. | *préparer.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Prepost'o** | ĉefpastro ; provoso. | *prevôt ?* |
| **PREPOZICI'O** | (gram.) speco de neŝanĝebla vorto, kiel *al*, *de*, *en*, k. t. p. AFGHIR. | *préposition.* |
| **Prepuc'o** (Df.) | V. **prepucio.** | *prépuce.* |
| **Prepuci'o** (Rh. V.) | (anat.) antaŭa tegumento de vira peniso. AFGH. | *prépuce.* |
| **PREROGATIV'O** | aparta propra rajto, privilegio. AFGHIR. | *prérogative.* |
| **PRESI** | enpremi literojn, desegnojn sur papero, ŝtofo, k. t. p. ; — **ado, aĵo, anto, ejo, ilo, isto, igi, iĝi** ; **pres'eraro, provaĵo, maŝino.** F. | *imprimer.* |
| **Presbiter'o** | protestanta pastro. | *ministre* (protestant). |
| **Presbiterian'o** | (ekl.) partiano de presbiterianismo. AFGHIR. | *presbytérien.* |
| **Presbiterianism'o** | (ekl.) doktrino laŭ kiu presbiteroj (ne episkopoj) devas regi la eklezion. AFGHIR. | *presbytérianisme.* |
| **PRESKAŬ** | adverbo signifanta *proksimume.* FI. | *presque.* |
| **PRESTIĜO** | ŝatateco, allogo, brilo. AFGHIR. | *prestige.* |
| **PRET'A** | antaŭdisponita por, preparita por; — **eco, igi, iĝi** ; **pretigisto.** F. | *prêt.* |
| **PRETEKST'I** | eldiri senvaloran motivon por kaŝi la veran kaŭzon de ia afero ; — **anto, ulo.** AFHI. | *prétexter.* |
| **PRETEND'I** | postuli kiel rajton, celi kvazaŭ rajte al io ; — **ado, aĵo, anto, ema** ; **senpretenda.** AFHIR. | *prétendre à.* |
| **PRETER** | prepozicio signifanta movon per kiu oni pasas laŭlonge de ia afero kaj iras pli antaŭen ; — **aĵo** ; **preter' iri, kuri, lasi, pasi.** L. | *au-delà, outre.* |
| **Preterit'o** | (gram.) estinteca tempo en verboj. AFGHIR. | *préterit.* |
| **Pretor'o** (Df.) | (hist.) romana magistrato. AFGHIR. | *prêteur.* |
| **Pretori'o** (Df.) | (hist.) tendo, tribunalo, oficejo de pretoro. AFGHI. | *prétoire.* |
| **Prevarik'i** ? (Rh.) | malrekte respondi ; — **ado, aĵo, anto.** (La signifo ne ŝajnas ĝuste elektita) AFGHI. | *prévariquer ? tergiverser, user d'équivoque.* |
| **PREZ'O** | venda valoro de ia afero ; — **aro, aĵo** ; **sam, egal' preza** ; **luprezo** ; **prezo neta, rabata, likvida, normala.** AFGHIR. | *prix.* |
| **PREZENT'I** | proponi por akcepto, meti antaŭ la okuloj, montri, k. t. p. ; — **ado. aĵo anto** ; **reprezenti.** AFGHIR. | *présenter, représenter.* |
| **PREZID'I** | direkti kunvenon, grupon. societon, k. t. p. ; — **anto, eco** ; **vic' prezidanto.** AFGHIR. | *présider.* |
| **PRI** | prepozicio signifanta teme de ; **mi parolas pri leono.** | (au sujet) *de.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Prim'a** | (mat.) dividebla (nombro) nur per la unuo aŭ per si mem. **interprimumaj**. AFGHIR. | *premier.* |
| **PRIM'O** | (ekl.) unua horo de la kanonika Diservo. | *prime.* |
| **Primadon'o** | ĉefkantistino en opero. Oni trovas ankaŭ **primadonino**. AFGHIR. | *primadona.* |
| **Primari'a** | (geol.) apartenanta al la plej antikva formacio. | *primaire.* |
| **PRIMITIV'A** | devena, pratempa, ne derivita; — **aĵo, ulo**. AFGHIR. | *primitif.* |
| **PRIMOL'O** | (bot.) speco de dukotiledonoj gamopetalaj (*primula*); — **acoj**. AFGHI. | *primevère.* |
| **PRINC'O** | regnestro, reĝido, nobelo plej altranga; — **ino, ido, eco**. AFGHIR. | *prince.* |
| **PRINCIP'O** | unua kaŭzo, fundamenta ideo, propozicio el kiu oni tiras konsekvencojn; **ekiri de principo**. AFGHIR. | *principe.* |
| **PRINTEMP'O** | unua sezono de la jaro. F. | *printemps.* |
| **Priodont'o**(V.) | (zoo.) speco de dazipo (*priodontes*). | *tatou géant.* |
| **Prior'o** | monaĥestro; — **eco, ejo**. AFGHIR. | *prieur.* |
| **Priori'e** | (fil.) laŭ pura racio, sen rilato al sperto. | *à priori.* |
| **PRISM'O** | (geom.) solido limigita de du ebenaj bazoj egalaj kaj paralelaj kaj de lateraj facoj kiuj estas paralelogramoj; — **eca; traprismigi**. AFGHIR. | *prisme.* |
| **PRIVAT'A** | nepublika, nekomuna; — **eco, aĵo, ulo**. AFGR. | *privé, particulier.* |
| **PRIVILEGI'O** | aparta rajto, favoro; — **ulo**. AFGHIR. | *privilège.* |
| **PRO** | prepozicio signifanta kaŭze de. | *pour, à cause de.* |
| **Probabl'a** | (mat.) versimila, verŝajne okazonta; — **eco**. AFHI. | *probable.* |
| **PROBLEM'O** | scienca, filozofia demando. AFGHIR. | *problème.* |
| **PROCED'I** | agi laŭ difinita maniero. AFHI. | *procéder.* |
| **Procedur'o** | juĝa procedado, procedaro. FGIR. | *procédure.* |
| **Procelari'o** | (ornit.) speco de palmipedoj, marbirdo (*procellaria*). | *pétrel; macreuse* (Df.) |
| **Procent'o** | produkto de monsumo pruntita aŭ ŝuldata; — **aĵo, ego**. | *intérêt* (de l'argent). |
| **Proces'o** | instanco antaŭ tribunalo por solvi malpacon; — **ebla, ema, inda, ulo**. FGHIR. | *procès.* |
| **Procesi'o** | religia ceremonio konsistanta el marŝado de popolamaso kaj kantoj. AFGHIR. | *procession.* |
| **Procez'o** | (anat. fiziol.) irado, progresado de malsano, funkcio, k. t. p. | *processus.* |
| **Proci'o** (V.) | (zoo.) speco de mamulo viandmanĝa (*procyon*). | *ratier.* |
| **Produt'o** | (mat.) nombro rezultanta el du nombroj multiplikataj unu per la alia. | *produit.* |
| **PRODUKT'I** | naski, kaŭzi (materiajn objektojn); — **aĵo, anto, eco, ema, igi, isto**; **reprodukti**. AFGHIR. | *produire.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Produktiv'a** ? (Kr.) | produkta, produktema. | *productif.* |
| **Profan'i** | malsanktigi ; — **ado, aĵo, eco, ulo**. AFGHIR. | *profaner.* |
| **Profesi'o** | vivrimeda okupiĝo, metio, ofico ; — **ulo, isto** ; **samprofesiulo**. AFGHIR. | *profession.* |
| **Profesor'o** | instruanto (precipe oficiala, profesia) ; — **ino, eco, aro**. AFGHIR. | *professeur.* |
| **Profet'o** | antaŭdiristo, disendito ; — **aĵo, ado. anto**. AFGHI. | *prophète.* |
| **Profil'o** | flanka trajtaro de vizaĝo ; — **igi, iĝi** ; **duon** ; **profilo**. AFGHIR. | *profil.* |
| **Profilaksi'o** (V.) | (med.) antaŭgardo (kontraŭ malsanoj). AFG HIR. | *prophylaxie.* |
| **Profilaktik'a** (Rh.) | (med.) profilaksia. | *prophylactique.* |
| **PROFIT'I** | ricevi utilon, servon, gajnon el ; — **ama, dona** ; **senprofita** ; **malprofitigi iun** ; **preni profiton el** ; **profiti ion aŭ de io**. AFGIR. | *profiter de.* |
| **PROFUND'A** | kies fundo kuŝas malproksime, malsupraĵa ; — **aĵo, eg'a-aĵo, eco, igi, iĝi**. AFHIR. | *profond.* |
| **Prognostik'o**? (Df.) | (med.) antaŭdiro, antaŭsigno. AFGHIR. | *pronostic.* |
| **Prognoz'i** (Rh.) | (med.) antaŭdiri, antaŭsigni. AFGHIR. | *pronostiquer.* |
| **PROGRAM'O** | tabelo de farotaĵoj en ceremonio, kurso, k. t. p. AFGHIR. | *programme.* |
| **PROGRES'I** | antaŭeniri, pluen disvolviĝi ; — **ado, aĵo, ema, isto** ; **senprogresa**. AFHIR. | *progresser.* |
| **Progresi'o** | (mat.) serio de kvantoj devenantaj unu de la alia laŭ difinita leĝo. AFGHIR. | *progression.* |
| **Projekci'o** | reprezento de objekto sur ebeno (skreno) laŭ difinitaj reguloj ; — **aĵo**. AFGHIR. | *projection.* |
| **PROJEKT'O** | intencaĵo, plano de agado ; — **ado, anto, ema**. AFGHIR. | *projet.* |
| **PROKLAM'I** | laŭte, solene publikigi ; — **ado, aĵo, isto**. AF GHIR. | *proclamer.* |
| **Prokonsul'o** | (hist.) romana magistrato, ekskonsulo ; — **eco**. | *proconsul.* |
| **PROKRAST'I** | malfruigi, maltujigi ; — **ado, ebla, ema** ; **neprokrastebla**. A. | *ajourner, différer, retarder.* |
| **PROKSIM'A** | apuda, en la najbaraĵo de ; — **aĵo, eco, igi, iĝi, ulo, uma** ; **malproksima**. AFHIR. | *prochain, voisin de.* |
| **Prokur'o** (V.) | rajtigo agi kiel reprezentanto ; — **isto**. | *procuration.* |
| **Prokuratar'o** (Rh.) | solicitoro. FHIR. | *solliciteur.* |
| **Prokuror'o** | prokuristo. | *procureur, avoué.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PROLETARI'O** | malriĉulo, manlaboristo ; — **aro**. AFGHIR. | *prolétaire.* |
| **Prolifer'a** (V.) | (bot.) naskema. | *prolifique.* |
| **PROLOG'O** | antaŭ' verko, lego, dramo. AFGHIR. | *prologue.* |
| **PROMEN'I** | marŝi de loko al loko por plezuro, sano, k, t. p ; — **adi, aĵo, anto, ejo** ; **promenŝipo**. AFGR. | *se promener.* |
| **PROMES'I** | certigi, ke oni faros, donos, k. t. p. ion al iu ; — **aĵo, ema** ; **edziĝa promeso** ; **promeslando**. AFHI. | *promettre.* |
| **Promoci'o** | gradaltiĝo ; (pli) ordenigo. AFGI. | *promotion, avancement* |
| **Promolog'o** | en la *Du Mil Vortoj* de P. Boulet ; kredeble preseraro anstataŭ **pomologo**. | ? |
| **PROMONTO-R'O** | terpintego. AFHI. | *promontoire.* |
| **PRONOM'O** | (gram.) vorto anstataŭanta nomon, kiel *mi, vi, li*, k. t. p. AFGHIR. | *pronom.* |
| **PRONONC'I**(V. E. R.) | elparoli. AFHI. | *prononcer.* |
| **PROPAG'I** | (med.) komuniki (malsanon). FIR. | *propager.* |
| **PROPAGAN-D'O** | klopodado por divastigi ; — **aĵo, ado, anto, isto**. AFGHIR. | *propagande.* |
| **Propedeŭtiko** (Rh.) | prepara instruado, antaŭinstruado. | *propédeutique.* |
| **Propile'o** (V.) | (arkit.) vestiblo de la Akropolo. | *propylée.* |
| **PROPON'I** | submeti por akcepto : — **ado, aĵo, anto**. AFGHIR. | *proposer.* |
| **PROPORCI'O** | rilato de la partoj inter si kaj kun la tuto ; — **eco, igi** ; **sam, sen' proporcia**. AFGHIR. | *proportion.* |
| **PROPOZICI'O** | (gram.) esprimo de penso enhavanta subjekton, verbon kaj predikaton. AFGHIR. | *proposition.* |
| **PROPR'A** | apartenanta ekskluzive al iu aŭ io, nekomuna ; **aĵo, eco, igi**. AFHI. | *propre.* |
| **Proskripci'i** | kondamni sen juĝo, ekzili, forpeli ; — **ito**. AFGHIR. | *proscrire.* |
| **Prospekt'o** | reklama cirkulero, programo ; (V.) minesploro. | *prospectus* ; *prospection.* |
| **Prospektor'o** | minesploristo, teresploristo. | *prospecteur.* |
| **PROSPER'I** | sukcese okazi ; — **eco, igi** ; **malprosperi**. AFGHI. | *réussir* (à quelqu'un). |
| **Prostat'o** | (anat.) glando apudurinvezika. | *prostate.* |
| **PROSTITU'I** | diboĉigi, malĉastigi ; — **ado, ejo, iĝi, ulino**. AFGHIR. | *prostituer.* |
| **Prostituci'o** | prostituo. AFGHIR. | *prostitution.* |
| **Protagonist'o** | ĉefaktoro (en la greka teatro). AFGHIR. | *protagoniste.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Protaz'o** (Df.) | unua parto de drama poemo. | *protase.* |
| **Prote'o** (V.) | (bot.) speco de dikotiledonoj apetalaj ; — **acoj**. | *protée.* |
| **PROTEKT'I** | ŝirmi (morale), patroni, defendi ; — **ado, aĵo, anto, ilo**. AFGHIR. | *protéger.* |
| **Protektism'o** (Rh.) | ekonomia doktrino, laŭ kiu ĉiu lando devas protekti siajn industriojn kontraŭ fremdaj. AF. GHIR. | *protectionnisme.* |
| **Protektorat'o** | protekto donita de unu ŝtato al alia malpli potenca. AFGHIR. | *protectorat.* |
| **PROTEST'I** | fari deklaron kontraŭ iu aŭ io ; — **ado, aĵo, anto**. AFGHIR. | *protester.* |
| **Protestantis-m'o** | doktrino de la protestantoj. AFGHIR. | *protestantisme.* |
| **Protez'o** (V.) | (kir.) artefarita membro, organo. | *prothèse.* |
| **PROTOKOL'O** | oficiala raporto de kunsido, oficiala konstato de fakto. AFGHIR. | *protocole, procès-verbal.* |
| **Protomartir'o** | unua martiro (Sankta Stefano). | *protomartyr.* |
| **Protonotari'o** | (eklezia) ĉefskribisto. | *protonotaire.* |
| **Protoplasm'o** | albuminojda elemento de ĉiuj vivaj ĉeloj. AF GHIR. | *protoplasme.* |
| **Prototip'o** | unua tipo, modelo, k. t. p. AFGHIR. | *prototype.* |
| **Protozo'o** | l. v. unua besto, plej simpla animalo. | *protozoaire.* |
| **Protuberan-c'o** | (astr. anat.) elstaraĵo, ĝibo ; ponto. AFGHIR. | *protubérance.* |
| **PROV'I** | ekpeni, ekkoni, eksperti, eksperimenti ; — **ado, aĵo, ilo, isto** ; **prov' glaso, tubo, tempo** ; **neprovita**. AFGHI. | *essayer, éprouver.* |
| **Provenzo**(Rh.) | suda provinco de Francujo. | *Provence.* |
| **PROVERB'O** | popoldiro, popola sentenco. AFHI. | *proverbe.* |
| **Providenc'o** (Rab.) | Dia, ĉiela antaŭvideco, antaŭzorgeco. AFGHIR. | *Providence.* |
| **PROVINC'O** | parto de ŝtato ; eksterĉefurba lando ; — **aĵo, ano** ; **samprovincano**. AFGHIR. | *province.* |
| **Provincialis-m'o** | provincanaĵo, provincana dirmaniero. AFGH IR. | *provincialisme.* |
| **PROVIZ'I** | havigi, liveri al iu aŭ io sufiĉe da aferoj : — **ado, aĵo, ejo, iĝi, isto**. | *pourvoir.* |
| **PROVIZOR'A** | ne definitiva, ne eterna ; — **aĵo, eco**. AFGHIR. | *provisoire.* |
| **Provos'o** | altranga magistrato, kolegiestro (Rh.) ; — **eco, ejo**. | *prévôt.* |
| **Provost'o** (Df.) | V. **preposto** kaj **provoso**. | *prévôt.* |
| **PROZ'O** | ordinara, neversa lingvaĵo ; — **aĵo, eca, isto** ; AFGHIR. | *prose.* |
| **Prozelit'o** ? | varbito. AFGHIR. | *prosélyte.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Prozelitis-m'o** ? | varbemeco. | *prosélytisme.* |
| **PROZODI'O** | versmezuro, versarto. AFGHIR. | *prosodie.* |
| **Prozopope'o** | retoraĵo per kiu oni paroligas ĉu mortinton ĉu senvivan objekton. AFGHIR. | *prosopopée.* |
| **PRUD'A** | ĉastafekta ; — **eco, ema, ul'o-ino**. AFG. | *prude.* |
| **PRUDENT'A** | saĝa, racie pensanta kaj aganta : — **eco, igi, iĝi** ; **mal, sen'prudenta**. AFHI. | *raisonnable.* |
| **PRUJN'O** | blanka frosto ; — **iĝi**, L. | *gelée blanche, frimas.* |
| **PRUN'O** | frukto de prunujo (*prunus*) ; — **ujo, arbo** ; **seka pruno** ; **prunpudingo**. FI. | *prune.* |
| **PRUNEL'O** | sovaĝa pruno ; — **ujo, arbo**. FI. | *prunelle* (fruit). |
| **PRUNT'I** | doni provizore ion redonotan ; — **ebla, ejo, isto** : **prunte' doni, preni**. F. | *donner en prêt.* |
| **PRUS'O** | popolano de centreŭropa, germana lando ; — **ujo**. AFGHIR. | *Prussien* (un). |
| **PRUV'I** | certigi per argumentoj la verecon de io ; — **ado, ebla** ; **malpruvi**. AFHI. | *prouver.* |
| **Psaliot'o** ☆ | (bot.) alia nomo por **pratelo** (*psalliota*). | *psalliote, pratelle.* |
| **PSALM'O** | religia himno de hebrea kaj kristana kulto ; — **aro, isto**. AFGHIR. | *psaume.* |
| **Psalteri'o** (Df.) | hebrea muzikilo. AFGHIR. | *psaltérion.* |
| **Psefograf'o** ? (Rh.) | balotilo. | *pséphographe.* |
| **Pseŭd'a** | falsa, ne aŭtentika. | *pseudo.* |
| **Pseŭdonim'o** | falsnomo, kaŝnomo. FGHIR. | *pseudonyme.* |
| **Psik'a** | rilata al okultaj kapabloj de la animo. AFGH IR. | *psychique.* |
| **Psikiatri'o** | (med.) medicino, kuracarto de la spirito. AFGH IR. | *psychiatrie.* |
| **Psikolog'o** | (fil.) psikologiisto. AFGHIR. | *psychologue.* |
| **Psikologi'o** | (fil.) scienco pri la animo. AFGHIR. | *psychologie.* |
| **Ptarmik'o** (V.) | (bot.) speco de kompozitoj (*ptarmica*), l. v. ternkreskaĵo. | *ptarmique.* |
| **Pteris'o** (V.) | (bot.) speco de filikoj (*pteris*). | *ptéride.* |
| **Pterodaktil'o** (V.) | (pale.) speco de fosiliaj rampuloj (*pterodactylus*). | *ptérodactyle.* |
| **Pterokarp'o** (V.) | (bot.) speco de arboj fabacoj el Hindujo (*pterocarpus*). | *ptérocarpe.* |
| **Pterokl'o** (V.) | (ornit.) speco de tetraoido (*pterocles*). | *ganga, attagas.* |
| **Pterop'o** (V.) | (zoo.) speco de vespertoj (*pteropus*). | *roussette.* |
| **Pteropod'o** | klaso de moluskoj gasteropodoj. | *ptéropode.* |
| **Pub'o** (V. Df.) | (anat.) antaŭa parto de la pelvostaro. | *pubis.* |
| **Puber'a** (V.) | (fiziol.) viriĝanta, viriniĝanta ; — **eco**. AFHI. | *pubère.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Pubis'o** | (anat.) V. **pubo**. | *pubis.* |
| **Publicist'o** | eldonisto, verkisto. AFGHIR. | *publiciste.* |
| **PUBLIK'O** | la tuta popolo; — **eco**, **igi**, **ulino**. AFGHIR. | *public.* |
| **Pud'o** | rusa unuo de pezmezuro (16 k. 28.). | *poud.* |
| **Puden'o** (Rh., p. 44). | V. **pudingo**. | *pouding.* |
| **Pudingo** | angla kukaĵo ; **prunpudingo**. (En Df. **plumpudingo**). AFGHIR. | *pouding.* |
| **PUDR'O** | pulvoro uzata por tualeto ; **rizpudro**. EFGR. | *poudre.* |
| **PUF'O** | ŝvelaĵo, ŝvelfaldo, kolbaskuseno, ŝvelsaketo, k. t. p. ; — **igi**, **pufseĝo**. FGR. | *bouillon, pli, bouffant, bourrelet, coussinet, tampon.* |
| **PUGN'O** | fermita mano ; — **igi** ; **pugnobati**. FHI. | *poing.* |
| **PUL'O** | (entom.) speco de sangosuĉa insekto (*pulex*). FHI. | *puce.* |
| **PULĈINEL'O** | duĝiba ligna marioneto. FGHIR. | *polichinelle.* |
| **Puli'o** | rulbloko. AFHI. | *poulie.* |
| **Pulip'o** (Df.) | speco de polpo, grandega polpo. | *pieuvre.* |
| **Pulkv'o** (Rh.) | (voj.) agavovino. | *poulque, vin d'agave.* |
| **PULM'O** | (anat.) spirorgano ĉe la mamuloj, birdoj, k. t. p. ; — **pulmo'ŝvelo**, **sangado**, **malsano**. AFHI. | *poumon.* |
| **Pulmonari'o** (V.) | (bot.) speco de boragacoj (*pulmonaria*). AFHI. | *pulmonaire.* |
| **PULP'O** | mola parto de fruktoj ; legomoj, k. t. p. AFGHIR. | *pulpe.* |
| **PULS'O** | sangobatado en la arterioj ; **pulsebati**. AFGHI. | *pouls.* |
| **PULV'O** | pulvoro eksplodiga por ŝargi pafilojn, pafilegojn, k. t. p. ; — **ujo** ; **pulvo'farejo**, **tenejo**. | *poudre* (à canon). |
| **PULVOR'O** | materio pistita kaj pulvigita : **igi**. | *poudre* (matière pulvérisée). |
| **Pum'o** (Df.) | (zoo.) speco de amerika rabmamulo (*uncia puma*). AFGHI. | *cougouar.* |
| **PUMIK'O** | poroza vulkanŝtono; — **ita**. AHI. | *pierre ponce.* |
| **PUMP'I** | alten tiri likvaĵon per pumpilo ; — **ilo** ; **pumpa piŝto** ; **aer**, **estinga pumpilo**. AFGHI. | *pomper.* |
| **PUN'I** | kaŭzi malbonon al iu kiel sekvon de ĝia malbonfaro ; — **egi**, **eca**, **ebla**, **ejo** ; **pun' domo**, **laboro**, **kolono** ; **monpuno**. AFHI. | *punir.* |
| **PUNC'O** | helruĝa kolorosimila al tiu de papaveto. FGHIR. | *ponceau.* |
| **PUNĈ'O** | varma trinkaĵo el rumo, sukero kaj citrono. AFGHIR. | *punch.* |
| **Pund'o** | angla monero, sterlinga livro. (25 fr. 25 c.). AFGHIR. | *pound, livre sterling.* |

| | | |
|---|---|---|
| **PUNKT'O** | senampleksa spacero ; marko de loko ; — **eto, aĵo, aro** ; **dupunkto** ; **punktokomo** ; **vidpunkto** ; **punktita**. AFGHIR. | *point.* |
| **PUNT'O** | delikata maŝteksaĵo ; — **aĵo, ist'o-ino**. AF. | *dentelle.* |
| **PUP'O** | homa figuraĵeto el ligno, kartono, k. t. p. ; **pupoludo** ; **vakspupo**. AFG. | *poupée.* |
| **PUPIL'O** | (anat.) truo en la mezo de la okuliriso ; (Gr.) zorgato (tute malprave). AFGHI. | *pupille* (œil). |
| **PUPITR'O** | mebleto sur kiun oni metas libron, kajeron, k. t. p. ; **retuŝpupitro**. FHR. | *pupitre.* |
| **PUR'A** | senmiksa, senkota, senmakula ; — **aĵo, eco, igi, iĝi, ulo** ; **malpura** ; **elpuraĵo** ; **pursanga**. AFGHI. | *propre, pur.* |
| **Purgatori'o** (Df.) | (ekl.) purigejo (de la animoj post morto). AFG HI. | *purgatoire.* |
| **Purism'o** (Df.) | troa korekteco, korektafekteco. AFGHIR. | *purisme.* |
| **Puritan'o** | presbiteriano plej severmora. AFGHIR. | *puritain.* |
| **Puritanism'o** | doktrino de la puritanoj. | *puritanisme.* |
| **Puriten'o** (Rh.) | V. **puritano**. | *puritain.* |
| **Puritenism'o** | V. **puritanismo**. | *puritanisme.* |
| **PURPUR'O** | violruĝa koloro. AFGHIR. | *pourpre.* |
| **PUS'O** | (med.) densa kaj flaveta likvaĵo naskita en abscesoj ; — **eca, hava**. AFHI. | *pus.* |
| **PUSTUL'O** | (med.) pusakno. AFGHIR. | *pustule.* |
| **PUŜ'I** | peni por movi, ekfrapi ; — **eti, egi, ado, ilo, iĝi** ; **al, antaŭen, de, el, en, for, re, supren, tra'puŝi** ; **kun, inter'puŝiĝo**. AFG HIR. | *pousser, heurter, choquer.* |
| **PUT'O** | profunda truo farita en tero por tiri el ĝi akvon ; **put'elfosisto, purigisto**. FHI. | *puits.* |
| **PUTOR'O** | (zool.) speco de mamulo viandomanĝa (*putorius*). F. | *putois.* |
| **PUTR'I** | dissolviĝi (pri viva korpo) ; — **ado, aĵo, eco, igi** ; **senputreco** ; **deputri**. AFHI. | *pourrir.* |

# R

| | | |
|---|---|---|
| **R** | dudekunua litero de la esperanta alfabeto. | *R* |
| **RAB'I** | forpreni perforte ; — **ado, aĵo, ema, isto ; el, de, for, pri, tra' rabi ; rabobirdo ; mar-rabisto**. AFH. | *ravir, prendre de vive force, piller.* |
| **RABARB'O** | (bot.) speco de polygonacoj (*rheum*). AFGHI. | *rhubarbe.* |
| **RABAT'I** | malplikarigi, malplivalorigi ; **rabata prezo ; senrabata**. FGR. | *rabattre, faire un rabais.* |
| **RABEN'O** | hebrea pastro ; — **eco**. AFGHIR. | *rabbin.* |
| **Rabenism'o** | rabendogmo. AFGHIR. | *rabbinisme.* |
| **Rabenist'o ?** | rabenismano. AFGHIR. | *rabbiniste.* |
| **Rabi'o** | (med.) hidrofobio, hunda malsano ; — **ulo**. AFHI. | *rage.* |
| **RABOT'I** | ebenigi (lignon) per speciala ilo ; — **aĵo, ilo**. F. | *raboter.* |
| **RAC'O** | V. **raso**. | *race.* |
| **RACI'O** | (fil.) kapablo koni apriorie ; — **eco**. AFGHIR. | *raison.* |
| **Racional'o** | (mat.) nombro entjera aŭ frakcihava. AFGHIR. | *rationnel.* |
| **Racionalism'o** | filozofia doktrino fondita sur la racio aparte de la sperto aŭ de la kredo. AFGHIR. | *rationalisme.* |
| **Racionalist'o** | racionalismano. AFGHIR. | *rationaliste.* |
| **RAD'O** | aparato cirkloforma turniĝanta ĉirkaŭ sia centro kaj naskanta movon ; — **eto, aro ; rad' rondo, sulko ; dent, klik' rado ; durado**. G. | *roue.* |
| **RADI'O** | rekta linio kuniganta centron kaj cirkonferencon de cirklo ; ĉiu afero radisimila (en lumo, rado, k. t. p.) ; — **ado, aĵo, eco, ulo ; disradiadi**. AFGHIR. | *rayon.* |
| **RADIK'O** | malsupera parto de kreskaĵo, per kiu ĝi sin nutras ; ĉiu afero radiksimila ; — **igi, iĝi ; radik' parto, vorto**. AFHI. | *racine.* |

| | | |
|---|---|---|
| **RADIKAL'A** | rilatanta la radikon, la fundamentan principon ; — **eco, ulo**. AFGHIR. | *radical.* |
| **Radikalism'o** | politika sistemo dela radikaluloj. AFGHIR. | *radicalisme,* |
| **Radiob'o** (Rh.) | (kem.) signifo ne trovita. | *radiobe ?* |
| **Radiografi'o** | esploro pri la lumradioj de Rentgen. AFGHIR. | *radiographie.* |
| **Radiolario**(V.) | (zoo.) speco de protozooj. AFGHIR. | *radiolaire.* |
| **Radiometr'o** (V.) | mezurilo de la intenseco de radiaĵoj. AFGHIR. | *radiomètre.* |
| **Radioskop'o** (Df.) | radioskopia instrumento. AFGHIR. | *radioscope.* |
| **Radioskopi'o** (V.) | esploro per la Rentgenaj radioj. AFGHIR. | *radioscopie.* |
| **Radioterapi'o** | (med.) kuracado per la Rentgenaj radioj. AFGH IR. | *radiothérapie.* |
| **Radium'o** | metalo freŝdate eltrovita kiu ŝajnas radiadi senfine. AFGHIR. | *radium.* |
| **Radiur'o** (Rh.) | (kem.) nova speco de metalo. | *radior ?* |
| **Radius'o** (V.) | (anat.) unu el la du ostoj de la antaŭbrako. | *radius.* |
| **RAFAN'O** | speco de kruciferoj (*raphanus*); — **eto**. HI. | *raifort.* |
| **Rafanist'o** (V.) | (bot.) speco de rafano (*raphanistrum*). | *ravenelle.* |
| **RAFIN'I** | plipurigi, plidelikatigi ; — **ado, aĵo, eco, isto** ; **rafinita sukero**. AFGHIR. | *raffiner.* |
| **Ragu'o** | spicaĵo, spica viando, stufaĵo. AF. | *ragoût.* |
| **Raj'o** | (ikti.) speco de plataj marfiŝoj (*raja*). AFHI. | *raie.* |
| **Rajah'o** | (voj.) hinda princo. | *rajah.* |
| **RAJD'I** | sidi, veturi sur ĉevalo ; — **adi, anto, ejo,ist'o-aro**. AG. | *aller à cheval.* |
| **Rajp'i** (V.) | (tekn.) haltiĝi pro troa frotado (pri maŝino). | *gripper, riper.* |
| **RAJT'O** | natura aŭ leĝa povo fari aŭ ne fari ion ; — **eco, igi, iĝi** ; **superrajto**; **senrajta**. AG. | *droit.* |
| **Rakahu'o** (Df.) | speco de fekulo kun sukero kaj aromatoj. | *racahout.* |
| **RAKET'O** | kartona cilindro plena de pulvo por arta fajraĵo, **pilkraketo** ? (Rh.). | *fusée.* |
| **RAKIT'O** | (med.) spina malsano; -- **ema. ulo**. | *rachitis.* |
| **RAKONT'O** | detala raporto pri okazintaĵo ; — **eto, ado, anto, isto** ; **mir. popol'rakonto** ; **fari rakonton**. AFI. | *récit.* |
| **RAL'O** | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*rallus*). | *ralle des genêts.* |
| **RAM'I** | malsuprenbati (pavimon); — **ilo**. A. | *frapper avec une hie, une demoiselle.* |
| **Ramadan'o** (Df.) | naŭa monato de la mahometana jaro, fastmonato. | *ramadan.* |
| **Ramfast'o** | (ornit.) speco de amerikaj grimpobirdoj (*ramphastos*). | *toucan.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Ramn'o** (V.) | (bot.) speco de arbetoj dukotiledonaj(*rhamnus*).I. | *nerprun.* |
| **RAMP'I** | siu treni sur ventro, grimpi, marŝi malfacile ; — **aĵo, eco, ema, ulo** ; **el, en, for, suben, sur, supren, volve' rampi**. AFGH. | *ramper.* |
| **RAN'O** | (zoo.) speco de batrakoj (*rana*) ; — **ido**. HI. | *grenouille.* |
| **RANC'A** | malbonodora kiel malfreŝa butero, lardo, k. t. p. ; — **eco, iĝi ; rancodoro**. AFGHIR. | *rance.* |
| **RAND'O** | bordo, flanka parto ; — **aĵo ; klinranda ; randtranĉi**. G. | *bord, lisière.* |
| **RANG' O** | pli malpli alta loko en societo ; — **altrang'aulo ; egalranga ; superranga**. AFGR. | *rang* (social), *dignité.* |
| **RANUNKOL'O** | (bot.) speco de kreskaĵoj dukotiledonoj polipetalaj (*ranunculus*) ; — **acoj, idoj**. FGHIR. | *renoncule.* |
| **Rangifer'o**(V.) | norda cervo (*rangifer*). | *renne.* |
| **RAP'O** | (bot.) speco de brasiko (*brassica rapa*). FIR. | *rave.* |
| **RAPID'A** | trairanta multe da spaco en malmulte da tempo ; — **anto, ado, eco, ega, igi ; malrapida ; forrapidi ; rapid, malrapid'ire**. AFHI. | *rapide.* |
| **RAPIR'O** | skermarmilo. AFGR. | *rapière.* |
| **Rapontik'o** (V.) | (bot.) speco de kompozitoj (*rhaponticum*). | *rhapontic.* |
| **RAPORT'I** | eldiri detale ; — **anto, isto**. AFGHIR. | *faire un rapport sur, rapporter.* |
| **Rapsod'o** | vaganta kantisto ĉe la antikvaj Grekoj. AFGHIR. | *rhapsode.* |
| **Rapsodi'o** | miksaĵa kanto de rapsodo. AFGHIR. | *rhapsodie.* |
| **Rapunkolo** (V.) | (bot.) speco de kampanulo (*campanula rapunculus*). | *raiponce.* |
| **Rara** | (fiz.) maldensa, malmulta, (*ne* malofta) ; — **igi, iĝi**. AFHI. | *rare, raréfié.* |
| **RAS'O** | samsanganaro, samspecaro, gento. AFGHIR. | *race.* |
| **RASP'I** | pulvorigi, pulpigi (kiel ekz. sukeron, fromaĝon, beton, k. t. p.) ; — **ado, ilo ; raspa bruo**. AFGHIR. | *râper.* |
| **RAST'I** | levi, amasigi, (fojnon) per speciala ilo ; — **ado, ilo**. FHI. | *râteler.* |
| **RAT'O** | (zoo.) speco de mamulo skrapmanĝanto ; — **ino, ido ; akvorato ; rathundo**. AFGHI. | *rat.* |
| **Ratafi'o** | speco de likvoro el brando, sukero kaj fruktsuko. | *ratafia.* |
| **Raŭf'o** (Rh.) | fojnujo (Rh. p. 221). A. | *ratelier à foin.* |
| **RAŬK'A** | (voĉo) neklara, kiel ĉe malvarmuminta persono ; — **eco, igi, iĝi**. FIS. | *rauque, enroué.* |
| **RAŬP'O** | (entom.) vermo fariĝonta papilio ; **silkraŭpo ; senraŭpigi**. G. | *chenille.* |
| **RAV'I** | ĉarmlogi, plaĉegi ; — **anta ; el, dis' raviĝi**. AFI. | *ravir, enchanter, transporter.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Ravelen'o** (V.) | (fort.) parto de fortikajo nomata ankaŭ luno, duonluno. F. | *ravelin.* |
| **RAVIN'O** ★ | kruta valeto, terfendego. AF. | *ravine, ravin.* |
| **RAZ'I** | senharigi per speciala ilo, senviligi, glatigi ; — **ado, ilo, isto**. AFHI. | *raser.* |
| **Razion'o** (Rh.) | manĝoporcio ; — **ita**. AF. | *ration.* |
| **RE** | prefikso signifanta ĉu postan agon kontraŭan al antaŭa, ĉu simple (sed, ŝajnas, malpli ĝuste) ripetitan agon ; **ree** ; **redoni** ; **reskribi**. | *en retour.* |
| **REAKCI'O** | ago respondanta al antaŭa ago ; — **ulo**. AFGHIR. | *réaction.* |
| **REAL'A** | efektiva, ne iluzia ; — **aĵo, eco**. AFGHIR. | *réel.* |
| **REAL'O** | hispana monero (0,25 c.). | *réal.* |
| **Realism'o** | doktrino, laŭ kiu ideoj estas realaĵoj. AFGHIR. | *réalisme.* |
| **REBUS'O** | luda reprezento de vortoj per figuraĵoj. AFGIR. | *rébus.* |
| **Recenz'i** | sumigi, entabeligi, priraporti libron ; — **ado, anto, isto**. GR. | *faire le compte-rendu* (d'un livre). |
| **Recept'o** | formulo por prepari kuracilojn, manĝaĵojn, k. t. p. ; — **aro**. AFGHIR. | *ordonnance, recette.* |
| **RECIPROK'A** | pri du aferoj el kiuj ĉiu havas sur la alia agon ekvivalentan al tiu, kiun ĝi ricevas de ĝi ; — **eco**. AFGHIR. | *mutuel, réciproque.* |
| **RECIT'I** | laŭte diri ion lernitan parkere ; — **ado, anto, aĵo**. AFGHIR. | *réciter.* |
| **Recitativ'o** | (muz.) operkanto sen fiksa takto. AFGHIR. | *récitatif.* |
| **Redakci'o** | redaktantaro. FGHIR. | *rédaction.* |
| **REDAKT'I** | elverki, precize skribi ; — **ado, aĵo, anto, isto**. FGHIR. | *rédiger.* |
| **REDAKTOR'O** | redaktanto, redaktisto ; **ĉefredaktoro**. FGHIR. | *rédacteur.* |
| **Redingot'o** | speco de vira vestajo kun longaj baskoj. FG. | *redingote.* |
| **Redukt'i** | (mat.) malpliigi, rekonduki al elementoj ; — **ebla, ilo**. AFGHIR. | *réduire.* |
| **REDUT'O** | (fort.) fortikaĵeto ; **sagreduto**. AFGHIR. | *redoute.* |
| **Ref'o** | (mar.) parto de velo inter velstango kaj truetaro, velfaldo. AFG. | *riz.* |
| **Referat'o** | (jur.) regreso al juĝisto, kiu juĝas provizore en urĝaj okazoj. AFGHIR. | *référé.* |
| **Referenc'o** | resendo al aŭtoro, atestanto, rekomendanto. AFGHIR. | *référence.* |
| **Referendari'o** | titolo de iaj oficistoj en kancelerioj. AFGHIR. | *référendaire.* |
| **Refleks'a** | (fiz.) responda al ekstera ekscitiĝo, nevola, instinkta. AFGHIR. | *réflexe.* |
| **Refleksiv'a** | (gram.) resenda (kiel ekz. *sia*). AFGHIR. | *réfléchi.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Reflekti** | (fiz.) resendi (lumon, sonon, k. t. p.); — **aĵo, ilo**. AFGHIR. | *réfléchir.* |
| **Reflektor'o** | reflekta surfaco, reflektilo. AFGHIR. | *réflecteur.* |
| **REFORM'O** | pliboniga ŝanĝo; — **ado, anto, isto. iĝi**. AFG HIR. | *réforme.* |
| **Reformator'o** | reformanto. AFGHIR. | *réformateur.* |
| **Reformist'o** | reformano, reformemulo. AFGHIR. | *réformiste.* |
| **Reformaci'o** | (hist.) reformo de la kristana religio per Lutero kaj Kalvino. AFGHIR. | *Réforme* (la). |
| **REFUT'I** | rebati per argumentoj; — **ado, aĵo, ebla**. AF GHI. | *réfuter.* |
| **REG'I** | direkti (regnon); — **ado, anto, eco, ebla, ist'o-aro; superregi; interrego**. AFGH. | *gouverner.* |
| **REGAL'I** | doni festenon; **regali al iu** *aŭ* **iun**. AFGH. | *régaler.* |
| **Regatt'o** ? | ŝipkurado, boatkurado. AFGHIR. | *régate.* |
| **Regener'i** | renaski, revivigi, rebonigi; — **ado. iĝi**. AFGH IR. | *régénérer.* |
| **Regeneraci'o**? | regenerado, regeneriĝo. | *régénération.* |
| **Regenerato-r'o** (V.) | (mek.) regeneranto, regenerilo (de forto). | *régénérateur.* |
| **Regent'o** | vicregnestro. AFGHIR. | *régent.* |
| **Regi'o** | akcizofico, akcizistaro. FGHI. | *régie.* |
| **REGIMENT'O** | korpuso estrata de kolonelo; — **estro**, AFGH IR. | *régiment.* |
| **REGION'O** | sufiĉe vasta parto de lando. AFGHIR. | *région.* |
| **REGISTR'I** | skribi sur oficiala libro; — **ado, ilo, isto; registrolibro**. AFGHIR. | *enregistrer.* |
| **Reglement'o** | regularo, regullibro. AFGHIR. | *règlement.* |
| **REGN'O** | lando, societo vivanta sub unu registaro kaj samaj leĝoj; — **ano, estra; regna kaso**. AF GHI. | *État.* |
| **REGOL'O** | (ornit.) speco de paserbirdo (*regulus*). | *roitelet.* |
| **Regres'o** (V.) | (balist.) returnmovo de pafarmilo post pafo. | *recul, retrait.* |
| **REGUL'O** | principo, formulo direkta; — **aro, eco, igi; eksterregula; malregula**. AFGHIR. | *règle.* |
| **REĜ'O** | hereda regnestro; — **ino, ido, aĵo, eco; reĝolando**. FHI. | *roi.* |
| **REĜIM'O** (Rh.) | speciala organizeco (politika, sociala, k. t. p.). AF. | *régime* (politique, etc.). |
| **Reĝisor'o** | administranto de teatro. FGR. | *régisseur.* |
| **REJS'O** | portugala monero (0,055). | *reys.* |
| **REKLAM'O** | (kom.) atentigo al vendaĵo; — **ilo, isto**. AFGR. | *réclame.* |
| **Rekognosk'i** | (milit.) militesplori. | *faire une reconnaissance.* |
| **REKOMEND'I** | komisii ion al iu, peti favoron por iu; — **ado, inda; rekomendita letero**. AFHIR. | *recommander.* |

| | | |
|---|---|---|
| **REKOMPENC'I** | doni ion al iu pro servo, bonfaro, k. t. p. ; — **ado, ebla, inda**. AFHIR. | *récompenser.* |
| **Rekord'o** | plej mallonga tempo uzita por trakuri difinitan spacon ; **superiĝi rekordon**. AFGR. | *record.* |
| **Rekrement'o** | restaĵo el vinberoj post elpremo de vino. G. | *marc* (de raisin). |
| **REKRUT'O** | freŝe varbita soldato ; — **adi, iĝi ; kolektado de rekrutoj**. AFGHIR. | *recrue.* |
| **REKT'A** | celanta, iranta senŝanĝe de unu punkto al alia ; — **eco, igi, iĝi ; malrekta ; rekta angulo, linio ; rekta'komplemento**. AFGHI. | *droit, direct.* |
| **Rektif'i** (W.D.) | korekti, pliĝustigi. AFGHIR. | *rectifier.* |
| **Rektifik'i** (Rh.) | V. **rektifi**. | *rectifier.* |
| **REKTOR'O** | universitatestro. AFGHIR. | *recteur.* |
| **Rektum'o** | (anat.) lasta parto de dika intesto. | *rectum.* |
| **Rekviem'o** | eklezia preĝo por mortintoj. | *requiem.* |
| **Rekviz'i** | postuli (virojn, ĉevalojn) pro milita servo. AFGHIR. | *requisitionner.* |
| **Rekvizici'o** (Rh.) | milita kontribucio. AFGHIR. | *réquisition.* |
| **Rekvizit'o** (Rh.) | kondiĉo, elemento necesa, bezona, esenca. AFGHIR. | *réquisit.* |
| **REL'O** | longa fersulko sur kiu ruliĝas vagonoj, tramveturiloj, k. t. p. ; **en, el' religi, reliĝi ; relvojo**. AFHR. | *rail.* |
| **Relajs'o** (Rh.) | (elek.) telegrafa ricevilo disponita por servi kiel manipulilo. | *relais.* |
| **Relativ'o** | (gram.) pronomo rilata al antaŭa nomo aŭ pronomo ; ekz *kiu*. AFGHIR. | *relatif.* |
| **RELIEF'O** | elstara surfaco ; — **aĵo, igi ; senreliefa ; alta, malalta reliefo**. AFGHIR. | *relief.* |
| **RELIGI'O** | kredo al Dio kun respondaj sentoj kaj agoj ; — **ano, eco, ulo ; samreligiulo ; senreligia**. AFGHIR. | *religion.* |
| **Relikv'o** (Df.) | sankta restaĵo ; **relikvokesto**. | *relique.* |
| **REM'I** | antaŭenveturi sur akvo per movo de remiloj ; — **ado, anto, ilo, isto ; rem' boato, ŝipo, konkurso**. FHI. | *ramer.* |
| **REMBUR'I** | plenŝtopi per lano, haro, k. t. p. ; — **ado, aĵo, isto**. F. | *rembourrer.* |
| **Remiz'o** | veturilejo. F. | *remise.* |
| **REMPAR'O** | murego, termontaĵo por ŝirmi urbon, fortikaĵon. AF. | *rempart.* |
| **Remolad'o** (Df.) | speco de saŭco el bolita ovflavo, oleo, k. t. p. | *rémoulade.* |
| **Remont'o** | liverado de ĉevaloj por la kavalerio. AFGHIR. | *remonte.* |

| | | |
|---|---|---|
| **REN'O** | (anat.) uringlando. FHI. | *rein, rognon.* |
| **Renĉ'i** (V.) | (tekn.) maldesktren puŝturni ; — **ilo.** | *se servir du tourne-à-gauche.* |
| **RENDEVU'O** | intervidiĝo ; interkonsentita kunveno. AFGR. | *rendez-vous.* |
| **Renegat'o** | malkonfesinto, forlasinto (religia). AFHIR. | *renégat.* |
| **Renesanc'o** | (hist.) periodo inter la dekkvina kaj deksepa jarcentoj, l. v. renaskiĝo. AFGHIR. | *renaissance.* |
| **Renklod'o** (Rh.) | speco de pruno tre sukoplena. F. | *reine-claude.* |
| **RENKONT'I** | trovi sur sia vojo ion aŭ iun ne atenditan ; **iri renkonten al.** AFHI. | *rencontrer.* |
| **RENOM'O** | reputacio, publika famo. | *renommée.* |
| **RENT'O** | monsumo ĉiujare produktita de kapitalo ; — **ulo, umo** ; **dumviva rento.** FGHIR. | *rente, revenu.* |
| **RENVERS'I** | debati, deĵeti, malkonstrui inversigi ; — **iĝi.** F. | *renverser.* |
| **Reostat'o** | (elektr.) instrumento por konstantigi intensecon de elektraj fluoj. AFGHIR. | *rhéostat.* |
| **Repertuar'o** | registrolibro, nomaro. AFGHIR. | *répertoire.* |
| **Repetitor'o** | profesorhelpanto. | *répétiteur.* |
| **REPREZENTI** | agi, paroli vice de iu ; — **ado, anto.** AFGHIR. | *représenter.* |
| **Reputaci'o** | publika opinio, famo pri iu. AFHIR. | *réputation.* |
| **Reps'o** (Df.) | ŝtofo el sulko kaj lano aŭ lano kaj kotono.. | *reps.* |
| **Residu'o** (V.) | (mat.) tio kio restas post operacio. | *résidu, reste.* |
| **Reskript'o** | respondo de supera aŭtoritato pri regnaj demandoj. AFGHIR. | *rescrit.* |
| **RESPEKT'I** | estimegi, havi senton de humileco antaŭ iu aŭ io ; — **egi, inda, ema** ; **repektoplena** ; **malrespekti.** AFGHIR. | *respecter.* |
| **Respektiv'a** | rilata al ĉiu aparta okazo. | *respectif.* |
| **RESPOND'I** | rediri al demando ; reskribi al skribinto ; rilati al ; akordiĝi kun ; sin konfesi kiel faranto de io ; — **anto, ebla, eco, ema** ; **kun, pri, pro' respondi.** AFHI. | *répondre.* |
| **RESPUBLIK'O** | regno en kiu la supera povo apartenas al la tuta popolo ; — **ano.** AFGHIR. | *république.* |
| **REST'I** | esti daŭre en la sama loko, en la sama stato ; — **aĵo, ado, ema** ; **restadejo** ; **manĝ' restaĵo.** FGHI. | *rester.* |
| **RESTORACI'O** | publika manĝejo ; — **estro, mastro.** AFGHIR. | *restaurant.* |
| **RET'O** | maŝaro por kapti fiŝojn, birdojn, k. t. p. ; — **aĵo, eca** ; **enretigi.** FHI. | *filet, réseau.* |
| **Retin'o** | (anat.) membrano en fundo de okulo sur kiu formiĝas la bildoj de eksteraj objektoj.AFHIR. | *rétine.* |
| **Retinit'o** | (med.) inflamo de la retino. | *rétinite.* |
| **RETOR'O** | (greka) parolartisto. AFGHIR. | *rhéteur.* |
| **RETORIK'O** | parolarto. AFGHIR. | *rhétorique.* |

| | | |
|---|---|---|
| **RETORT'O** | vazo el tero aŭ vitro uzata por distili. AGHIR. | *cornue.* |
| **Retroaktiv'a** | aganta sur estinteco. AFHIR. | *rétroactif.* |
| **Retrospekti-v'a** | rigardanta, rilatanta estintecon; — **eco**. AF HIR. | *rétrospectif.* |
| **REŬMATIS-M'O** | (med.) artra, muskola malsano; — **ulo**. AFG HIR. | *rhumatisme.* |
| **REV'I** | pensadi sencele, senorde, fantazie; — **ado, anto, ema, isto, ulo; en, el, dis' reviĝi**. F. | *rêver* (tout éveillé). |
| **Revers'o** (Rh.) | posta flanko, suba flanko (kiel ekz. de medalo). | *revers.* |
| **Reviz'o** (Rh.) | (typ.) dua presprovaĵo; — **aĵo**. | *seconde épreuve.* |
| **Revizi'i** | revidi, ekzameni, kontroli, kritiki; — **ado, aĵo, anto, isto**. | *réviser.* |
| **Revizor'o** | (rusa) inspektoro. | *réviseur, inspecteur.* |
| **Revoluci'o** | grava kaj subita ŝanĝo en regno; — **ulo**. AFG HIR. | *révolution.* |
| **Revolver'o** | multpafa pistolo. AFGHIR. | *revolver.* |
| **REVU'O** | perioda eldonaĵo. AFGHI. | *revue* (publication). |
| **REZED'O** | (bot.) speco de dukotiledonoj (*reseda*); — **acoj**. FGHIR. | *réséda.* |
| **REZERV'I** | meti aparten, apartigi; — **ado, aĵo, ano, it'o-aro, ujo; rezervita seĝo**. AFGHIR. | *réserver.* |
| **Rezident'o** (Df.) | (ŝtata) sendito. AFGHIR. | *résident.* |
| **Rezidu'o** (Rh.) | V. **residuo**. | *résidu.* |
| **REZIGN'I** | forlasi, forcedi. AFGHI. | *renoncer à, se désister de, répudier.* |
| **REZIGNACI'O** | submetiĝ'o, malribelo, cedo. AFGHI. | *résignation.* |
| **REZIN'O** | flamiĝema substanco fluanta el koniferoj. AFHI. | *résine.* |
| **Rezist'o** (V.) | (elekt.) malcedemo, netrairebleco (al elektra fluo). AFHI. | *résistance.* |
| **Rezoluci'o** | decidaĵo, interkonsenta decido (en kunveno). A FGHI. | *résolution* (collective). |
| **REZON'I** | argumenti, konkludi; — **adi, anto**. AFGHIR. | *raisonner.* |
| **Rezorcin'o** | (kem.) korpo antisepsa tirita el brasilligno. | *résorcine.* |
| **REZULT'I** | esti sekvo, konkludo de; — **anto, aĵo**. AFGHIR. | *résulter.* |
| **REZULTAT'O** | rezulto, rezultaĵo; **senrezultata**. AFGHIR. | *résultat.* |
| **Rezum'o** ? | resumo, mallongigo. AFGHR. | *résumé.* |
| **RIB'O** | (bot.) frukto de ribujo (*ribes*); — **ujo, acoj; blankaj, nigraj, ruĝaj riboj**. I. | *groseille.* |
| **RIBEL'I** | kontraŭstari al aŭtoritato; — **ado, anto, eco, ema, estro**. AFGHI. | *se révolter.* |
| **RICEV'I** | preni ion proponitan, donitan, k. t. p.; — **ado, anto, ilo; ricevatesto**. AFHI. | *recevoir, obtenir.* |
| **RICIN'O** | (bot.) speco de eŭforbiacoj (*ricinus*); — **oleo**. AGHI. | *ricin.* |

| | | |
|---|---|---|
| **RIĈ'A** | havanta multe da utilaĵoj ; — **aĵo, eco, ega, ulo, igi, iĝi** ; **malriĉa** ; **herboriĉa, fruktoriĉa**. AFGHI. | *riche.* |
| **RID'I** | vidigi gajecon per speciala kuntiriĝo de trajtoj ; — **eti, egi, ado, ema, inda, igi** ; **ridaĉi** ; **mokridi** ; **senride**. FHI. | *rire.* |
| **RIF'O** | ŝtonego elstaranta sur la maro. AGR. | *récif, écueil.* |
| **Rifrakt'i** | ŝangi la direkton de lumradio (tra diversaj medioj) ; — **ebla, ema**. AFGHIR. | *réfracter, se réfracter.* |
| **RIFUĜ'I** | forkuri en ian lokon por sin ŝirmi ; — **ejo, into**. AFHI. | *se réfugier.* |
| **Rifut'i**(Rh. p. 104.) | V. **refuti**. | *réfuter.* |
| **RIFUZ'I** | malkonsenti, malakcepti ; — **iĝi** ; **malrifuzi**. AFHI. | *refuser.* |
| **RIG'I** | (mar.) ŝnurarmi (ŝipon) ; — **il'o-aro**. A. | *gréer.* |
| **RIGARD'I** | turni la okulojn al, atente konsideri ; — **ado, ejo** ; **ĉirkaŭ, el, en, pri, re, sub, super, tra' rigardi**. AFI. | *regarder.* |
| **RIGID'A** | malfleksebla ; — **eco, igi, iĝi, ulo** ; **malrigida**. AFHI. | *raide, rigide.* |
| **RIGL'I** | fermi (pordon) per feraj bariloj ; — **ilo**. | *verrouiller.* |
| **RIGOR'A** | ĝustega, severega ; — **eco**. AFHI. | *rigueur, rigoureux.* |
| **RIKAN'I** | ridaĉi, mokridi. | *ricaner.* |
| **RIKOLT'I** | levi, amasigi terfruktojn ; — **ado, aĵo, ilo, anto, isto**. FHI. | *récolter, moissonner.* |
| **Rikur'a** | (mat.) perioda, revena. | *récurrent.* |
| **RILAT'I** | havi dependecon, similecon, k. t. p. alio ; — **eco, igi, iĝi** ; **interrilato**. AFGHIR. | *avoir rapport à.* |
| **RIM'O** | unuforma sono de finaj vortoj en versoj ; — **aĵo, aro, senrima**. AFGHIR. | *rime.* |
| **RIMARK'I** | ekatenti, ekobservi ; — **ebla, inda, igi, ilo** ; **senrimarke**, AF. | *remarquer.* |
| **RIMED'O** | afero taŭga por atingi celon ; — **mon, viv'rimedoj** ; **antaŭ, kontraŭ'rimedo**. AF. | *moyen, expédient.* |
| **RIMEN'O** | bendo el ledo aŭ kaŭĉuko por ligi aŭ kunfiksi ; — **eto, aĵo, aro**. GR. | *courroie.* |
| **Rimes'o** | (kom.) komisia pago, procentaĵo. | *remise.* |
| **Rimors'o** | konsciencriproĉo. AFHI. | *remords.* |
| **Rinant'o** (V.) | (bot.) speco de skrofulariacoj (*rhinanthus crista galli*). | *rhinanthe.* |
| **RING'O** | metala rondaĵo, cirkaŭfingro ; — **eto, ego, eca, ulo** ; **man, kol'ringo**. AG. | *anneau, bague.* |
| **Rinkasp'o** (V.) | (ornit.) speco de anaso (*rhyncaspis*). | *souchet.* |
| **Rinkops'o** (V.) | (ornit.) speco de palmipedo (*rhyncopsis*). AFHI. | *bec en ciseaux.* |

| | | |
|---|---|---|
| **RINOCER'O** | (zoo.) speco de pakidermo (*rhinoceros*). | *rhinocéros.* |
| **RIP'O** | (anat.) plata, kurba flankosto; **interripa**; **senripigi**. AG. | *côte.* |
| **RIPAR'I** | rebonigi, maldifekti; — **ado, aĵo, ebla**. AFGHIR. | *réparer.* |
| **RIPET'I** | denove fari, diri; — **adi**; **antaŭripeto**. AFHI. | *répéter.* |
| **RIPOZ'I** | ĉesigi laboron, agadon; — **ado, eco, igi**; **senripoza**. AFHI. | *se reposer.* |
| **RIPREZENT'I** | (kom.) esti komisiita de firmo por trakti en ĝia nomo; — **anto, isto**. AFGHIR. | *représenter.* |
| **RIPROĈ'I** | mallaŭdi; — **ado, aĵo, inda**; **mem, konsciencriproĉo**; **riproĉi ion al iu aŭ iun pri io**. AFH. | *reprocher, gronder* (trans). |
| **RISK'I** | endanĝerigi; — **ego, ema, ulo**; **multriska**; **senriska**. AFGHIR. | *risquer.* |
| **Rism'o** | kvincenta foliaro (*de papero*). AGHI. | *rame* (de papier). |
| **RISORT'O** | elasta metalpeco; — **eca, iĝi**; **risort'planko, matraco**. FHR. | *ressort.* |
| **RIT'O** | ordo de religiaj ceremonioj; — **ano, ismo, isto**. AFGHIR. | *rite.* |
| **RITM'O** | takto, kadenco, kombino de fortaj kaj malfortaj tempoj. AFGHIR. | *rythme.* |
| **RIVAL'O** | konkuranto. AFGHI. | *rival.* |
| **Rivaliz'i** (V.P.) | konkuri. | *rivaliser.* |
| **RIVEL'I** | (fot.) aperigi, malkaŝigi; — **ilo**. AFHI. | *révéler.* |
| **RIVER'O** | akvaro fluanta ĉu al alia ĉu al maro; — **eto**; **ego**; **fundo, lito, enirejo, enĵetejo**. AF. | *fleuve, rivière, cours d'eau.* |
| **RIVERENC'I** | respekte saluti, sin klini antaŭ iu; — **ado, inda**; **malriverence**. AFGHIR. | *faire la révérence, rendre hommage à.* |
| **Rivolu'o** | (mat.) rotacia movo ĉirkaŭ akso. AFGHIR. | *révolution.* |
| **RIZ'O** | (bot.) speco de gramenacoj (*oryza*). AFGHIR. | *riz.* |
| **Rizom'o** (V.) | (bot.) subtera, radikŝajna kaŭlo. | *rhizome.* |
| **Rizon'o** (V.) | V. **rezoni**. | *raisonner.* |
| **ROB'O** | longa vestaĵo uzata de virinoj, pastroj, k. t. p. AFGH. | *robe.* |
| **Robini'o** (V.) | (bot.) speco de arboj fabacoj (*robinia*). | *robinier, faux acacia.* |
| **Robr'o** (Rh.) | finludo, tutludo, AF. | *partie liée, rob, robre* (au whist). |
| **Rocel'o** | (bot.) speco de likeno uzata por tinkturi (*roccella*). | *roccelle.* |
| **ROD'O** | natura marhaveno, havengolfeto. AFGHIR. | *rade.* |
| **RODIUM'O** | (kem.) metalo malmulte konata. | *rhodium.* |
| **RODODENDR'O** | alpa rozo, speco de erikacoj (*rhododendrum*). | *rhododendron.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Rojalism'o** | rojalisteco. AFGHIR. | *royalisme.* |
| **Rojalisto** | partiano de reĝeco aŭ de reĝo. | *royaliste.* |
| **ROK'O** | ŝtono, ŝtonego; — **aĵo, eca**; **praroko**. AFHI. | *roc, roche.* |
| **Rokok'o** | stilo de la dua parto dela XVIII[a] jarcento. AF GIR. | *rococo.* |
| **ROL'O** | parto de teatra verko ludota de aktoro. FGR. | *rôle.* |
| **ROM'A** | rilata al Romo, ĉefurbo de Italujo; — **ano**. AF GHIR. | *romain.* |
| **Roman'o** | literatura rakonto, novelego; — **eco, aro, isto**. FGHIR. | *roman* (littér.). |
| **Romanc'o** | plenda, sentimentala kantaĵo. AFGHIR. | *romance.* |
| **Romantik'a** | konforma al romantismo. AFGHIR. | *romantique.* |
| **Romantism'o** | stilo, doktrino de la romantikuloj. AFGHIR. | *romantisme.* |
| **Romb'o** | (geom.) alia nomo de lozango; (ikt.) speco de marfiŝo (*rhombus*). | *rhombe, turbot.* |
| **Rombojd'o** | rombforma, rombsimila figuraĵo; dorsa muskolo. | *rhomboïde.* |
| **ROMP'I** | dispecigi; — **ado, aĵo, ebla, ilo, iĝi**; **de, dis, el, en, inter, tra' rompi**; **facilrompa**; **ĵurrompo**. AFHI. | *rompre, briser.* |
| **ROND'O** | ĉiu figuraĵo, ĉiu objekto cirkloforma, sferforma; — **eto, eco, aĵo, igi, iĝi, iri**; **flurondo**. A FGHI. | *rond.* |
| **RONK'I** | fari bruon per gorĝo kaj nazo dum dormo; — **adi**. FH. | *ronfler.* |
| **ROS'O** | akvogutaro aperanta matene aŭ nokte; **miel-roso**. FHR. | *rosée.* |
| **ROSMAR'O** | (zoo.) marĉevalo, speco de foko (*trichecus rosmarus*). | *morse.* |
| **Rosmaren'o** | (bot.) speco de lamiaco (*rosmarinus*). AFGIR. | *romarin.* |
| **ROST'I** | kuiri ion antaŭ granda fajro sen akvo ekster vazo; — **egi, adi, aĵo, ejo, ilo**; **krad, pik' rostilo**. AFGHI. | *rôtir.* |
| **ROSTBEF'O** | rostita bovaĵo. AFGHIR. | *rosbif.* |
| **ROSTR'O** | (zoo.) nazego (de elefanto, de iaj insektoj, k. t. p.) L. | *trompe.* |
| **ROT'O** | (milit.) parto de bataliono estrata de kapitano. G. | *compagnie* (militaire). |
| **Rotad'o** (Rh.) | aksturnado, turnmovo. AFGHIR. | *rotation.* |
| **Rotaci'o** | (mat.) imaga, idea rotado. AFGHIR. | *rotation.* |
| **Rotond'o** | (arkit.) rondforma konstruaĵo. AFGHIR. | *rotonde.* |
| **ROZ'O** | (bot.) floro de rozujo (*rosa*); — **ujo, ejo, acoj**; **rozkolora**; **rozo sovaĝa**; **ventorozo**. A FGHIR. | *rose.* |
| **Rozari'o** | preĝilo simila al perla ĉirkaukolo; — **ero**, AF HI. | *rosaire.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Rozeol'o** (Df.) | (med.) speco de morbilo. | *roséole.* |
| **Ruad'i** (Rh.) | posten hufofrapi; stampfi. F. | *ruer.* |
| **RUB'O** | ruinaĵoj, malkonstruaj restaĵoj ; — **aĵo, amaso.** L. | *décombres.* |
| **RUBAND'O** | mallarĝa bendo de ŝtofo el silko, lano aŭ kotono ; — **ego.** AF. | *ruban.* |
| **Rubekolo** (V.) | (ornit.) speco de paserbirdo (*motacilla rubecula*). | *rouge-gorge.* |
| **RUBEN'O** | ruĝa juvelŝtono AFGHIR. | *rubis.* |
| **Rubetr'o** (V.) | (ornit.) speco de saksikolo (*saxicola rubetra*). | *tardier.* |
| **Rubi'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj, uzata kiel ruĝa tinkturilo (*rubia tinctorum*) : **acoj.** HI. | *garance.* |
| **Rubidi'o** | (kem.) metalo malmulte konata. | *rubidium.* |
| **Rubikon'o** | (hist.) rivero netransirebla sen kapitala risko. | *Rubicon.* |
| **RUBL'O** | rusa monero (2 fr. 65 c.). | *rouble.* |
| **RUBRIK'O** | titolo, fako, faktitolo. AFGHIR. | *rubrique.* |
| **RUBUS'O** | bero de dornarbetaĵo (*rubus*) ; — **ujo.** | *mûre sauvage.* |
| **RUĜ'A** | samkolora kiel sango ; — **aĵo, eco, igi, iĝi** ; **tagruĝo.** F. | *rouge.* |
| **RUIN'O** | pereigo, malkonstruo ; — **aĵo, iĝi.** AFGHIR. | *ruine.* |
| **RUKT'I** | elĵeti brue per buŝo gasojn el stomako ; — **ado.** FHI. | *éructer.* |
| **RUL'I** | movi ion tiamaniere ke ĝi turniĝas sur si mem ; — **adi, aĵo, ilo, iĝi** ; **de, el, en, for, kun' ruli ; rul'bloko, kurteno** ; **facilrula** ; **marrulo.** | *rouler* (trans). |
| **Rulad'o** (Rh.) | (muz.) voĉrulado ; voĉado, koloraturo. AF. | *roulade ?* |
| **Rulet'o** | speco de hazardludo. AFGHIR. | *roulette.* |
| **RUM'O** | brando el distilita kansukero. AFGIR. | *rhum.* |
| **RUMAN'O** | popolano de sudorienta Eŭropo ; — **ujo.** AFGHIR. | *roumain.* |
| **Rumeks'o** (V.) | (bot.) speco de poligonacoj (*rumex*). | *rumex, oseille sauvage.* |
| **RUMB'O** | (mar.) unu el la 32 partoj de la ventorozo (kompaskarto). AF. | *rumb.* |
| **Runoj** | skribliteroj uzataj de la antikvaj Skandinavoj. | *runes.* |
| **Rupi'o** | hinda monero. AFGHIR. | *roupie.* |
| **RUS'O** | popolano de granda eŭropazia imperio ; — **ujo.** AFGHIR. | *Russe* (un). |
| **Rusk'o** (V.) | (bot.) speco de monokotiledonoj (*ruscus*). | *fragon, petit houx.* |
| **RUST'O** | metala, precipe fera, oksido naskita de malseketo ; — **aĵo, igi, iĝi.** AG. | *rouille.* |
| **RUSUL'O** ★ | (bot.) speco de agarikacoj (*russula*). | *russule.* |
| **RUŜ'O** | tulkrispo, tulfaldo. FGR. | *ruche.* |

| | | |
|---|---|---|
| **RUT'O** | (bot.) speco de dukotiledonoj (*ruta*). AFGHIR. | *rue.* |
| **Rutenium'o** | (kem.) metalo malmulte konata. | *ruthénium.* |
| **RUTIN'O** | kutimaĉo, neprogresemo ; — **ulo**. AFGHIR. | *routine.* |
| **RUZ'O** | trompilo, artifikaĵo ; — **eco, ema, ulo** ; **el, super' ruzi**. F. | *ruse.* |

# S

| | | |
|---|---|---|
| **S** | dudekdua litero de la esperanta alfabeto. | *S* |
| **SABAT'O** | antaŭlasta tago de la semajno. AFGHIR. | *samedi.* |
| **SABELIK'O** | speco de brasiko. | *chou frisé de Milan.* |
| **SABL'O** | ŝtona, tera pulvoro; — **aro, ajo, eca, ejo, ero, isto**; **sablo' bordo, ŝtono.** FHI. | *sable.* |
| **SABR'O** | speco de glavo; — **ingo**; **sabrobati**; **sabrosako.** AFGHIR. | *sabre.* |
| **Saduce'o** (Rh.) | V. **sadukeo.** | *saducéen.* |
| **Saduke'o**(Rab. 16). | juda sektano neanta la senmortecon de animoj. | *saducéen.* |
| **SAFIR'O** | blua juvelŝtono; — **kolora.** AFGHIR. | *saphir.* |
| **SAFRAN'O** | flava kolorilo el krokuso. AFGHIR. | *safran.* |
| **Safranin'o** | (kem.) substanco tirita el safrano. | *safranine.* |
| **SAG'O** | vergeto armita de akra fero uzata kiel ĵetarmilo; — **aro, ego, eto, ujo, isto**; **sagforma.** | *flèche.* |
| **SAGAC'A** | komprenema, penetrema (spirite); — **eco, ulo.** AFHI. | *perspicace.* |
| **Sage'o** (Rh.) | herohistorio, herolegendo (skandinava). | *saga.* |
| **Sagitari'a** (V.) | (bot.) speco de alismacoj, akvosago (*sagittaria*). | *fléchière.* |
| **Sagu'o** | faruno tirita el la saguarbo (*metroxylon*). AF GHIR. | *sagou.* |
| **SAĜ'O** | kapablo ĝuste juĝi; — **eco, ulo, ist'o-ado**; **malsaĝa.** FHI. | *bon sens, raison, sagesse.* |
| **SAK'O** | speco de poŝo el tolo, ledo; — **eto**; **saktolo, felsako.** AFGHI. | *sac.* |
| **Sakarin'o** | (kem.) sukera pudro tirita el terkarbo. | *saccharine.* |
| **SAKR'O** | (anat.) osto de la malsupera ekstremaĵo de la vertebraro. AFHI. | *sacrum, échine.* |
| **SAKRAMEN-T'O** | religia sanktiga faro. AFGHIR. | *sacrement.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Inkandesc'a** (Sr.) | V. **inkandeska**. | *incandescent.* |
| **Inkub'o** (Vr.Z.) | inkubsonĝo (*alia senco*). | *incube.* |
| **Inkvart'o** (Vi.) | libra formato laŭ kiu ĉiu presfolio enhavas 8 paĝojn. | *in-quarto.* |
| **Inoktav'o** (Vi.) | libra formato laŭ kiu ĉiu presfolio enhavas 16 paĝojn. | *in-octavo.* |
| **Instrumenta-ci'o** (Vp.) | aranĝado de melodio por la orkestraj instrumentoj. | *orchestration.* |
| **Instrumenta-l'o** (Vp.) | (gram.) kazo montranta la instrumenton en kelkaj lingvoj. | *instrumental.* |
| **Interdikt'o** (Vf.) | (ekl.) eklezia juĝo malpermesanta al pastro plenumi kulton. | *interdit.* |
| **Intermez'o** (Vf.) | teatraĵo ludata inter la aktoj de dramo aŭ komedio. | *intermède.* |
| **Interven'i** (Vh.) | sin intermeti, helpi. Eble *inter'veni* ? | *intervenir.* |
| **Intervu'i** (Sr.) | V. **intervjuo**. | *interviewer.* |
| **Inton'i** (Vp.) | komenci kanton, ekkanti. | *entonner.* |
| **Intonaci'o** (Vp.) | voĉtono. | *intonation* |
| **Intuici'o** (Sr.) | V. **intuitiv'o** (kiu ŝajnas malpli taŭga). | *intuition.* |
| **Intumesk'o** (Vf.) | (med.) malsaneca ŝvelo en ia parto de la korpo. | *fluxion, tuméfaction.* |
| **Ioni'a** (Vf.) | V. **iona**. | *ionien.* |
| **Iridi'o** (Sr.) | V. **iridiumo**. | *iridium.* |
| **Irigaci'o** (Vp.) | kampakvumado. | *irrigation.* |
| **IRIT'I** (Vp.) | inciti, kolerigi ; — **ema**, **ebla**, **iĝi**. | *irriter.* |
| **Ism** | speciala sufikso, proponata de kelkaj aŭtoroj, por signifi doktrinon religian, filozofian, k. t. p. de *iu persono* aŭ de *ties sekvantoj*, kunigebla sekve kun *substantivaj* radikoj signifantaj *personojn*, kiel ekz.: **Platono, platonismo** ; **Mahometo, mahometismo**; **Kristano, kristanismo** ; **Karteziano, kartezianismo**. La uzado de la sufikso ŝajnas malpli certa kun la senco de doktrino *pri iu objekto*, t. e. kiam ĝi kuniĝas kun substantivaj radikoj signifantaj *aferojn*, ne personojn : kiel ekz. : **spiritismo** (doktrino *pri* la *spiritoj*) ; **utilismo** (doktrino *pri* la **utilo**, kiel ĉefprincipo de la homa konduto), k. t. p. En ĉiuj aliaj okazoj, **ism** devas esti konsiderata ne kiel esperanta sufikso, sed kiel nedisigebla finiĝo de internaciaj radikvortoj. | *suffixe servant à former des noms de doctrines religieuses, philosophiques, etc.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Ismael'o** (Vh.) | praavo de la Ismaelidoj (Araboj). | *Ismaël.* |
| **Izat'o** (Vp.) | (bot.) V. **isato**. | *pastel, guèble.* |

## J

| | | |
|---|---|---|
| **J** | karakteriza finiĝo de la pluralo (multenombro) en substantivoj kaj adjektivoj | *marque du pluriel des substantifs en esperanto.* |
| **Jakarand'o** (Vf.) | (bot.) speco de bignoniacoj (*jacaranda*). | *jacaranda.* |
| **Jard'o** (M.T.) | (mar.) velstango. A. | *vergue.* |
| **Jasion'o** (Vp.) | (bot ) speco de kampanolacoj (*jasiona*). | *jasione.* |
| **Jaspis'o** (Vp.) | (miner.) V. **jaspo**. | *jaspe.* |
| **Jezes'o** (Vp.) | (ikti.) speco de eŭropa cipreno (*idus jeses*). | *jesse.* |
| **Jodi'o** (Vi.) | V. **jodo**? | *iode?* |
| **Juka'o** (Vf.) | (bot.) speco de liliacoj (*yucca*), germane palm-lilio. | *yucca.* |
| **Julap'o** (Vp.) | V. **julepo**. | *julep.* |
| **Julep'o** (Df.) | (farm.) medicina siropo. | *julep.* |
| **Junkr'o** (Vr.Z.) | militlernanta suboficiro, kadeto (*alia senco*). | *sous-officier, cadet.* |
| **Jurisdikci'o** (Vp.) | juĝorajto, juĝorajta regiono. | *juridiction.* |

## Ĵ

| | | |
|---|---|---|
| **Ĵabot'o** (Vr.Z.) | punta kolrando, kolumo, vestaĵa ornamaĵo. | *jabot.* |
| **Ĵaket'o** (Vr.Z.) | speco de virvestaĵo neceremonia (ne speco de ĵako). | *jaquette.* |
| **Ĵaluzi'o** (V.) | speco de fenestra kovrilo, lignokurteno. | *persienne, jalousie.* |
| **Ĵeton'o** (Vp.) | ludmarko. | *jeton.* |
| **Ĵok'o** (Vp.) | (zoo.) speco de simio homsimila. | *jocko.* |
| **Ĵonkil'o** (Vp.) | (bot.) V. **junkilo**, **junkvilo**. | *jonquille.* |
| **Ĵupan'o** (Vp.) | (voj.) malsupra vesto de nobelo. | *jupan* (mot polonais). |
| **Ĵurnalistik'o** (Vp.) | ĵurnalista profesio, okupiĝo. | *journalisme.* |

## K

| | | |
|---|---|---|
| **Kaĉuĉ'o** (Vf.) | hispana danco. | *cachucha.* |
| **Kadet'o** (Vr.Z.) | lernanto de milita gimnazio (*alia senco*). | *cadet.* |
| **Kaĥekt'o** (Vf.) | V. **kakekto**. | *cachexie.* |
| **Kajt'o** | flugdrako, flugludilo (uzata por scienca celo). | *cerf-volant.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Kakodil'o** (Vf.) | (kem.) metila arsenido. | *cacodyle.* |
| **Kaktus'o** (Vf.) | V. **kakto**. | *cactus.* |
| **Kalabr'o** (Vf.) | (geog.) lando de suda Italujo ; — **ano**. | *Calabre.* |
| **Kalam'o** (Vf.) | (bot.) speco de kano uzata ĉe la antikvuloj por skribi (*calamus*). | *calamus.* |
| **Kalamen'o** (Vi.) | (kem.) silikato de zinko. | *calamine.* |
| **Kalaz'o** (Vf.) | (bot.) surfaco per kiu nucelo alteniĝas al ovolo. | *chalaze.* |
| **Kalcedoni'o** (Vi.) | (min.) speco de agato. | *calcédoine.* |
| **Kalembur'o** (Vf.) | vortludo. (La vorto ne ŝajnas taŭga.) | *calembour.* |
| **Kalfatr'i** (Vf.) | V. **kalfati**. | *calfater.* |
| **Kalidr'o** (Vf.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*tringa*). — Erare : *calidris* estas france *sanderling* ; *maubèche* estas *tringa*. | *maubèche ?* |
| **Kalitrik'o**(Vp.) | (bot.) speco de eŭforbiacoj (*callitriche*). | *callitriche.* |
| **Kalt'o** (Vp.) | (bot.) speco de ranunkolacoj (*caltha palustris*). | *souci des marais.* |
| **Kalun'o** (Vp.) | (bot.) speco de eriko (*calluna*). | *grande bruyère.* |
| **KALV'A** (Z.) | senhara (kapo); — **eco, aĵo, ulo, igi, iĝi**. | *chauve.* |
| **Kamer'o** (Vf.) | senluma, senfenestra ĉambreto (*alia senco*). | *cabinet noir.* |
| **Kampani'o** (Vp.) | (milit.) militiro. | *campagne.* |
| **Kampeĉ'o** (Vi.) | V. **kampeŝo**. | *campêche.* |
| **Kanad'o**(Vr.Z.) | (geog.) nordamerika lando ; — **ano**. | *Canada.* |
| **Kanoniz'i** | meti en la nombron de la sanktuloj. | *canoniser.* |
| **Kantabil'e ?** (Vf.) | (muz.) malrapide (ludota, aŭ kantota muzikaĵo). | *cantabile.* |
| **Kantarel'o**(Vf.) | (bot.) speco de agarikoj (*cantharellus*). | *chanterelle.* |
| **Kantik'o** (Df.) | religia kantaĵo. | *cantique.* |
| **Kape'i** (M. T.) | (mar.) kion faras ŝipo, kiu pro la tro malbona vetero ne povas laŭiri sian vojon FHI. | *tenir la cape.* |
| **Kapelen'o** (Vi.) | kapelano, kapelpastro. | *chapelain.* |
| **Kapitul'o** (Vp.) | (ekl.) kanonikaro ? ; — **ano, ejo**. | *chapitre.* |
| **Kapok'o** (Sr.) | remburkotono el Hindujo (*eriodendrum anfractuosum*). | *capoc.* |
| **Kapuso** (M. T.) | (mar.) direkto de l'antaŭa parto de ŝipo. | *cap* (du navire). |
| **Karab'o** | (entom.) speco de koleopteroj (*carabus*). | *carabe.* |
| **Karabel'o** (Vp.) | (voj.) antikva pola sabro kun ornamita tenilo. | *karabel* (mot polonais). |
| **Karabinjer'o** (Vi.) | karabenulo, speco de soldato armita de speciala pafilo. | *carabinier.* |
| **Karbogen'o** (Sr.) | (kem.) karbono (*alia senco*). | *carbone.* |
| **Karbonit'o** (Vef.) | (med.) V. **karbunklo**. | *charbon.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Karbunkol'o** (Vef.) | (med.) V. **karbunklo**. | *charbon.* |
| **Kardamim'o** (Vp.) | (bot.) V. **kardameno**. | *cardamine.* |
| **Kardamon'o** (Vp.) | (bot.) speco de zingibracoj (*amomum card amomum*). Erare anstataŭ **kardamomo**. | *cardamome.* |
| **Kardi'o** (Vef.) | (anat.) supera aperturo de la stomako (*dua senco*). | *cardia.* |
| **Kare'o** (Vp.) | kvadrata desegnaĵo ; — **eto**. | *carré.* |
| **Karint'o** (Vp.) | landano de Aŭstra Hungara provinco ; — **ujo**. **Karintio** ŝajnus preferinda ol **Karintujo** kaj **karintiano**. ol **karinto**. | *Carinthien.* |
| **Karlin'o** (Vp.) | (bot.) speco de kompozitoj (*carlina*). | *carline.* |
| **Karmaniol'o** (Vp.) | V. **karmagnolo**. (**karmanjolo** ŝajnus preferinda). | *carmagnole.* |
| **Karmelitan'o** (Vi.) | V. **karmelito** preferinda. | *carmélite.* |
| **Karneol'o** (V.) | (miner.) speco de agato. | *cornaline.* |
| **Karpat'oj** (Vp.) | (geog.) montoj de orienta Eŭropo. | *Carpathes.* |
| **Karpologi'o** (Vef.) | (bot.) studo de fruktoj kaj semoj. | *carpologie.* |
| **Kartusi'o** (Df.) | (sub la formo **kartusiana**) speco de monaĥejo. | *chartreuse.* |
| **Karniol'o** (Vp.) | V. **karneolo**. | *cornaline.* |
| **Kas'o** (Sr.) | (fot.) kadro por fotografaj platoj (*alia senco*) ; — **eto**. | *chassis.* |
| **Kastaniet'o** (Vp.) | V. **kastaneto**. | *castagnette.* |
| **Kastanjet'o** (Vi.) | V. **kastaneto**. | *castagnette.* |
| **Kastil'o** (Vef.) | landano de Hispana provinco ; — **ujo**. (Mi preferus **Kastil'o-ano**.) | *Castillan.* |
| **Kastorin'o** (Vef.) | (kem.) speciala grasaĵo trovita en kastora sekrecio. | *castorine.* |
| **Kaŝemir'o** (Vp.) | kaprolana teksaĵo el Hinda provinco. | *cachemir.* |
| **Katakrez'o** (Vef.) | speco de metaforo uzata pro manko de taŭga vorto. | *catachrèse.* |
| **Katalekt'a** (Vef.) | V. **katalektika**. | *catalectique.* |
| **Kataliz'o** (Vef.) | (sub la formo **katalizemo**) aparta kemia forto. | *catalytique* (force). |
| **Katalun'a** (Vd.) | landano de hispana provinco ; — **ujo**. | *Catalan.* |
| **Katet'o** (Vef.) | (geom.) rekta linio perpendikla al alia. | *cathète normale.* |
| **Kaŭdivolvul'o** (Vp.) | (zoo.) V. **cerkolepto**. | *kincajou.* |
| **Kaŭkal'o** (Vp.) | (bot.) speco de umbeliferoj (*caucalis*). | *caucale.* |
| **Kaŭkaz'o** (Vp.) | (geog.) montaro inter Eŭropo kaj Azio ; — **ano**. | *Caucase.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Kazuar'o** (Vp.) | V. **kasuaro**. | *casoar.* |
| **Kazuari'o** (Vef.) | V. **kasuaro**. | *casoar.* |
| **Kazuistik'o** (Vi.) | parto de la teologio pri kiu sin okupas la kazuistoj. | *casuistique.* |
| **Kazul'o** (Df. Vef.) | (tekn. ? ekl.) pastra mantelo. | *chasuble ?* |
| **Kefir'o** (Vp.) | kaŭkaza trinkaĵo el fermentita lakto. | *kéfir.* |
| **Kerkop'o** (Vef. | (enton.) speco de hemipteroj (*cercops*). | *cercope.* |
| **Kerkopitek'o** (Vef.) | (zoo.) speco de afrikaj simioj, vostsimio (*cercopithecus*). | *cercopithèque.* |
| **Kerofil'o** | (bot.) speco de cerefolio, bulba cerefolio. | *cerfeuil bulbeux.* |
| **Kiker'o** | (bot.) V. **cicerpizo**. | *pois chiche.* |
| **Kikerik'i** (Vp.) | kokekrii. | *cocorico* (chanter). |
| **Kimr'o** | indiĝeno de angla regiono ; —**ujo**. V. **Gvalo**. | *Gallois.* |
| **Kinkonin'o**(Vef.) | (kem.) alkalojdo tirita el kinkono. | *cinchonine.* |
| **Klavikul'o** (Vp.) | V. **klaviklo**. | *clavicule.* |
| **Kle'o** (Muz. T.) | muzika ŝlosilo; **cokleo, fokleo, gokleo** k.t.p. | *clé* (de musique). |
| **Klem'o** (Sr.) | (elektr.) elektra kontaktilo. | *borne* (électrique). |
| **Kleptomani'o** (Vef.) | (med.) ŝtelmanio. | *cleptomanie.* |
| **Klerikalism'o** (Df.) | V. **klerikismo**. | *cléricalisme.* |
| **Klif'o** ★ | krutaĵo staranta apud marbordo. A. | *falaise.* |
| **Klizopomp'o** (Vp.) | klisterilo, enŝprucigilo. | *clysopompe.* |
| **Kloŭn'o** (Vp.) | cirka amuzisto. V. **klaŭno**. | *clown.* |
| **Klostr'o** (Vef.) | V. **klaŭstro**. | *cloître.* |
| **Klozet'o** (Vp.) | necesejo. | *cabinet d'aisance.* |
| **Klus'o** (Vef.) | (mar.) truo ĉe la autaŭŝipo por trapasigi ŝnuregojn aŭ ĉenojn. | *écubier.* |
| **Knal'i** (Sr.) | eksplodi. | *détoner.* |
| **Knap'o** (Vef.) | (tekn.) instrumento por firmteni pecon de ligno sur stablo. | *varlet* (d'établi). |
| **Knot'o**(Sr.Vef.) | (fiz. mar.) samsenca kiel **nodo**. | *nœud.* |
| **Koan'oj** !(Vef.) | (anat.) l. v. funeloj; specialaj okulmuskoloj ĉe kelkaj mamuloj. | *choanes.* |
| **Kodicil'o** (Vr. Z.) | testamenta aldonaĵo. | *codicille.* |
| **Kodifik'i** (Vp.) | enkodigi. | *codifier.* |
| **Koit'i** (Vp.) | sekse kuniĝi. | *accomplir l'œuvre de chair.* |
| **Kokcig'o** (Vp.) | V. **koksizo** (kiu ŝajnas malpli taŭga). | *coccyx.* |
| **Kokciz'o** (Vef.) | V. **kokcigo**. | *coccyx.* |
| **Kokus'o** (Sr.) | alia nomo de **koĉenilo** ; laŭ Vef. speco de mikrobo. | *coccus.* |
| **Koledok'a** (Vef.) | (anat.) galkonduka (kanalo). | *cholédoque.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Kolerik'a** (Vr.Z.) | (med.) rilata al la ĥolero. | *cholérique.* |
| **Koleus'o** (Vef.) | (bot.) speco de lamiacoj (*coleus*). | *coléus.* |
| **Kolĥik'o** (Vp.) | (bot.) V. **kolĉiko.** | *colchique.* |
| **Kolocint'o** (Vef.) | V. **kolokinto.** | *coloquinte.* |
| **Koloniz'i** (Vp.) | koloniigi. | *coloniser.* |
| **Kolostr'o** (Vef.) | (med.) unua lakto de ĵusakuŝitino. | *colostrum.* |
| **Komic'o** (Vef.) | popola kolektiĝo por baloto. | *comice.* |
| **Komisur'o** (Vef.) | (anat.) punkto kie kuniĝas diversaj partoj de la korpo, kiel ekz. interlipo. | *commissure.* |
| **Kompund'a** | pri vapormaŝino havanta almenaŭ du cilindrojn tra kiuj pasas sinsekve vaporo. AFG. | *compound.* |
| **Komput'o** (Vef.) | (ekl.) kalkulo de la tempoj por reguligi la eklezian kalendaron. | *comput.* |
| **Kondroglos'a** (Vef.) | (anat.) (parto) de la muskolo hioglosa. | *chondroglosse.* |
| **Kondropterigi'oj** (Ev.) | (ikti.) klaso de fiŝoj kun kartilagaj naĝiloj. | *chondroptérygien.* |
| **Konestabl'o** (Vef.) | militestro (dum mezepoko kaj renesanco). | *connétable.* |
| **Konfront'i** (Vp.) | kontraŭstarigi, kompari (du atestojn, k. t. p.). AFGHI. | *confronter.* |
| **Kongesti'o** (Vp.) | (med.) sangalfluo. AFHI. | *congestion.* |
| **Konjunktur'o** (Vp.) | okazo, circonstancaro. | *conjoncture.* |
| **Konkiliologi'o** (Vef.) | V. **konkologio.** | *conchyliologie.* |
| **Konkir'i** (Vp.) | V. **konkeri**, (*konkiri* eble preferinda pro analogio al *akiri*). | *conquérir.* |
| **Konkojd'o** (Vef.) | (geom.) aparta speco de kurblinio. | *conchoïde.* |
| **Konkord'o** (Vp.) | konsento, kunsento, harmonio. AFGHIR. | *concorde.* |
| **Konkub'i** (Vp.) | kunkuŝi ; — **eco, ul'o-ino.** (En la *Faraono* Kabe uzis *konkubino*). | *vivre en concubinage.* |
| **Konsakr'i** (Vp.) | dediĉi al' Dio ; — **ado, anto, ito.** | *consacrer.* |
| **Konservatism'o** (Vef.) | konservativa partio, doktrino, tendenco. | *conservatisme.* |
| **Konstip'i** (Sr.) | esti mallaksa, konstipiĝi (*alia senco*). | *être constipé.* |
| **Konstitu'i** (Vp.) | formi, konsistigi. AFGHIR. | *constituer.* |
| **Kontemplaci'o** (Vp.) | suprenrigardo, suprenmedito. AFHIR. | *contemplation.* |
| **Kontekst'o** (Vp.) | plena teksto, cetera teksto. | *contexte.* |
| **Kontuŝ'o** (Vp.) | antikva pola supra longa vestaĵo kun distranĉitaj manikoj (vorto turka). | *contouche* (mot turc). |

| | | |
|---|---|---|
| **Konvenci'o** (Vp.) | kontrakto, interkonsento, interkonsentia fiktiveco (*alia senco*). | *convention.* |
| **Konverĝ'i** (Sr.) | konverĝigi (*alia senco*). | *converger* (faire). |
| **Konversi'o** (Vp.) | (fin ) malpliigo de la procento de regna ŝuldo. | *conversion.* |
| **Konzert'o** (Muz. T.) | simfonio akompananta la ludon de unu virtuozo. | *concerto.* |
| **Koordin'i** (Vp.) | kunaranĝi, kunordigi. | *coordonner.* |
| **Koraloriz'o** (Vp.) | (bot.) speco de orkideoj (*corallorhiza*). | *corallorhize.* |
| **Koregidor'o** (Vef.) | juĝa ĉefoficisto en Hispana urbo. | *corrégidor.* |
| **Korektur'o**(Sr.) | presprovaĵo. | *épreuve d'imprimerie.* |
| **Koroner'o** (Vef.) | juĝa oficisto en Anglujo. | *coroner.* |
| **Kornel'o** (Vp.) | (bot.) V. **kornuso**. | *cornouille.* |
| **Kornu'o** (Vp.) | (bot.) V. **kornuso**. | *cornouille.* |
| **Kors'o** (Vi.) | ĉefstrato. | *corso, cours.* |
| **Korporal'o** (Vef.) | (ekl.) sankta altartuko por ricevi la hostion. | *corporal.* |
| **KORUPT'I** (Vp.) | subaĉeti ; — **ema, ebla, ilo, ulo.** | *corrompre.* |
| **Kosmologi'o** (Vef.) | scienco, traktato pri la mondo konsiderata entute. | *cosmologie.* |
| **Koŝer'a** (Vp.) | rite pura. | *rituellement pur* (mot hébreu). |
| **Kotilion'o** (Vp.) | V. **kotiljono**. | *cotillon.* |
| **KOZ'O** (Vp.) | afero, objekto. FHI. | *chose.* |
| **Krek'o** (Vp.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*crex*). | *râle.* |
| **Kremastr'o** (Vef.) | (anat.) pendiga muskolo de testiko. | *crémaster.* |
| **Kreml'o** (Vef.) | cara palaco en Moskvo. | *kremlin.* |
| **Kretace'a**(Sr.) | (geol.) pri la lasta formacio de la dua epoko. | *crétacé.* |
| **Krime'o** (Vp.) | duoninsulo de Eŭropa Rusujo en Nigra Maro ; — **ano.** | *Crimée.* |
| **Kriminalistik'o** (Vp.) | kriminala juro. | *droit criminel.* |
| **Krioskop'a** (Sr.) | rilata al la studo de la glaciiĝo de likvaĵoj. (**krioskopia** ŝajnas preferinda). | *cryoscopique.* |
| **Kriptonim'o** (Vp.) | kaŝnomo. | *cryptonyme, pseudonyme.* |
| **Krism'o** (Vi.) | sanktoleo. V. **Ĥrizamo.** | *chrême.* |
| **Krisosulfit'o** (Sr.) | V. **krizosulfito**, kiu ŝajnas preferinda. | *chrysosulfite.* |
| **Kristaliz'i** (Vp.) | kristaliĝi. | *cristalliser.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Kriticism'o** (Vp.) | (filoz.) doktrino de Kant pri la homa konado. | *criticisme.* |
| **Krizal'o** (Sr.) | V. **krizalido**, kiu ŝajnas preferinda. | *chrysalide.* |
| **Kropf'o** (Vf.) | (med.) antaŭgorĝa tumoro. | *goître.* |
| **Krosark'o**(Vf.) | (bot.) frukto de brazila arbo (*crosarchus*). V. **mango**. | *mangue.* |
| **Krunod'o** (Vf.) | (mat.) punkto kie interkruĉigas du punktoj de kurbo. | *point crunodal.* |
| **Ksinon'o** (Sr.) | (kem.) malmulte konata gaso entenata en la aero. | *xénon.* |
| **Ksilograf'i** (Vr. Z.) | V. **ksilografii**. | *xilographier.* |
| **Kubit'o** (Sr.) | (anat.) V. **ulno** (*alia senco*). | *cubitus.* |
| **Kuku** (Vp.) | kriɔ de la kukolo. | *coucou !* |
| **Kumul'i** (Vef.) | flankobligi (salajrojn, oficojn, k. c.). | *cumuler.* |
| **Kumulator'o** (Vp.) | V. **akumulatoro**. | *accumulateur.* |
| **Kuperoz'o** (Vef.) | (kem.) metala sulfato. | *couperose.* |
| **Kuplet'o** (Vp.) | strofo de kantaĵo. | *couplet.* |
| **Kurant'o** (Sr.) | (elektr.) elektra fluo. | *courant.* |
| **Kuratel'o**(Vp.) | kuratoreco. | *curatelle.* |
| **Kurend'o** (Vp.) | komerca cirkulero. | *circulaire commerciale.* |
| **Kurvimetr'o** (Vef.) | instrumento por mezuri sur landkarto kurbiĝojn de vojo, rivero, k. c. | *curvimètre.* |
| **Kuŝer'a** (Ka.) | V. **koŝera**. | *casher* (mot juif). |
| **Kusp'i** (V.) | returneniri. | *rebrousser.* |
| **Kvarcit'o** (Vp.) | (kem.) speco de grejso. | *quartzite.* |
| **Kvarted'o** (Muz. T.) | (muz.) V. **kvarteto**. | *quatuor.* |
| **Kvarteron'o** (Vp.) | homo naskita el blankulo kaj mulatino aŭ el mulato kaj blankulino. | *quarteron, métis.* |
| **Kvatern'o** | kvaropaĵo. | *quaterne.* |
| **KVEREL'I**(Vp.) | malpaci. | *quereller.* |
| **Kvietism'o** (Vi.) | mistika doktrino de la hispana monako Molinos. | *quiétisme.* |
| **Kvik'i** (Vp.) | pepegi (pri birdoj). | *piailler.* |
| **Kvintal'o** (Vi.) | centkilogramo. | *quintal.* |
| **Kvinted'o** (Muz. T.) | V. **kvinteto**. | *quintette.* |
| **Kvintern'o** (Vi.) | kvinopaĵo ? | *quinterne ?* |
| **Kvirinal'o** (Vi.) | palaco de la Itala reĝo; la Itala registaro. | *quirinal.* |
| **Kvorum'o** (Vef.) | difinita nombro de ĉeestantoj en kunveno, por ke decido havu leĝan valoron. | *quorum.* |

# L

| | | |
|---|---|---|
| **Labardan'o** (Vr. Z.) | V. **laberdano**, kiu troviĝas en la *Revizoro*. | *morue salée.* |
| **Lacedemon'o** (Vef.) | urbo de antikva Grekujo, ankaŭ nomita Sparto. | *Lacédémone.* |
| **Lagmi'o** (Sr.) | fermentita trinkaĵo el palmsuko. | *lagmi.* |
| **Lambrusk'o** (Vi.) | sovaĝa vito (*vitis lambrusca*). | *lambruche.* |
| **Lantan'o** (Vi.) | (bot.) speco de verbenacoj (*lantana*) (*alia senco*). | *lantanier.* |
| **Lanten'o** (Vi.) | (kem.) V. **lantano**. | *lanthane.* |
| **Lapazi'o** (Vi.) | (bot.) speco de poligonaco (*rumex lapathum*). | *patience.* |
| **Lapis'o** (Vef.) | (miner.) speco de blua gemo. V. **lazurito**. | *lapis lazuli.* |
| **Larici'o** (Vef.) | (bot.) speco de pino (*pinus laricio*). | *pin de Corse.* |
| **Laringologi'o** (Vp.) | (anat.) scienco, traktato pri laringo. | *laryngologie.* |
| **Laŝt'o** (Vp.) | pola pezmezurero, 1865 gr. | *lacht* (mot polonais). |
| **Latiklavi'o** (Vi.) | (arkeo.) tuniko purpurbenda de la romanaj magistratoj. | *laticlave.* |
| **Latre'o** (Vp.) | (bot.) speco de orobankoj (*lathrœa*). | *lathrée.* |
| **Laŭdan'o**(Vef.) | V. **laŭdanumo**. | *laudanum.* |
| **Laŭdanum'o** (Vi.) | (farm.) farmaciaĵo enhavanta opion. | *laudanum.* |
| **Lavin'o** (Vp.) | alia nomo, senutila, de **lavango**. | *avalanche.* |
| **Lazeret'o** (Vi.) | V. **lazareto**, preferinda. | *lazaret.* |
| **Lazurit'o**(Vef.) | (miner.) natura kuprokarbonato blukolora. | *azurite.* |
| **Leĥid'o** (Vp.) | alia nomo de Polo. | *Polonais.* |
| **Lemnisk'o** (Vef.) | (anat.) fasko de nervaj tuboj inter cerbeto kaj cerbo. | *ruban de Reil.* |
| **Leonit'o** (Vp.) | (bot.) V. **leonuro**. | *leonure* (?) |
| **Leontopodi'o** (Vef.) | (bot.) speco de kompozito (*leontopodium*). | *edelweiss.* |
| **Leonur'o** (Vp.) | (bot.) speco de lamiacoj (*leonurus*), l. v. leonvosto. | *léonure.* |
| **Lept'o** | (entom.) speco de akaroidoj (*leptus*). | *brûlot* (?) *lepte, rouget.* |
| **Leŭkom'o** (Vp.) | (med.) blanka makulo sur la korneo. | *leucome.* |
| **Leŭkore'o** (Vp.) | (med.) blanka fluo. | *leucorrhée, flueurs blanches.* |
| **Levit'i** (Vp.) | (ok.) stari, pendi en aero ŝajne kontraŭ la natura pezeco ; — **ado, eco**. | *lévitation* (être en). |
| **Levuloz'o**(Vp.) | (kem.) speco de sukero. | *lévulose.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Liard'o** (Vef.) | malnova kupra franca monero (0,0125 c.). | *liard.* |
| **Libertinism'o** (Ka.) | nekredemo pri religio. | *libertinisme.* |
| **Licenc'o** (Vi.) | V. **licencio** (*alia senco*). | *licence.* |
| **Lici'o** (Vef.) | (bot.) speco de solanacoj (*lycium*). | *lyciet.* |
| **Lienz'o** (Sr.) | tolaĵo (la vorto ŝajnas tute malaprobinda.) | *linge.* |
| **Lift'o** (Mar. T.) | (mar.) ŝnuro servanta por manovri jardon. | *balancine.* |
| **Ligatur'o** (Df.) | (kir.) vindo, vazostringo; **provizora ligaturo.** | *ligature.* |
| **Liknis'o** (Vef.) | (bot.) speco de kariofilacoj (*lychnis*). V. **liknido.** | *amourette des prés.* |
| **Likop'o** (Vp.) | (bot.) speco de lamiacoj (*lycopus*), lupopiedo. | *pied-de-loup.* |
| **Liliput'o** (Vp.) | malgrandulo, nano (*alia senco*). | *liliputien.* |
| **Limb'o** (M. T. | (mar.) ekstera rando de instrumento. | *limbe.* |
| **Limnobi'o** (Vp.) | (bot.) speco de akvokreskaĵoj (*limnobium*). | *limnobie.* |
| **Limozel'o**(Vp.) | (bot.) speco de skrofulariacoj (*limosella*). | *limozelle.* |
| **Linc'o** (M. T.) | (mar.) maldika ŝnuro tre zorge kunŝnurigita. | *ligne.* |
| **Lipariz'o** (Vp.) | (zoo.) speco de marfiŝoj; ankaŭ de papilioj (*liparis*). | *liparis.* |
| **Literator'o** (Vefr.) | literaturisto, beletristo. | *littérateur.* |
| **Litobi'o** (Vp.) | (zoo.) speco de skolopendroj (*lithobius*). l. v. ŝtonloĝanto. | *lithobie.* |
| **Litofalk'o**(Vp.) | (ornit.) speco de falko (*œsalon lithofalco*). | *émerillon.* |
| **Litotripsi'o** (Vr. Z.) | operacio de la ŝtono, ŝtonpistado en la urinveziko. | *lithotripsie.* |
| **Litre'o** (Vp.) | (bot.) speco de dukotiledonoj (*lythrum salicaria*). | *salicaire.* |
| **Livi'o** (Vef.) | (ornit.) speco de sovaĝa kolumbo (*columba livia*). | *biset.* |
| **Lizimaĥi'o** (Vp.) | (bot.) speco de primulacoj (*lysimachia*). | *lysimaque.* |
| **Lokativ'o**(Vp.) | (gram.) kazo montranta la lokon en iaj lingvoj. | *locatif.* |
| **Lokum'i**(Vr Z.) | loki, enlokigi. | *placer.* |
| **Lombrik'o**(Sr.) | V. **lumbriko.** | *lombric.* |
| **Lonĥer'o** (Vp.) | (zoo.) speco de amerikaj mamuloj skrapmanĝaj (*loncheres*). | *lonchère.* |
| **Lorik'o** (Vr.) | (ikti.) speco de mediteraneaj labroidoj (*loricus*). | *sublet.* |
| **Loris'o** (Vr.) | (zoo.) speco de mamuloj lemursimilaj (*loris*). | *loris.* |
| **Lotring'o**(Vef.) | landano de provinco inter Francujo kaj Germanujo; — **ujo.** | *lorrain.* |
| **Lotus'o** (Vr.) | (bot.) speco de nimfeacoj (*lotus*). | *lotus.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Lozenĝ'o** (Vr.) | aro da arboj aŭ palisoj starantaj laŭ linioj, kiuj formas lozanĝon. | *quinconce.* |
| **Lubrik'i** (Vr.) | interŝmiri du frotantajn surfacojn por faciligi la glitadon ; — **ado, aĵo, ilo**. | *lubrifier.* |
| **Lucili'o** (Vr.) | (entom.) speco de muŝoj orkoloraj (*lucilia*). | *lucilie.* |
| **Lugero** (M. T.) | (mar.) (sub la formo **lugervelo**), speco de dumasta ŝipo. V. **logro** kaj **lugro**. | *lougre.* |
| **Luk'o** (Df.) | fenestreto (subtegmenta), ventolejo ; — **eto**. | *lucarne, soupirail,chatière.* |
| **Lumesc'i** (Sr.) | V. **lumeska**. | *devenir luminescent.* |
| **Lump'o** (Vr.) | (ikti.) speco de cikloptero (*cyclopterus lumpus*). | *lump.* |
| **Luzen'o** (M.T.) | (mar.) ŝnuro konsistanta el tri ŝnureroj kune kunŝnurigitaj. | *luzin.* |

## M

| | | |
|---|---|---|
| **Madrid'o** (Vef.) | ĉefurbo de Hispanujo ; - **ano**. | *Madrid.* |
| **Magistr'o** (Vef.) | majstro en ia arto (*alia senco, malpli taŭga*). | *maître ès arts.* |
| **Magistrat'o** (Vef.) | magistrataro, magistrateco (*alia senco, malpli taŭga*) ; — **ano**. | *magistrature.* |
| **Magni'o** (Sr.) | (kem.) V. **magnezio**. | *magnésie.* |
| **Majorat'o** (Vp.) | netranscedebla bieno ligita al posedo de nobela titolo. | *majorat.* |
| **Makaronis-m'o** (Vp.) | speco de burleska poemfarado. | *macaronisme.* |
| **Makrour'o** (Vp.) | (zoo.) familio de krustuloj (**makruro** (Vr.) estas preferinda.) | *macroure.* |
| **Makub'o** (Vr.) | (sub la formo **makub'tabako**), martinika insulo donanta famkonatan tabakon. | *Macuba.* |
| **Malag'o** | (sub la formo **malag'vino**), hispana urbo donanta famkonatan vinon. | *Malaga.* |
| **Malik'a** (Vef.) | (kem.) vegetala acido. | *malique.* |
| **Mana'o** (Vr. Z.) | ĉiela pano kiu faladis al la Hebreoj en dezerto. | *manne.* |
| **Mancenil'o** (Vef.) | (bot.) V. **mancinelo**, pli rekomendinda. | *mancenilier.* |
| **Marketr'o** (Vi.) | speco de mozaiko el diverskoloraj pecoj de ligno aŭ metalo ; — **ita**. | *marquéterie.* |
| **Mars'o** (Sr.) | (mar.) V. **topo**. | *hune.* |
| **Marsal'o** (Vi.) | (sub la formo **marsal'vino**) ; silicia lando donanta famkonatan vinon. | *marsala.* |
| **Marsejlez'o**? (Vi.) | famkonata revolucia kanto ; franca nacia himno. | *marseillaise.* |
| **Marsupi'o** (Vi.) | (zoo.) ventropoŝo de iaj mamuloj (didelfo, k. t. p.). | *poche abdominale.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Martirolog'o** (Vi.) | nomaro de martiroj, sanktuloj. | *martyrologue.* |
| **Materialist'o** (Vr. Z.) | ano de materialismo. | *matérialiste.* |
| **Matutin'o** (Vi.) | (ekl.) parto de la Diservo kantata inter noktomezo kaj la sesa matene. | *matines.* |
| **Megalot'o** (Vp.) | (zoo.) speco de Afrika vulpo grandorela (*megalotis*). | *fennec.* |
| **Mekitarist'o** (Vi.) | katolika armena religiulo. | *mékitariste.* |
| **Meksik'o**(Vef.) | lando kaj ĉefurbo de centra Ameriko; — **ano.** | *Mexique, Mexico.* |
| **Melanit'o** (Vi.) | (miner.) speco de granatŝtono. | *mélanite.* |
| **Melanokorif'o** (Vef.) | (ikti.) speco de alaŭdo (*melanocorypha*). | *alouette, calandre.* |
| **Melasm'o** (Vp.) | nigra haŭtmakulo ĉe maljunuloj. | *mélasme.* |
| **Melolont'o** (Vef.) | (entom.) speco de koleopteroj (*melolontha*), majskarabo. | *hanneton.* |
| **Melopep'o** (Vef.) | (bot.) speco de kukurbo. | *patisson.* |
| **Memorandum'o** (Vi.) | memoriga noto. | *memorandum.* |
| **Meningitism'o** (Vi.) | (med.) simptomaro de meningito. | *méningitisme.* |
| **Menisperm'o** (Vp.) | (bot.) speco de amerikaj lianoj (*menispermun*), fiŝveneno. | *ménisperme.* |
| **Menuet'o**(Vef.) | V. **minueto.** | *menuet.* |
| **Meridi'o** (Sr.) | V. **meridiano.** | *méridien.* |
| **Merop'o** (Vp.) | (ornit.) speco de paserbirdoj vespomanĝaj (*merops*). | *guépier.* |
| **Mesenter'o** (V.) | V. **mezentero.** | *mésentère.* |
| **Mesmerism'o** | doktrino de Mesmer pri animala magnetismo. | *mesmérisme.* |
| **Metaliz'i** | metaligi, enmetaligi. | *métalliser.* |
| **Micet'o** | (zoo.) speco de amerikaj simioj (*mycetes*). | *singe hurleur.* |
| **Mikrocefal'o** (Vf.) | homo, infano kun kapo monstre malgranda. | *microcéphale.* |
| **Miliari'o** (V.) | (med.) speco de febro naskanta ruĝan aknetaron. | *miliaire* (fièvre). |
| **Ministerial'o** (V.) | sistema partiano de la ekzistanta ministraro. | *ministériel.* |
| **Minor'a** (Vf.) | pri monaĥo de la ordeno de Franciskanoj. | *mineur* (frère). |
| **Mirabolan'o** (Vi.) | (bot.) frukto de benzoarboj. | *mirobolan.* |
| **Misgurn'o** (Vp.) | (ikti.) speco de kobito (*cobitis, misgurnus fossilis*). | *misgurne.* |
| **Mitrajl'o** (Vi.) | V. **mitralo.** | *mitraille.* |
| **Moderat'o**(Vi.) | (muz.) muzikaĵo kiun oni devas ludi malrapide. | *modérato.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Moisa** (Vi.) | rilata al la hebrea profeto Moiso (pli ĝuste **Mozo**). | *mosaïque, de Moïse.* |
| **Moks'o** (Vef.) | (kir.) kaŭterizo per bruligo de ia substanco sur la haŭto. | *moxa.* |
| **Molibd'o** (Sr.) | V. **molibdeno**. | *molybdène.* |
| **Monojm'o** (Vi.) | (mat.) V. **monomo**. | *monome.* |
| **Monsinjor'o** (Vi.) | itala prelato. | *monsignor.* |
| **Mora'o** (Vi.) | speco de itala ludo, fingroludo. | *mourre.* |
| **Morbus'o** (Df.) | alia nomo de ĥolero. | *choléra morbus.* |
| **Moskat'o** (Vef.) | speco de vinbero kaj de vino. | *muscat.* |
| **Moskatel'o** (Vp.) | (bot.) speco de rubiacoj (*adoxa moschatellina*). | *moscatelle.* |
| **Moskatel'o** (Vef.) | speco de vino kaj vinbero italaj. | *moscatel.* |
| **Moskifer'o** (Vp.) | (zoo.) speco de tragolo moskodona. | *porte-musc, daim musqué.* |
| **Moskv'o** (Vf.) | antikva ĉefurbo de Rusujo. | *Moscou.* |
| **Motacil'o** (Vp.) | (ornit.) V. **motacelo**. | *bergeronnette.* |
| **Mozarab'o** (Vef.) | (hist.) hispana kristano subulo de mahometanoj dum la mezepoko. | *mozarabe.* |
| **Mugil'o** (Vi.) | (ikti.) V. **mugelo**. | *muge.* |
| **Mulmuslin'o** (Vef.) | speco de tre maldika muslino. | *mousseline claire.* |
| **Mum'o** (Sr.) | V. **mumio**. (Kabe, en *Faraono*, uzas ankaŭ **mumo**.) | *momie.* |
| **Murek'o** | speco de molusko purpurdona (*murex*). | *murex.* |
| **Muskarl'o** | (bot.) speco de amanito (*amanita muscaria*). | *fausse oronge.* |
| **Muzac'o** (Vef.) | (bot.) el la familio de bananarbo (*musa*). | *musacée.* |
| **Muzulman'o** (Vp.) | mahometano. | *musulman.* |

## N

| | | |
|---|---|---|
| **Nabo** (Vef.) | (mek.) radcentro, aksingo. | *moyeu.* |
| **Nandu'o** (Vp.) | (ornit.) speco de sudamerikaj kurbirdoj strutsimilaj (*rhea*). | *nandou.* |
| **Nasturci'o** (Vp.) | (bot.) speco de kreso (*nasturtium officinale*). | *cresson de fontaine.* |
| **Naŭn'o** (M.T.) | (muz.) disonanca intervalo de naŭ gradoj. | *neuvième.* |
| **Nazikorn'o** (Vp.) | fabla besto kun unu korno sur la nazo. | *licorne.* |
| **NEGLEKT'I** (Vp.) | malzorgi. | *négliger.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Nestorianism'o** (Vi.) | herezo de Nestorio, Konstantinopola patriarko. | *nestorianisme.* |
| **Neŭrad'o** (Vp.) | (bot.) speco de afrikaj rozacoj (*neuras*). | *neurade.* |
| **Neŭrologi'o** (Vef.) | scienco, traktato pri nervoj. | *neurologie.* |
| **Nevralgi'o** (Vi.) | V. **neŭralgio**. | *névralgie.* |
| **Niktag'o** (Vef.) | (bot.) speco de dukotiledonoj apetalaj (*mirabilis jalapa*); — **acoj**. | *belle-de-nuit.* |
| **Ninfe'o**(Vi.) | erare anstataŭ **nimfeo**. | *nénufar.* |
| **NOCI** (Vp.) | malutili; — **aĵo, ado, ema**. | *nuire.* |
| **Noe'a** (Vi.) | rilata al la biblia patriarko Noeo. Oni trovas ankaŭ **Noaho** kaj **Noa** (Z.). | *de Noé.* |
| **Normand'o** (Vi.) | landano de nordokcidenta regiono de Francujo; — **ujo**. | *Normand.* |
| **Notaci'o**(M.T.) | notado, prezentado per konvenciaj signoj. | *notation.* |

## O

| | | |
|---|---|---|
| **Obeks'o** (Df.) | (anat.) organeto kiu troviĝas en la cerbo. | *verrou.* |
| **Ofidi'o** (Vp.) | (zoo.) klasa nomo de la serpentoj; ankaŭ speco de fiŝo (*ophidius*). | *ophidien.* |
| **Ofiklejd'o** (M. T.) | (muz.) speco de kupra blovinstrumento. | *ophicléide.* |
| **Ofit'o** (Df.) | (min.) speco de makulabunda gemo. | *serpentine.* |
| **OID** | (sc.) sufikso proponita kaj uzata de kelkaj sciencistoj por devenigi nomojn de familioj (precipe zoologiaj) el nomoj de specoj, kiel ekz. **akaro, akaroido; lacerto, lacertoido**, k. t. p., ĝi havas do la signifon: samfamiliano, samgentano de la antaŭnomita speco. Oni uzis ĝin ankaŭ en geometrio por formi nomojn de figuraĵoj: **trapezoido, romboido**, kun simila signifo. V. **id**. | *suffixe employé en sciences pour former des noms de familles naturelles.* |
| **OJD** | (sc.) sufikso proponita kaj uzata de kelkaj sciencistoj por devenigi adjektivojn precipe de substantivoj, kun signifo de simileco, kiel ekz.: **arbojda** (arbsimila), **kristalojda** (kristalŝajna), k. t. p. Estus necese pli precise diferencigi la tri sufiksojn **id, oid** kaj **ojd**, aŭ, se tio ne estas ebla, elekti nur unu inter ili. | *suffixe employé en sciences pour former des adjectifs signifiant semblable à, ayant l'air de, etc.* |
| **Okciput'o** (Sr.) | V. **okcipito**. | *occiput.* |
| **Oks(acido)** (Sr.) | (kem.) acido naskita el kombino de simpla korpo kun oksigeno kaj akvo. | *oxacide.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Oleac'o** (Vef.) | (bot.) samfamiliano de olearbo. | *oléacé.* |
| **Olograf'a** (Vef.) | tute, ekskluzive memskribita (**holografa** estus preferinda). | *holographe.* |
| **Onisk'o** (Vp.) | (zoo.) speco de terloĝaj krustuloj (*oniscus*). | *cloporte.* |
| **Onomatope-j'o** (Vef.) | imito de objekto per la sono de ĝia nomo. (**onomatopeo** ŝajnas preferinda.) | *onomatopée.* |
| **Onono** (Vp.) | (bot.) speco de fabacoj (*ononis*). | *bugrane.* |
| **Oogon'o** (Sr.) | (bot.) ĉelo en kiu formiĝas la inaj elementoj (oosferoj) ĉe iaj algoj kaj fungoj. | *oogone.* |
| **Oosfer'o** ✶ | ina elemento el kiu naskiĝas ovo ĉe iaj vegetaĵoj. | *oosphère.* |
| **Operkul'o** (Vef.) | (nat. sc.) natura fermilo de kava organo ĉe kreskaĵoj kaj bestoj. V. **operklo**. | *opercule.* |
| **OPRES'O** (Vp.) | premo, premiĝo. | *oppression.* |
| **Opunti'o** (Vef.) | (bot.) speco de kaktacoj (*opuntia*). | *figuier de Barbarie.* |
| **Organografi'o** (Vef.) | priskribo de organoj. | *organographie.* |
| **Origen'o** (Sr.) | V. **origino**, kiu ŝajnas preferinda. | *origine.* |
| **Orlop'o** (M.T.) | (sub la formo **orlopferdeko**), holda trabaro senplanka. | *barrots de cale.* |
| **Ornitop'o** (Vp.) | (bot.) speco de fabacoj (*ornithopus*), l. v. birdpiedo. | *ornithope.* |
| **Orobank'o** (Vi.) | (bot.) V. **orobanĉo**, malpli ŝatinda. | *orobanche.* |
| **Orpiment'o** (Vef.) | (kem.) natura sulfido de arseniko. V. **aŭripigmento**. | *orpiment.* |
| **Ortologi'o** (Vef.) | arto paroli korekte. | *orthologie.* |
| **Ortoptik'a** (Vef.) | (geom.) pri ia speco de kurblinio. | *orthoptique.* |
| **Osmer'o** (Vef.) | (ekti.) speco de marfiŝoj (*osmerus*). | *éperlan.* |
| **Otis'o** (Vp.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj. V. **ostardo**, **hubaro** kaj **tetrako**. | *outarde.* |
| **Otus'o** (Vef.) | (ornit.) speco de noktaj rabobirdoj (*otus*). | *hibou.* |
| **Ovidukt'o** (Vp.) | V. **ovodukto**. | *oviducte.* |
| **Ovogen'a** (Sr.) | naskanta ovon. | *ovigène.* |
| **OZ** | sufikso proponita kaj uzita de kelkaj aŭtoroj (ekz. G. Moch en « *la Reĝo de la Montoj* ») kun la senco de « materia multnombreco », por anstataŭi ĉu *mult*, ĉu *plen*, *abund*, *riĉ*, k. t. p. Kiel ekz.: **arboza**, anstataŭ **multarba**; **herboza**, anstataŭ **herboriĉa**; **sabloza**, anstataŭ **sabloplena**, k. t. p. | *suffixe employé pour former des adjectifs ayant le sens de plein de, riche en, etc.* |

# P

| | | |
|---|---|---|
| **Pagaj'o** (Vef.) | unuobla remilo uzata de Amerikaj boatistoj. | *pagaie.* |
| **Palestin'o** (Vr. Z.) | Azia lando loĝita de la Hebreoj ; — **ano**. | *Palestine.* |
| **Panel'o** (Vr.Z.) | trotuaro (*alia senco, kiu ne ŝajnas necesa*). | *trottoir.* |
| **Panoftalmi'o** (Sr.) | (med.) inflamo de la tuta okulo, tutoftalmio. | *panophtalmie.* |
| **Panopli'o** (Vef.) | batalila trofeo pendanta sur muro. | *panoplie.* |
| **Paraf'o** (Vr.Z.) | monogramo (*alia senco kiu ne ŝajnas necesa*). | *monogramme.* |
| **Paraheli'o** (Vi.) | (astr.) V. **parhelio**. | *parhélie.* |
| **Paraklet'o** (Vi.) | unu el la nomoj de la Sankta Spirito, konsolanto. | *Paraclet.* |
| **Paraŝit'o** (Ka.) | enterigisto (en antikva Egipto). | *croque-mort.* |
| **Parged'o** (Sr.) | V. **pargeto**. La *Universala Vortaro* havas **pargeto**. | *parquet.* |
| **Parisilab'a** (Vef.) | enhavanta paran nombron da silaboj. | *parisyllabique.* |
| **Pariz'o** (Vr. Z.) | ĉefurbo de Francujo ; — **ano**. | *Paris.* |
| **Paroli'o** (Vef.) | duoblo de la sumo antaŭe ludita (en hazardludoj). | *paroli.* |
| **Parsimoni'o** (Vi.) | V. **parcimonio**. | *parcimonie.* |
| **Partikul'o** (Vr. Z.) | V. **partiklo**. | *particule.* |
| **Patogen'a** (Sr.) | V. **patogenia**. | *pathogène.* |
| **Patristik'o** (Vi.) | studo de la eklezіaj patroj. | *patristique.* |
| **Pavilono** (Vr. Z.) | granda kaj bela ĝardena kiosko (*alia senco*). | *pavillon.* |
| **Ped'o** (Vef.) | V. **furzi** kaj **purti** ; **senbrua pedo**. | *pet.* |
| **Pedant'o** (Vr. Z.) | troa precizemulo (*aldonita senco*). | *pédant.* |
| **Pederasti'o** (Vp.) | l. v. knabamo, seksinklino de viro al viro, viradulto. | *pédérastie.* |
| **Pekten'o** (Vp.) | (zoo.) speco de moluskoj (*pecten*), l. v. kombilo. | *peigne.* |
| **Pelargoni'o** (Vp.) | (bot.) speco de geraniacoj (*pelargonium*). | *pélargonium.* |
| **Peloton'o** (Vp.) | difinita aro da soldatoj. | *peloton.* |
| **Pelt'o** (Vef.) | hararo, lanaro ; — **ajo**, (*alia senco*). | *fourrure, toison.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Penig'o** (Vp.) | V. **pfenigo**. | *pfenig.* |
| **Penitenciar'o** (Vi.) | (ekl.) penitencoficisto. | *pénitencier.* |
| **Pension'o** (Vr. Z.) | gimnazia loĝejo por lernantoj fremdurbaj (*alia senco*). | *pensionnat.* |
| **Pentateŭk'o** (Vef.) | parto de la Biblio entenanta la kvar Mozajn librojn. | *pentateuque.* |
| **Peplis'o** (Vp.) | (bot.) speco de dikotiledonoj (*peplis*). V. **portulako**. | *péplide, pourpier sauvage.* |
| **Pepo** (Vef.) | (bot.) speco de kukurbo. | *giraumon, courge de Saint-Jean.* |
| **Perfekt'o** (Vr. Z.) | (gram.) tempo pasinta de verbo en kelkaj lingvoj, signifas ago finita. | *parfait* (d'un verbe). |
| **Perfor'i** (Sr.) | trabori. | *perforer.* |
| **Perforti**(Vr.Z.) | igi iun per forto, malvirgigi. | *violenter, violer.* |
| **Pericistit'o** (Sr.) | (med.) inflamo de la urinvezika ĉirkaŭaĵo. | *péricystite.* |
| **Perikardi'o** (Vp.) | V. **perikardo**. | *péricarde.* |
| **Periskop'o** (Vf.) | optika aparato por direkti submarajn ŝipojn. | *périscope.* |
| **Peripatetik'a** | (filo.) rilata al la filozofio de Aristotelo. | *péripatétique.* |
| **Permangan-at'o** (Sr.) | (kem.) salo el mangano kaj bazo (potaso aŭ kalko). | *permanganate.* |
| **PERPLEKS'I** (Vp.) | embarasi, konfuzi. | *embarrasser.* |
| **PERSVAD'I** (Vp.) | kredigi, akceptigi ion al iu per parolo; — **ema**, **ilo**. | *persuader.* |
| **Peru'o** (Vef.) | lando de Sudameriko; — **ano**. | *Pérou.* |
| **Pfan'o** (Df.) | kavaĵo en pafilo, kie oni metas pulvorkapsulon. G. | *bassinet* (de fusil). |
| **Pik'o** † (Vef.) | sub la formo **greka piko**, alia nomo de **lanio**. | *pie-grièche.* |
| **Pikridi'o** (Vef.) | (bot.) speco de kompozitoj (*picridium*). | *picridie.* |
| **Pinakl'o** (Vef.) | plej alta parto de konstruaĵo. | *pinacle.* |
| **Pini'o** (Vr. Z.) | nukso de siberia cedro (*alia senco*, erara). | *noix de cèdre de Sibérie.* |
| **Pirakant'o** (Vef.) | (bot.) speco de rozacoj (*pyracantha*). | *buisson-ardent.* |
| **Pireneoj** (Vr. Z.) | (geog.) montaro inter Hispanujo kaj Francujo. | *Pyrénées.* |
| **Piruet'o** (Df.) | returniĝo, saltreturniĝo. F. | *pirouette.* |
| **Pis'i** (Vp.) | urini; — **aĵo**, **ejo**, **ilo**, **ujo**. | *uriner, pisser.* |
| **Pitagor'a** (Vi). | rilata al la greka filozofo matematikisto Pitagoro. | *pythagoricien.* |
| **Plak'o** (Def.) | (fotografa) plato. | *plaque.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Platale'o** (Vp.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*platalea*). | *spatule.* |
| **Platiring'o** (Vef.) | V. **platirinko** (pli korekta). | *platyrinque.* |
| **Pled'o** (Vef.) | V. **plejdo**. | *plaid.* |
| **Plejd'o** (Vp.) | skota mantelo. | *plaid.* |
| **Plomb'o**(Vr.Z.) | ŝtopaĵo de denta kaverneto ; — **ita**. | *plombage* (d'une dent). |
| **Plumpuding'o** (Vef.) | prunpudingo. | *plumpuding.* |
| **Pluskvamperfekt'o** (Vr. Z.) | (gram.) tempo pasinta rilate al alia pasinta tempo de verbo. | *plus-que-parfait.* |
| **Pluvial'o** (Vi.) | (ekl.) pastra ceremonia mantelo. | *pluvial.* |
| **Pneŭmokok'o** (Sr.) | (med.) mikrobo de pneŭmonio. | *pneumocoque.* |
| **Poao** (Vp.) | (bot.) speco de gramenacoj (*poa*), panikloherbo. | *paturin.* |
| **Podestat'o** (Df.) | ĉefa magistrato (en kelkaj urboj de Italujo). | *podestat.* |
| **Podol'o** (Vp.) | landano de gubernio de suda Rusujo ; — **ujo**. (**Podoli'o-ano** ŝajnus preferinda). | *Podolien.* |
| **Polent'o** (Vi.) | maizkaĉo tre ŝatata en Italujo. | *polenta.* |
| **Polimeri'o**(P.) | (kem.) polimereco. | *polymérie.* |
| **Polipodi'o**(Vi.) | (bot.) V. **polipodo**. | *polypode.* |
| **Polonez'o** (Vp.) | speco de danco, nacia danco de Poloj. | *polonaise.* |
| **Pomerani'o** (Vp.) | (geog.) apudmara provinco de Prusujo ; — **ano**. | *Poméranie.* |
| **Pon'i** (Sr.) | meti, enlokigi. | *poser.* |
| **Ponton'o** (Vr. Z.) | ŝipo por flosponto (*alia senco*). | *ponton.* |
| **Porfiri'o** (Vp.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*porphyrio*). | *poule sultane.* |
| **Porfiroid'a** (Vef.) | porfirŝajna. | *porphyroïde.* |
| **Pornografi'o** (Vp.) | verkado pri malĉastaj temoj ; — **isto**. | *pornographie.* |
| **Postiz'a** (Vi.) | nenatura, arte farita, falsa. | *postiche.* |
| **Postulat'o** (Def.) | (mat.) teoremo akceptita sen pruvo necesa (por pruvi serion de aliaj teoremoj). | *postulat.* |
| **Potamoget'o** (Vp.) | (bot.) speco de unukotiledonaj kreskaĵoj (*potamogeton*). | *potamot.* |
| **Potentil'o** (Vp.) | (bot.) V. **potentelo**, malpli ŝatinda. | *potentille.* |
| **Precioz'a** (Vef.) | dirafekta ; — **aĵo**, **eco**, **ul'o-ino**. | *précieux.* |
| **Precipitat'o** (Vr. Z.) | (kem.) precipitaĵo. | *précipité.* |
| **Predikat'o** (Vr. Z.) | (gram.) atributo de subjekto en propozicio. | *prédicat.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Predilekci'o** (Vp.) | pliamo, prefero. | *prédilection.* |
| **Preleg'o** (Vp.) | konferenco, leciono ; — **anto**. | *conférence, leçon d'université.* |
| **Prestidigita-tor'o** (Ka.) | ĵonglisto (en *Faraono*). | *prestidigitateur.* |
| **Prevost'o** (Vef.) | V. **provosto** ; — **eco**. | *prévôt.* |
| **Primat'o** (Df.) | (ekler.) ĉefprelato. | *primat.* |
| **Primicer'o** (Vi.) | speco de kartludo. | *jeu de la prime.* |
| **Proci'o** (Vef.) | (zoo.) V. **prociono**. | *raton laveur.* |
| **Procion'o** (VP). | (zoo.) speco de mamulo viandomanĝa (*procyon*). | *raton laveur.* |
| **Produt'o** (Vef.) | (mat.) nombro ricevita per multipliko de nombroj unu per la alia. | *produit.* |
| **Progimnazi'o** (Vp.) | prepara lernejo. | *école préparatoire.* |
| **Prolifer'i** (Sr.) | (pri vegetaĵo aŭ animalo) naski multajn idojn. | *proliférer.* |
| **Prot'o** (Vi.) | preskorektisto. | *prote.* |
| **Protestant'o** | komuna nomo de luteranoj, kalvinanoj, k. t. p. | *protestant.* |
| **Protestantis-m'o** | doktrino de la Protestantoj. | *protestantisme.* |
| **Provenc'o** (Vef.) | V. **Provenzo**, malpli ŝatinda. | *Provence.* |
| **Provincalis-m'o** (Vi.) | provincaneco, provincanaĵo. | *provincialisme.* |
| **Provincial'a** | provinca, provincana. | *provincial.* |
| **PROVOK'I** (Vp.) | ataki, inciti al batalo, duelo, k. t. p. (ankaŭ Ka. en *Faraono*). | *provoquer.* |
| **Pseŭdartro-z'o** (Sr.) | akcidenta kunartikiĝo post rompo de ostoj. | *pseudarthrose.* |
| **Psikopati'o** (Vp.) | (med.) mentala malsano. | *psychopathie.* |
| **Psil'o** (Ka). | egipta dresisto de serpentoj. | *Psylle.* |
| **Pteroglos'o** (Vp.) | (ornit.) speco de amerikaj grimpobirdoj (*pteroglossus*). | *ptéroglosse.* |
| **Pterokles'o** (Vp.) | (ornit.) speco de kokoidoj (*pteroclis*). | *gangas.* |
| **Pudel'o** (Z.) | hundo tre ŝatata por superdresado. | *barbet.* |
| **Pulikari'o** (Vi.) | (bot.) speco de kompozitoj (*pulicaria*). | *policaire.* |
| **Pulmonit'o** (Vi.) | (med.) alia nomo de **pneŭmonio**. | *pneumonie.* |
| **Pulsometr'o** (Vi.) | (med.) alia nomo de **sfigmometro**. | *sphigmomètre.* |
| **Pumili'o** | (bot.) speco de nana pino (*pinus pumilio*). | *pin nain, mugho.* |
| **Purt'i** (Vp.) | eligi intestajn gasojn kun bruo. V. **furzi** kaj **pedo**. | *peter.* |

## R

| | | |
|---|---|---|
| **Rade'o** (Sr.) | (mat.) geometria radio (speciala vorto ne ŝajnas necesa). | *rayon.* |
| **Radioaktiv'a** (Sr.) | (fiz.) aganta per radiaĵoj. | *radio-actif.* |
| **Radjo** (Sr.) | V. **radiumo**, preferinda. | *radium.* |
| **Ragut'o** (Vef.) | V. **raguo**. | *ragoût.* |
| **Raket'o** (Df.) | pilk' ĵetilo, frapilo. | *raquette.* |
| **Rakitism'o** (Sr.) | (med.) malsana deformiĝo de la spino. | *rachitisme.* |
| **Ralik'o** (Mt.) | (mar.) ŝnuro fiksita laŭlonge de la bordoj de velo. | *ralingue.* |
| **Rastral'o** (V.) | (muz.) aparato por desegni mekanike notliniaron. G. **Rostralo** (Df.) povas esti nur preseraro. | *patte* (à régler le papier de musique). |
| **Ravioli'o** Vi.) | nudlaĵo entenanta fromagon, itala manĝaĵo. | *ravioli.* |
| **Realgar'o** (Vi.) | (kem.) ruĝa sulfido de arseniko. | *réalgar.* |
| **Realist'o** (Vr. Z.) | ano de realismo. | *réaliste.* |
| **Reb'o** (Vef.) | vitotrunko; — **igi**. | *cep.* |
| **Receptor'o** (Sr.) | (mek.) ricevilo. | *récepteur.* |
| **Receso** | (anat.) senapertura fundo de organo. | *cul-de-sac.* |
| **Redempt'o** | elaĉeto (de la homoj per la ofero de Kristo). | *rédemption.* |
| **Referat'o** (Vp.) | skriba raporto (*alia senco*). | *rapport écrit.* |
| **Refleks'i** (Sr.) | V. **reflekti**. | *réfléchir.* |
| **Refrakt'i** (Sr.) | V. **rifrakti**. | *refracter.* |
| **Refraktor'a** | nefandebla. | *réfractaire.* |
| **Regim'o** (Sr.) | (med.) dieto. | *régime.* |
| **Regres'o** (Vef.) | malprogreso. | *recul* (au sens moral). |
| **Rejn'o** (Vp.) | (geog.) granda centreŭropa rivero. | *Rhin.* |
| **Rektif'i** (Vr. Z.) | purigi per distilado. | *rectifier.* |
| **Rekvizici'i** (Vd.) | ofice postuli. | *réquisitionner.* |
| **Rekvizit'o** (Vef.) | teatra akcesoraĵo. | *accessoire de théâtre.* |
| **Remont'o** (Vef.) | riparado de konstruaĵo (*alia senco tre diskutebla*). | *restauration* (d'un édifice). |
| **Rened'o** (Vp.) | (bot.) speco de pomo. | *reinette.* |
| **Renocerv'o** (Vp.) | (zoo.) alia nomo de **rangifero**, norda cervo. | *renne.* |
| **Reprezentaci'o** (Vp.) | elspezoj, lukso postulataj de persona situacio. | *représentation.* |
| **Resed'o** (Vi.) | (bot.) V. **rezedo**. | *réséda.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Respons'o** (Df.) | preĝaj vortoj kantataj aŭ diratаj responde al aliaj vortoj. | *répons.* |
| **Respublika-nism'o** (Vp.) | respublikaneco. | *républicanisme.* |
| **Restaŭr'i** (Vp.) | restarigi, rebonigi. | *restaurer.* |
| **Restitu'i** (Vp.) | redoni, reliveri. | *restituer.* |
| **Resum'i** (Vr. Z.) | mallonge rediri, tiri ĉefan sencon. | *résumer.* |
| **Retepor'o** (Vi.) | (zoo.) speco de briozooj (*reteporus*). | *rétépore.* |
| **Reŭmatalgi'o** (Vp.) | (med.) reŭmatisma doloro. | *rhumatalgie.* |
| **Revu'o** † (Vp.) | armea trarigardo, parado (*alia senco*). | *revue.* |
| **Rezid'i** (Vp.) | kutime enloĝi ; — **anto, ejo, eco.** | *résider.* |
| **REZOLUT'A** (Vp.) | decidema, firmanima ; — **eco, ulo.** | *résolu.* |
| **Rezurekci'o** (Vp.) | reviviĝo. | *résurrection.* |
| **Ribord'o** (Sr.) | ekstera rando. | *rebord.* |
| **Rifut'i** (Sr.) | V. **refuti.** | *réfuter.* |
| **Rikord'o** (Sr.) | V. **rekordo.** | *record.* |
| **Rizerv'i** (Sr.) | V. **rezervi.** | *réserver.* |
| **Rizon'i** (Sr.) | V. **rezoni.** | *raisonner.* |
| **Rizot'o** (Vi.) | itala manĝaĵo el rizo, safrano kaj fromaĝo. | *rizotto.* |
| **Rocel'o** (Vef.) | (bot.) likeno el kiu oni ricevas violruĝan kolorilon. | *orseille.* |
| **Rodi'o** (Vp.) | V. **rodiumo.** | *rhodium.* |
| **Rogaci'oj** (Vi.) | publika preĝo kaj procesio en katolikaj landoj, tri tagoj antaŭ la ĉielira festo. | *rogations.* |
| **Rombojd'o** (Sr.) | V. **romboido.** | *rhomboïde.* |
| **Rondo'o** (Vi.) | (muz.) ario, kies temo ripetiĝas. | *rondeau.* |
| **Rozoli'o** (Vi.) | speco de likvoro el fruktosuko. | *rosolis.* |
| **Rozen'o** (Vp.) | seka vinbero. | *raisin sec.* |
| **Rubikul'o** (Vp.) | (ornit.). V. **rubekolo.** | *rouge-gorge.* |
| **Ruf'o** (M. T.) | (mar.) malgranda konstruaĵo sur la supera ferdeko. | *rouf.* |
| **Rustikol'o** (Vp.) | (ornit.) speco de skolopo (*scolopax rusticola*). | *bécasse commune.* |

## S

| | | |
|---|---|---|
| **Sabadil'o** (Vp. | (bot.) speco de meksika veratraco (*sabadilla*). | *cévadille.* |
| **Saĥarino** (Vp.) | V. **sakarino.** | *saccharine.* |
| **Sakerfalko** (Vp.) | (ornit.) speco de falko (*hierofalco saker*). | *sacre.* |

